94a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO - BJALISTOKO 2009



# Kongresa Kuriero



kuriero@co.uea.net

sabato, 25a de julio 2009a

# Feliĉan datrevenon, Ludoviko!

En 1859, ekzakte antaŭ 150 jaroj, en ne tro konata urbo, tamen lokita en la geografia centro de Eŭropo, naskiĝis infano, naskiĝis genio, naskiĝis ideo kiu ankoraŭ ne estas superita, ideo kiu ankoraŭ atendas atingi sian plej altan punkton de grandeco, naskiĝis popolo kiu sur la vento, facila, de ideoj disvastiĝis tra la jaroj tra la tuta mondo kaj kiu en la egalrajteco de ĉiuj loĝantoj de la mondo trovas unu el siaj plej fortaj idealaj bazoj.

Tiam, antaŭ 150 jaroj, ĉi tie en Bjalistoko naskiĝis la Ludoviko Lazaro Zamenhof, fondinto de nia movado, fondinto de nia popolo, tiu nia popolo kiu hodiaŭ por la 94a fojo renkontiĝas por proponi al la tuta homaro la ideojn de li, de la Majstro.



La hodiaŭa mondo tre malsimilas de tiu, en kiu naskiĝis kaj vivis Ludoviko, tamen plurforme la du mondoj similas: la pluretneco de Eŭropa Unio revigligas en ĝi negativajn tendencojn konsideri malsuperan tiun homon, kiu de ni nur malsimilas, pro lingvo, pro kulturo, pro regiona deveno. La ekonomia tutmondiĝo ankaŭ streĉas negativajn fenomenojn de disdivido de la mondo inter "ni" kaj "ili", anstataŭ helpi, kiel ĝi nature devus, al rekono ke la homaro estas unu tutaĵo, unu malgranda tutaĵo en vastega universo, dissemita sur minuskla sablero de tiu universo, kiun oni devas, ĉiuj kune, prizorgi kaj defendi, por ĝin pluvivigi.

Ni renkontiĝas ĉi tie por paroli pri vi, Ludoviko, kaj pri viaj ideoj, gravaj en la pasinta mondo kiom en la nuna. Dankon, Ludoviko, kaj feliĉan datrevenon.

*Bruĉjo Kasini*

## Saluto de la Prezidanto de LKK



Kun vera plezuro mi observas kiel progresas laboroj por prepari la Kongresejon. Mi esperas, ke vi aprezos laboron de volontuloj kaj je festa etoso, dimanĉe je la 10-a horo, ni malfermos solene la 94-an Universalan Kongreson de Esperanto. Dezirante al ĉiuj nur agrablajn impresojn dum restado en Bjalistoko mi salutas elkore --

*Aleksander Sosna*
*Prezidanto de la LKK*
*de la 94-a Universala Kongreso de Esperanto*

### Rezolucio 61/17 de la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj

## Internacia Jaro de Akordiĝo 2009

*La Ĝenerala Asembleo,*

*Tenante en konsidero* la Ĉarton de Unuiĝintaj Nacioj, inkluzive la celojn kaj principojn tie entenatajn, precipe tiujn pri ŝirmado de estontaj generacioj kontraŭ la skurĝo de la milito, tiujn pri realigo, per pacaj rimedoj kaj konforme al la principoj de justeco kaj internacia juro, de harmoniigo aŭ solvado de internaciaj disputoj aŭ situacioj kiuj povus konduki al rompo de la paco, kaj tiujn pri praktikado de toleremo kaj kunvivado kiel bonaj najbaroj, tiel evoluigante amikajn rilatojn inter la nacioj kaj antaŭenigante internacian kunlaboradon por solvi internaciajn, ekonomiajn, sociajn, kulturajn kaj humanecajn demandojn,

*Rekonante,* ke interakordiĝaj procedoj estas aparte necesaj kaj urĝaj en landoj kaj regionoj de la mondo, kiuj suferis aŭ suferas pro situacioj de konflikto, kiuj efikis kaj dividis sociojn en ties diversaj internaj, naciaj kaj internaciaj facetoj,

*Rekonante ankaŭ,* ke multaj el la aktivadoj de la sistemo de Unuiĝintaj Nacioj ĝenerale por subteni packonservadon kaj packonstruadon, konfliktopreventon, malarmadon, daŭripovan evoluon, la antaŭenigon kaj protektadon de homaj rajtoj kaj homa digno, demokratio, laŭjura regado kaj principoj de bona gvidado, inter aliaj, kondukas al la lanĉado kaj evoluigo de interakordiĝaj procedoj,

*Konsciaj,* ke dialogo inter kontraŭuloj el pozicioj de respekto kaj tolero estas esenca elemento en paco kaj interakordiĝo,

*Konsciaj ankaŭ,* ke vero kaj justeco estas nemalhaveblaj elementoj por atingi interakordiĝon kaj daŭra paco,

*Tenante en konsidero* la rolon de la amasmedioj en raportado pri interakordiĝaj procedoj,

*Konvinkite,* ke anonco de internacia jaro de akordiĝo fine de la unua jardeko de la nova jarmilo liveros al la internacia komunumo okazon por klopodi, kun aktiva engaĝiĝo de ĉiuj koncernataj partioj, evoluigi interakordiĝajn procedojn, kiuj estas neceso kaj antaŭkondiĉo por starigi firman kaj daŭran pacon.

A/RES/61/17 - 2

1. *Esprimas sian firman intencon* efektivigi interakordiĝajn procedojn en tiuj socioj, kiujn tuŝas kaj/aŭ disdividas konfliktoj:

2. *Decidas* proklami la jaron 2009 Internacia Jaro de Akordiĝo;

3. *Invitas* interesatajn Registarojn kaj internaciajn kaj neregistarajn organizaĵojn subteni interakordiĝajn procedojn inter tiuj socioj, kiujn tuŝas kaj/aŭ disdividas konfliktoj, kaj plani kaj realigi adekvatajn kulturajn, edukajn kaj sociajn programojn por antaŭenigi la koncepton de akordiĝo, inkluzive okazigon de konferencoj kaj seminarioj kaj disvastigon de informoj pri la afero.

*56-a plenkunsido*
*20 novembro 2006*

## Lastaj movadaj novaĵoj

### TEJO RICEVIS NOVAN ESTRARON

Kun partopreno de pli ol 300 kongresanoj disvolviĝas en en la ĉeĥa urbo Liberec la 65-a Internacia Junulara Kongreso, pri kiu intertempe raportis en sia novaĵelsendo ankaŭ la germana televido ARD.

Dum IJK kunsidas ankaŭ la Komitato de TEJO, kiu jam traktis la plej gravan punkton de sia tagordo, la elekton de nova Estraro por la dujara periodo 2009-2011. Kiel prezidanto estis reelektita Gregor Hinker el Aŭstrio. Paulína Kožuchová el Slovakio fariĝis ĝenerala sekretario kaj Sergeo Tyrin el Israelo kasisto. Saŝa Kovjazina el Ukrainio respondecos pri informado, Łukaŝ Żebrowski el Pollando pri IJK kaj kongresoj, kaj Irmina Szustak el Pollando pri landa agado. Kvar el la ses estraranoj estas novaj; nur Hinker kaj Tyrin oficis ankaŭ en la antaŭa periodo. Krome la Komitato elektis Marek Blahuŝ el Ĉeĥio kiel komisiiton pri reta agado.

### STEFAN MACGILL GVIDOS LA NOVAN ESTRARON DE ILEI

La 22-an de julio la Komitato de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj, faka asocio aliĝinta al UEA, elektis novan 7-membran estraron. Kiel prezidanto de ILEI elektiĝis la konata pedagogo Stefan MacGill (Nov-Zelando/Hungario), kiu respondecos pri eksteraj rilatoj kaj kunordigo. Vicprezidanto Duncan Charters (Britio/Usono) okupiĝos pri universitata agado kaj instru-teknologia evoluo. Małgorzata Komarnicka (Pollando/Germanio) estas sekretario kaj Julija Batrakova (Rusio/Nederlando) kasisto. La antaŭa prezidanto Radojica Petrović (Serbio) estis taskita pri edukaj projektoj kaj informado, kaj Zsófia Kóródy (Hungario/Germanio) pri ekzamenoj, Esperanto-centroj kaj instrukapabligo. La fakoj de Julián Hernández (Kubo) estas lerneja kaj landa agadoj. El la antaŭa estraro nur Petrović kaj Kóródy estis reelektitaj, sed MacGill kaj Charters membris en la estraro de ILEI jam pli frue, respektive kiel vicprezidanto kaj pre! zidanto.

## Utilaj informoj pri Bjalistoko

Medikamentoj: Se vi uzas preskribitan medikamenton, bv. kunporti kuracistan recepton en la latina. Apotekoj funkcias dum la normalaj laborhoroj (vd. supre). Apoteko malfermita tage kaj nokte troviĝas ĉe la strato Suraska 4.

Sanservoj: Eksterlandanoj havu konfirmilon pri sanasekuro. UEA ne respondecas pri asekuro de kongresanoj.

Gravaj telefonnumeroj: Polico, fajrobrigado kaj urĝa medicina helpo 112, informoj pri lokaj telefonnumeroj 118 913 (en Bjalistoko), helpo SOS en Esperanto – informoj por kongresanoj en Pollando 648 171 168

Telefonado: Prefikso por telefoni de eksterlando al Pollando estas +48; oni ellasu la unuan nulon de la regiona antaŭnumero (ekzemple, 085 por Bjalistoko). Por telefoni de Pollando al eksterlando: 00 + landokodo + telefonnumero. Eblas telefoni el ĉiuj telefonbudoj rekte al eksterlando. La telefonbudoj uzas telefonkartojn aĉeteblajn en poŝtoficejoj kaj gazetaj kioskoj.

Interreto: En Bjalistoko senpagaj sendrataj retkonektoj (512 kbps) uzeblas en pluraj lokoj: sur la skvaro kun Zamenhof-monumento, sur la placo apud la Dramteatro, sur la ĉefa foirplaco, ĉe altlernejoj (i.a. la Politekniko, kie ni kongresos), hoteloj, restoracioj ktp. Krome estas retkafejoj (1,50 zlotojn por 15 minutoj, ekzemple).

Sekureco: Bjalistoko estas, laŭ policaj statistikaĵoj, la plej sekura urbo en Pollando. Estu tamen atentema pri dokumentoj, mono, poŝtelefonoj k.s.

Memoraĵoj: La plej tipaj memoraĵoj el Bjalistoko estas meti-artaĵoj: du-varpaj teksaĵoj, potaĵoj, brodaĵoj, pajlaĵoj, lignaĵoj kaj trikaĵoj.

## Programŝanĝoj

### Kongresa Kuriero petas helpon

Sabaton la 25an de julio, de la 17h00 ĝis la 18h00, en **Salono Szapiro (LKK)** okazos organiza kunveno de Kongresa Kuriero. Se vi pretas dum la Kongreso helpi, ekzemple verkante artikolojn aŭ recenzojn pri aranĝoj, bonvolu veni kaj atesti vian pretecon.

### EKZAMENIĜU novtipe!

Por la novtipaj UEA-ekzamenoj (konstruitaj laŭ la Euxropa Referenckado) eblas ankoraŭ aligxi dum la kongresa semajno.

La ekzamenoj okazas en tri niveloj (B1 - baza, B2 - meza kaj C1 - supera). Ili konsistas el skriba kaj parola partoj, trapaseblaj ankaŭ aparte, en diversaj ekzamenperiodoj. Eblas ekzameniĝi ankaŭ nur pri unu parto. La ekzamenoj testas nur lingvajn konojn kaj kapablojn, ili ne entenas movadajn kaj kulturajn informojn.

La skriba ekzameno **okazos ĵaŭdon je la 11.00**. Plej lasta aliĝtempo estas la 10.00 samtage.

Ĉiujn ceterajn informojn, aliĝeblojn kaj pageblojn vi trovas ĉe la aranĝoj de edukado.net aŭ ĉe la kasisto de UEA.

Ni atentigas ankaŭ pri tio, ke **mardon**, kadre de la meznivelaj paroligaj kursoj de edukado.net okazos informado kaj ekzercado por la ekzamenoj.

*Katalin Kováts, Kn: 1441*

### TEVA-seminario pri vegetarismo kaj Esperanto

Sabaton la 25an de julio, de la 14a30 ĝis la 17a, okazos en **Salono Privat** seminario organizita de **Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio**. Dum la seminario estos prelegetoj pri la simileco inter Esperanto kaj vegetarismo, pri la historio de TEVA, pri la malbonaj efikoj de viandomanĝado sur la medio, pri la pola vegetara movado…

Ĉiuj estas invitataj partopreni kaj eventuale rakonti pri la vegetara (!) movado en sia lando.

*Heidi Goes, Sekretario de TEVA*

### Novaj kunsidoj

**Rondo "Kato"** – mardo, 11h00-12h00 en salono Kesälä;

**IKEF (komerco kaj ekonomio)** – ĵaŭdo, 15h00-17h00 en salono Fighiera-Sikorska."

# Kleriga lundo

## La kompleta programo

### Unua bloko – 9h00-10h30

*Salono Brozović* - **Kimura Goro, Japanio: Kontribuo de la Esperanto-movado en diskutoj pri lingvaj rajtoj** - En Esperantujo oni fojfoje aŭdas pri lingvaj (homaj) rajtoj. Kian teorian kaj praktikan rolon Esperanto povas ludi pri lingvaj rajtoj, kaj lingvaj rajtoj pri Esperanto? Ni diskutu pri ĝisnunaj atingoj kaj estontaj eblecoj.

*Salono Kesälä* - **Dalia Pileckienė, Litovio: Kiel mastrumi sian tempon** - Mastrumi sian tempon? Ni ja ĉiuj faras tion ĉiu-tage kaj ĉiu-momente. Tamen oni ofte aŭdas de aliaj, kaj konfesu – ankaŭ ni mem ofte elparolas la frazon: „MI NE HAVAS TEMPON!" Kie malaperas nia tempo, kiu ŝtelas ĝin? Dum praktika seminario estos prezentataj BAZAJ principoj de mastrumado de tempo. Tamen, karaj, ne esperu ekaŭdi teorian prelegon pri la menciita temo-problemo. Vi ĉiuj devos partopreni en la seminario, praktike "gustumante" la menciitajn bazajn principojn. Interalie, ili estas tre simplaj…

*Salono Cseh* - **Kimie Markarian, Tahira Masako, Japanio: Sorobaneca mensa kalkulado** - Estas konate ke Japanio kaj aliaj aziaj landoj uzis sorobanon por komercaj kaj hejmaj kalkuladoj, sed ne konatas ke ili ankaŭ uzis sorobanecan mensan kalkuladon. Nun ju pli ni uzas komputilon kaj elektronikan kalkulilon des pli ni mallaborigas nian menson. Tiu metodo ne bezonas elektron aŭ baterion, kaj ĝi estas bona akrigilo por via cerbo.

*Salono Kabe* - **Cyrille Hurstel, Francio: Kiel organizi eventon kun interpretado** - Organizi eventon per unu lingvo jam estas malfacile. Kion plani se temas pri du lingvoj, tri lingvoj dum vizito en fabriko, konferenco ktp? Malkovru labormetodojn de interpretistoj por feliĉigi vian aŭskultantaron. Konsciiĝu pri la problemoj kaj ankaŭ pri la solvoj.

*Salono Fighiera-Sikorska* - **Anna Löwenstein, Italio: Se vi organizus la unuan kongreson…** - Imagu, se Esperanto estus nova lingvo: ke la unua libro aperis en 1987, ne en 1887, kaj ke la plejmulto da novaj interesatoj lernas per Interreto. Nun venis la momento por organizi ĝian unuan internacian kongreson. La unuan, ne la 94-an! Forgesu pri la malnovaj ŝablonoj kaj nia centjara tradicio: pensu pri organizado de novstila kongreso por juna asocio. Se vi mem estus membro de la organiza komitato, kiel vi aranĝus tiun kongreson?

### Dua bloko – 10h45-12h15

*Salono Brozović* - **Mark Fettes, Kanado: Manifesto de Prago en la 21-a jarcento – ŝancoj kaj defioj** - La Manifesto de Prago aperis en 1996, ĉe la 81-a UK en Prago. De tiam pasis 13 jaroj, en kiuj Interreto eksplode kreskis, konscio pri la ekologia krizo akriĝis kaj disvastiĝis, la monda ekonomio ŝanceliĝis… Kial kaj kiel do legi la Manifeston nun? Kian vojon ĝi montras por Esperanto en la 21-a jarcento? Venu preta por kontribui viajn ideojn!

*Salono Kesälä* - **Kristin Tytgat, Belgio: Unu ingvo malsamaj kulturoj** - Esperantistoj havas komunan lingvon sed ne komunan referenckadron por bone kaj klare komunikiĝi. En tiu ĉi sesio ni precizigos la normojn kaj valorojn de socioj kaj ni komune serĉos vojon por sukcese komunikiĝi lingve kaj nelingve. Tio ebligos al ni pli bone kompreni kaj respekti unu la alian. En la sesio la partoprenantoj povas aktive kunlabori.

*Salono Cseh* - **Hannes Larsson, Francio: Distraj matematikoj** - La seminario traktos amuzajn aspektojn de matematikoj. La gvidanto prezentos kelkajn legendojn kaj rakontojn kaj senmistifikos la misteran oran nombron kaj la nombrojn de Fibonacci ktp. Praktikaj problemoj (sed ne pri kranoj aŭ trajnoj!) partoprenigos la ĉeestantaron. Ni celos ankaŭ trakti la kalkulon de probablecoj per simplaj metodoj.

*Salono Kabe* - **István Ertl – Brian Moon, Luksemburgio: Ĉu vi iĝus oficiala tradukisto pri Esperanto? Testu vian tradukkapablon!** - Imagu ke Esperanto estas oficiala lingvo de EU. Necesas do traduki al ĝi tekstojn pri ĉiaj fakkampoj kie EU rolas. Ni komune, praktike faros tian laboron kun Brian Moon kaj István Ertl, profesiaj tradukistoj ĉe EU, poste tiros terminologiajn kaj lingvopolitikajn konkludojn, kaj diskutos.

*Salono Fighiera-Sikorska* - **Yves Nicolas, Francio: Kiel organizi prelegvojaĝojn. Interŝanĝoj el la sperto de Esperanto-France** - Jam de pluraj jardekoj Espéranto-France organizas prelegvojaĝojn por eksterlandanoj. Kvardeko da kluboj akceptas ilin kadre de reguloj simplaj kaj kontentigaj, kiujn prezentos la kunordiganto kun interveno de prelegantoj kaj akceptintaj kluboj. Interŝanĝoj kun la ĉeestantoj ebligos reliefigi kiom prelegvojaĝoj povas esti fruktodonaj por la kluboj, kaj kiujn kaptilojn preterpasi.

### Tria bloko – 12h30-14h00

*Salono Brozović* - **Humphrey Tonkin, Usono: UEA ĉe UN – UN ĉe UEA** - La historio de niaj rilatoj kun UN kaj Unesko reiras preskaŭ al la komenco de UN. Intertempe la mondo ŝanĝiĝis kaj ŝanĝiĝis ankaŭ UN. Kiun rolon UEA nun ludu ĉe UN kaj Unesko? Ĉu ankaŭ gravas, ke la idealoj de UN estu disvastigataj inter la esperantistoj? Humphrey Tonkin, kies sperto pri UN kaj Esperanto kovras multajn jarojn, arigos kelkajn aktivulojn sur tiu tereno, interalie Neil Blonstein, nia nova reprezentanto ĉe UN, kaj gvidos diskuton pri la estonteco de niaj reciprokaj rilatoj.

*Salono Kesälä* - **Elisabeth Schwarzer, Germanio: Interkompreniĝo malgraŭ miskomprenoj inter okcidentanoj kaj orientanoj** - Jen dialoga forumo en jubilea kongreso laŭ metodo de D. Bohm, kiun unufoje ni praktikis dum UK en Roterdamo. Laŭ reguloj de respekto kaj sincereco partoprenantoj bv. aktive kontribui por eltrovi kiel plibonigi tian interkompreniĝon. Jen ni kunvenos en nova membroŝtato de EU proksime al aliaj partoj de Eŭropo – kion la nova situacio signifas por esperantistoj?

*Salono Cseh* - **Ana Montesinos, Britio: Ni lernu ludante** - Temas ĉefe, sed ne nur, pri manieroj pligrandigi nian scion pri Esperantujo. Unue estos prezento de kelkaj eblaj ludoj, poste oni praktikos ilin en malgrandaj grupoj, kaj je la fino ĉiu grupo raportos siajn komentojn kaj eblajn novajn ideojn, al la aliaj partoprenantoj.

*Salono Kabe* - **François Bartsch, Cyrille Hurstel, Francio: Triopa krizo. Kio kaj kien?** - Tri krizoj nuntempe disvolviĝas – en la medio, en la energia kampo kaj en la financ-ekonomio. Fakte, ni ĉiuj jam konscias pri ili de longa tempo, de la 70-aj jaroj por multaj el ni, sed ili ĉiam estis "estontaj" krizoj. Bedaŭrinde por ni, la estonteco estas nun. En la venontaj monatoj kaj jaroj ni devos alfronti tute novan vivsituacion.

*Salono Fighiera-Sikorska* - **François Simonnet, Francio: Ni kune relegu la Bulonjan Deklaracion pri la Esenco de la Esperantismo** - La Deklaracio pri la Esenco de la Esperantismo, akceptita en Bulonjo-ĉe-Maro de la unua Kongreso de Esperanto en la 9-a de aŭgusto 1905, estas daŭre aktuale la fundamenta teksto de la Esperanto-movado. Ankoraŭ nun ĉiu frazo en ĝi estas por ni priatentinda kaj gvida. Se tiun tekston vi ne konas, senprokraste ĝin legu! Kune ĝin relegante ni speciale atentos la paragrafojn 1-an kaj 4-an.(La Deklaracion oni povas legi, interalie, ĉe la TTT-adreso "ltttp://www.akademio-de-esperanto.org/fundamento/bulonja_deklaracio.html".)

## Aŭtoraj duonhoroj

Ĉiuj aŭtoraj duonhoroj okazos en la Libroservo.

### Dimanĉe

15.00-15.30, Ed Borsboom
15.30-16.00, Ulrich Lins
16.00-16.30, Julia Sigmond
17.30-18.00, Alicja Lewanderska

### Lunde

10.30-11.00, Amri Wandel
14.00-14.30, P. Daŝgupta kaj S. Štimec, Pri kroataj aŭtoroj
15.00-15.30, Mikaelo Bronstein
16.00-16.30, Stano Marĉek
17.00-17.30, Ilona Koutny

### Marde

10.00-10.30, Lidia Ligeza
10.30-11.00, Istvan Ertl
13.00-13.30, Luiza Carol
13.30-14.00, Probal Daŝgupta
15.00-15.30, Jean Codjo
16.00-16.30, Edward Kozyra
16.30-17.00, Roman Dobrzynski (pri filmoj)

### Jaŭde

10.30-11.00, Christer Kiselman
16.00-16.30, Aleksander Korjxenkov

### Vendrede

10.00-10.30, John Wells
10.30-11.00, Humphrey Tonkin
11.00-11.30, Bertilo Wennergren
12.00-12.30, Tomasz Chmielik
15.00-15.30, Hori Jasuo
15.30-16.00, Anna Lowenstein

## Kunlaboru por la Kongresa Kuriero

Ankaŭ ĉi-jare, dum la tuta kongreso, ĉiumtene vi trovos freŝan ekzempleron de Kongresa Kuriero. Ne por trempi ĝin en via teo, nek en via kafo, kompreneble, sed por teni vin informita pri kio okazas ĉirkaŭ vi, ĉar oni scias, UK estas tro granda aranĝo por povi vivi ĝin komplete per nur unu korpo... Nu, ni provos helpi vin vivi ĝin komplete ankaŭ per niaj korpoj, de la redaktoroj.

Se vi volos helpi al tiu ĉi laboro grava por la kongresa sukceso, vi rajtas vin anonci ĉe **Bruĉjo Kasini**, kn: 150, kiu kunordigas tiun ĉi orĥestra laboro. Organiza kunveno estas fiksita por sabato la 25an, je la 17h00, en salono Szapiro. Tie ni distribuos la taskojn, ĉefe por raporti pri la oficialaj aranĝoj kaj pri la spektakloj, kiuj estas la eroj, kiuj plej ofte suferas je malgranda raportado.

Anticipan dankon al ĉiuj kunlaborontoj kaj, eĉ pli, al ĉiuj legontoj.

*Bruĉjo Kasini*

## Esperanto-Centro inaŭgurita!

Hodiaŭ, la 21-an de julio en 2009, la urbestro Tadeusz Truskolaski solene inaŭguris Esperanto-Centron Ludwik Zamenhof, troviĝanta ĉe la strato Warszawska, n-ro 15 en Białystok.

La inaŭguron, krom multaj amikoj de Esperanto, partoprenis i.a.: vicurbestro Aleksander Sosna, prezidanto de la Urba Komitato Włodzimierz L. Kusak kaj kunaŭtoroj de la ekspozicio s-ino Jolanta Rogowska el la Historia Muzeo kaj s-ro Andrzej Lechowski - direktoro de la Podlahia Muzeo en Białystok.

Samtempe kun la malfermo de la Centro oni inaŭguris la konstantan ekspozicion: „Bjalistoko de juna Zamenhof" kaj la du portempajn ekspoziciojn: „Esperantaj ekslibrisoj kaj puntoj". La Centro troviĝas ĉe la strato Warszawska, n-ro 15. (fakte 19, rim. J.P.) Ĝi estas kreita en la jaro de la 94-a Universala Kongreso de Esperanto, okazonta de la 25-a ĝis la 31-a de julio ĝuste en Bjalistoko - la naskiĝurbo de la kreinto/iniciatinto de la lingvo Esperanto.

La Centro Zamenhof - kiu estas filio de Bjalistoka Kulturcentro - gvidos la agadon, prezentanta la multkulturan karakteron de la urbo kaj la popularigadon de L. Zamenhof. Oni antaŭvidas, ke la Centro prezentados la konstantan ekspozicion, organizos la portempajn ekspoziciojn, gvidos la edukan aktivadon, okazigos seminariojn, prezentajxojn kaj ekzercadojn.

La teksto, tradukita de Jarosław Parzyszek, venas el la oficiala ttt-ejo de la urbo Bjalistoko: www.bialystok.pl. Fotoserio pri la inaŭguro estas videbla ĉe http://www.bialystok.pl/site.php?s=MDAwMTg3&a=MDU3Nzgz.

*www.eventoj.hu*

## Lastaj aliĝoj

1767 vmal-i **Dipl. inĝ. Veikko Mäki-Luopa,** Paasitie 20 A, FI-00830 Helsinki, Finnlando
1768 vaug-p **S-ro Edward M Vaughn,** 10710 Evergreen Way, Everett WA 98204-4335, Usono
1769 deek-f **S-ro Dennis E. Keefe,** University of Nanjing, 22 Hankou Road Yifu Building, Floor 8, CN-210093 Nanjing, Ĉinio
1770 mves-a **S-ro Miloš Veselý,** SNP 291/4, SK-922 03 Vrbové, Slovakio
1771 lsmo-z **S-ro Leandro Souza Moreira,** Av. Bezerra De Menezes 2690 Ap. 111 Parquelandia, BR-60325-002 Fortaleza CE, Brazilo
1772 rpav-j **S-ro Rogener Pavinski Barbosa,** Rua José Guidini Jr. 229, BR-14093-540 Ribeirão Preto - SP, Brazilo
1773 rrfe-q **S-ro Romulo Ramazini Felicio,** Rua Marcondes Salgado, 1227 Centro, BR-14010-150 Ribeirão Preto - SP, Brazilo
1774 gril-r **S-ro Rogerio Borges Grilo,** Avenida de La Peseta 88, 4 B, ES-28054 Madrid, Hispanio
1775 djok-c **S-ino Ok Da-Joung,** Udong Dongbu Olypic. APT. 113-602, Busan - 612-745, Korea Resp.
1776 kyus-j **S-ino Kyunghwa Song,** 706-202 Kangchon 7-danji Apt. Madu 2-dong Ilsan do, Koyang-shi, Kyunggi-do - 410-717, Korea Resp.
1777 rrms-w **S-ro Roemyung Song,** 706-202 Kangchon 7-danji Apt. Madu 2-dong Ilsan dong-ku, Koyang-shi, Kyunggi-do - 410-717, Korea Resp.
1778 sghy-r **S-ro Song Ho-young,** 20066940 Song Ho-young,Coll. Medicine Univ. Wonkwang, 344-2 Shinyong-dong, Iksan-si, Jeollabuk-do - 570-749, Korea Resp.
1779 lepo-d **S-ro Herman A. Haasjes,** Laan van Kernhem 127, NL-6718 HR Ede, Nederlando
1780 dotp-u **S-ino Dorota Puziuk,** Pu³askiego 95/74, PL-15-337 Bia³ystok, Pollando
1781 lidn-s **S-ino Lidia Nowak,** Starogórska 42, PL-56-200 Góra, Pollando
1782 zata-p **S-ino Żaneta Nowak,** Starogórska 42, PL-56-200 Góra, Pollando
1783 ilaf-p **S-ino Ildikó Ácsné Ferenczi,** Szérûskerti út 21, HU-6720 Szeged, Hungario
1784 jobk-b **S-ro József Baksa,** Kosztolányi tér 2/A Pf. 115, HU-8900 Zalaegerszeg, Hungario
1785 szim-q **S-ro Imre Szabó,** Árvácska u 28, HU-2013 Pomáz, Hungario
1786 brmr-h **S-ino Jūratė Bartaskienė,** Žolyno 8-22, LT-10209 Vilnius, Litovio
1787 sdls-o **D-ro Vilius Šidlauskas,** Stikliu 7 A, LT-5316 Panevėþys, Litovio
1788 aakk-z **S-ino Anna Karlak,** ul. Majdanska 13/91, PL-04-088 Warszawa, Pollando
1789 acja-v **S-ino Alicja Kraszewska,** Miodowa 14 m.13, PL-66-620 Gubin, Pollando
1790 awak-z **S-ino Anna Lewak,** os. E. Plater 2 m.2, PL-66-020 Gubin, Pollando
1791 kalw-t **S-ino Kasia Lewak,** os. E. Plater 2 m.2, PL-66-620 Gubin, Pollando
1792 klkr-p **S-ino Klaudia Karlak,** ul. Majdanska 13/91, PL-04-088 Warszawa, Pollando
1793 mbcm-u **S-ro Michaūł Bartūłomiej Cymerman,** PL-34-713 Skawa, Pollando
1794 slhu-w, S-ino Sylwia Hutniczak, Pollando
1795 tszl-y, S-ro Tomasz Lewak, Pollando
1796 amua-z, S-ino Anna Murzina, Rusio
1797 czer-n, S-ro Christopher Zervic, Usono
1798 wbha-o, S-ro William B Harris, Usono
1799 abdm-o, S-ro Abdolah Mohammadi, Irano
1800 ahas-e, S-ro Abbas Hashemloo, Irano
1801 alzg-e, S-ro Ghader Alizadeh, Irano
1802 hobi-p, S-ro Houshang Bitarafkouchaki, Irano
1803 lotm-t, S-ro Mansour Lotfi, Irano
1804 matf-q, S-ro Matin Farahani, Irano
1805 msgu-r, S-ro Masuod Goodarzi, Irano
1806 sege-x, S-ino Sedighe Sehati Gharehbelagh, Irano
1807 tahf-y, S-ro Farhad Taherpour, Irano
1808 teym-n, S-ro Morteza Teymouri, Irano
1809 teyn-i, S-ro Mehrazin Teymouri, Irano
1810 erfs-y, S-ro Einar Faanes, Svedio

## Radioamatoroj faras kontaktojn

En la radioetero el Bjalistoko aŭdiĝas en Esperanto ĝenerala alvoko al ĉiuj radioamatoroj en la mondo kaj invitas por interparoli kaj viziti la naskiĝurbon de la kreinto de Esperanto. En Studenta Radioamatora Klubo SP 4 YPB (Bialistoka Politekniko) funkcias kongresa radiostacio HF 94 KE. Ĉiuj radioamatoroj, partoprenantoj de la 94a Universala Kongreso de Esperanto povas fari radiokontaktojn. Ni kore invitas viziti la studentan klubon ĉe strato Zwierzyniecka. Radiostacio laboras en studenta domo.

## Pri Pola Eldono de „Lidia"

Marde je la 19.20 (en kafejo Fama, str. Legionowa 5) okazos renkontiĝo dediĉita al pola eldono de libro „Lidia". „Lidia" estas rakonto pri vivo de la filino de L. Zamenhof, verkita de Wendy Heller anglalingve kaj tradukita Esperanten. Pola traduko aperos jam en septembro.

En la renkontiĝo partoprenos: Lidia Ligęza – tradukistino de pola versio, Jan Skonieczka - eldonisto, Bernhard Westerhoff – tradukisto de Esperanta versio, Agnieszka Szopińska – Reprezentanto de Bahaa Kredo en Pollando.

Organizantoj kore invitas ĉiujn interesiĝantajn pri vivo de Lidia Zamenhof – esperantistino, bahaa'nino kaj pri la libro pri ŝi. Dum renkontiĝo oni povos mendi la libron. *(zg)*

## Salutoj al la 94a UK

Estimata UEA-prezidanto prof-ro Dashgupto,
estimata estraro, karaj kongresanoj,
kiel urbestro de Herzberg – la Esperanto-urbo mi tre ĝojas, ke la nunjara kongreso okazas en la naskiĝloko de d-ro L.L. Zamenhof pro la 150-jara naskiĝdatreveno de la kreinto de Esperanto.

Esperanto, komuna samrajta lingvo povas esti taŭga komunikilo por la homaro de la 21-a jarcento.

Mi pensas, ke niaj du urboj ludas pioniran rolon por helpi interkompreniĝon per neŭtrala pontolingvo.

Volonte ni salutas esperantlingvajn gastojn, studemulojn el multaj landoj en nia urbo. Bonvenon.

Mi deziras sukcesplenan kongreson.
Amike salutas

*Gerhard Walter*
*- urbestro -*



94-a Universala Kongreso de Esperanto
25.07-1.08.2009
Bjalistoko, Pollando

94a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO - BJALISTOKO 2009



Kongresa Kuriero 2

kuriero@co.uea.org dimanĉo, 26a de julio 2009a

# Ĉiam pli sukcesas la Movada Foiro

Iuj vigle pretigas faldfoliojn sur la tablo. Aliaj muntas standon. Kelkaj homoj serĉas la plej bonan lokon por afiŝo. Aliaj movas tablojn kaj seĝojn. Kaj tiu aktiveco ne rilatas specifan grupon. Homoj junaj kaj kor-junaj, viroj kaj virinoj, eŭropanoj, afrikanoj, azianoj, amerikanoj...

Kial tiom da agado en la ĝardeno de la Bjalistoka politeĥniko? Temas pri la Movada Foiro, speciala evento kiu ekde la UK en Italujo (2006) okazas dum la unua tago de la kongreso: ĉiuj asocioj, kaj naciaj, kaj fakaj, rajtas havi budon por sin prezenti al la publiko.

Duonhoro poste, sama loko. Amaso da homoj promenas en la ĝardena koridoro, plenplena da buntaj tabloj kaj gajaj homoj kiuj prezentas, babilas, ŝercas, indikas, klarigas...

Profesia budo de la bjalistoka politeĥniko malfermas la vicon, tuj poste sekvata de oficiala informejo pri la urbo kaj la regiono kiu gastigas la ĉi-jaran UK. En la longa ĝardena koridoro pli ol 70 asocioj fiere prezentas siajn agadojn kaj estontajn planojn. La esperantistoj estas tre interesitaj kaj ofte eĉ malfacilis promeni pro la kvanto da homoj. Kaj tio estas fakte tute logika, ĉar nur unufoje jare, nur okaze de tiu granda bunta foiro kiu prezentas ecojn kaj erojn de la fenomeno "Esperanto", ili povas havi pli grandan bildon kaj kunmeti multajn dubelojn de la esperanta puzlo. Ĉu vi volas scii kio okazas en Afriko? Jen pluraj budoj por vi, kaj de la Afrika Komisiono de UEA, kaj de kelkaj naciaj asocioj. Ĉu vi havas apartan hobion au intereson? Per la Movada Foiro vi havis ŝancon trovi amikojn kun similaj interesoj, en la budoj de la fakaj asocioj (de la vegetaranoj ĝis la kat-amantoj, de la radio-amatoroj ĝis la ateistoj). Ĉu vi interesiĝas pri la nova Komuna Eŭropa Referenc-Kadro kaj planas ekzameiniĝi baldaŭ? Kiu plej bona loko ol la Edukado.net-budo dum la foiro por havi ĉiujn informojn kaj mendi ekzamenojn!

Tamen, Movada Foiro estas grava evento ne nur por esperantistoj. Ĝi estas okazo prezenti nian mondon al neesperantistoj, montri en kiom da landoj ni havas aktivan asocion, kiom multe da fakaj asocioj okupiĝas pri la internacia lingvo. Kaj, kompreneble, estas ŝanco prezenti kiom amikecaj la esperantistoj estas ;-) Mi havis ŝancon renkonti kelkajn ne-esperantistojn kaj ili vere ĝuis la foiron. Sendube ili nun havas pli kompletan bildon pri la movado malantaŭ la lingvo.




La vera defio por venontaj kongresoj estu ne nur havi sukcesan movadan foiron por esperantistoj. Tion ni jam havas, danke al la kontribuo de la pluraj asocioj kaj ĉiukaze ĝi estos sukceso en nia mondo. Vera defio estus havi multajn neesperantistojn kiuj ankoraŭ ne konas Esperanton kaj, per la foiro kaj la kongreso, interesiĝas pri la internacia lingvo. Estus tre bele havi bonan enmiksiĝon inter la kongresanoj kaj lokaj homoj kiuj aŭdis pri nia aranĝo kaj venas por ĝui la etoson kaj lerni iom pli pri la lingvo kaj la movado.

Gratulojn al ĉiuj asocioj kaj deĵorantoj kiu permesis al la ĉijara Movada Foiro esti granda sukceso. Kaj, kompreneble, gratulinda estas Anna Lowenstein, la ideinto kaj ĉefa motoro de unu el la plej sukcesaj programeroj dum UK!

*Francesco Maurelli*

# Esperanto ĝis 2059

En tiu ĉi Kuriero de jubilea jaro pri nia Majstro ni decidis demandi al kelkaj konataj esperantistoj kion ili vidas la evoluon de nia movado en la venonta duonjarcento. Jen la unua el tiuj.

## Intervjuo al Humphrey Tonkin



*Kiu laŭ vi estas la plej granda sukceso kiun Esperanto povas atingi ĝis 2059?*

La nocio ke Esperanto fariĝu kvazaŭ universala komunikilo lingva en internacia skalo estas verŝajne nerealisma pro la simpla kialo, ke la mondo konsistas el individuoj, sed ja povus esti (fakte, devus esti) ke Esperanto fariĝu signife pli multe uzata ol nun.

Sukceson oni povus mezuri laŭ kvanta kresko de utiligo de Esperanto por ĉiuj celoj, inkluzive la uzadon interne de la Esperanto-kulturo. Ĉi tie en Bjalistoko ni festas la 150an datrevenon de la naskigxo de Zamenhof, kiu bone komprenis ke internacia lingvo povas sukcesi nur se estas parolantoj de tiu lingvo. Li do celis krei lingvokomunumon por Esperanto. Do, se ni volas sukcesigi Esperanton, ni devas daŭre evoluigi ĝin inter ni, tial kre ĝi fariĝu ĉiam pli kompleta kaj ĉiam pli esprimiva. Samtempe necesas multe pli efile rilati kun la ekstera mondo por montri tion ni kreis ene de la Esperanto-movado.

*Kion, konkrete, nia movado devas fari?*

Iasence ni havas solvon por problemo kiun la homoj ĝis nun ne konstatis, nome solvon kiu forigus la malegalecon de komunikado. Ni devas komprenigi al la ekstera mondo, ke utiligo de lingvoj por antaŭemigi la propran potencon estas malmorale, kaj ke lingvo estas fonto de diskriminacio, kiam ĝi estas misuaata, do ne nur ni devas konvinki la homojn pri Esperanto, sed ni devas konvinki la homojn ke Esperanto estas bezonata por solvi signifan problemon.

Zamenhof kredis je la egaleco de la homoj, kaj ni tion kredas. Sed la ekstera mondo ankoraŭ devas esti konvinkita. Jen nia eta tasko!

*Kiel kaj ĉu tiun ĉi tasko estas realigebla?*

Antaŭ cent jaroj en fama mesaĝo Zamenhof atentigis la mondon pri la danĝero de rasa diskriminacio. Nun, post 100 jaroj, tiu koncepto de la negativaj sekvoj de rasismo estas bone konata kaj aplikata en la rlatoj inter la popoloj. Estas nia tasko etendi tiun nociojn ankaŭ al lingva diskriminacio, kaj ke tio estas atingebla pruvas la nuna finfina rekono de la ideo ke rasismo estas neakceptebla konduto.

*Rikoltis intervjuon:* ***Bruĉjo Kasini***

# La eksterordinara koncerto de juda muziko

La sabatan vesperon en la salono Zamenhof, tre originala dum tiu ĉi kongreso, ĉar troviĝanta en la granda tendo, okazis la eksterordinara koncerto. Ĝi komencis la ciklon de kongresaj koncertoj, kiuj abundas dum tiu ĉi UK.

La pola kantistino Irena Urbańska invitis la spektantojn migri tra la mirinda mondo de jam ne ekzistantaj judaj ŝtetloj.

Ili estis pli grandaj ol urbetoj, ĉar ili estis la tuta mondo, preskaŭ patrujo, por loĝantaj tie judoj. La Esperantan tendon plenigis la muziko de tradiciaj judaj kantoj kaj melodioj.

La forta, belsona voĉo de kantistino, al kiu akompanis Lesław Lic, kortuŝis aŭskultantojn. La artistino prezentis kelkajn kantojn ankaŭ en Esperanto.

Precipan aplaŭdon vekis la kanto "Bubliczki" ("Bulketoj") kantata en la lingvo jida. Bedaŭru tiu, kiu ne partoprenis la koncerton.

*Elizabeta Leonowicz-Frenszkowska*

## SEG pristudas kongresanojn

Kelkaj el kongresanoj ricevis dum Movada Foiro enketilon de SEG (Sociscienca Esperanto-grupo) pri UEA "Ni pri UEA". Per respondo al la enketilo vi povos diri vian opinion pri UEA kaj pri la kongreso.

Ni volas informi, ke vi povas redoni la enketilon ĉe la libroservo aŭ ĉe la akceptejo, kie troviĝos apartaj skatoloj por tio. En tiuj lokoj vi povos trovi ankaŭ enketilon, se vi ankoraŭ ne ricevis ĝin kaj se ne elĉerpiĝis la kopiitaj ekzempleroj. La enketilo estas plenigebla ankaŭ en interreto ĉe adreso: http://enketo.shortURL.com post la kongreso dum tri monatoj.

Vi povus veni ankaŭ al kunsido de Sociscienca Esperanto-Grupo vendrere je la 13-a horo en salono Kesälä.

## Programŝanĝoj

La 27-an de julio de la 10h00 ĝis la 14h00 okazos scienca konferenco enkadre de la jarkunveno de UMEA, al kiu ni elkore invitas ĉiujn UMEA-membrojn, fakulojn kaj interesulojn.

Tiu ĉi konferenco okazos en la Medicina Universitato dank' al afableco de ĝia rektoro prof. dr hab. Jacek Nikliński en Aula Magna ĉe la strato Jana Kilinskiego 1, sur la mapo F3 - G3.

Dum tiu ĉi konferenco estos prezentotaj prelegoj pri interesaj medicinaj problemoj.

D-ro Wlodzimierz Opoka, ĝen. Sekretario de UMEA kaj d-ro Imre Ferenczy, prezidanto de UMEA.

## Aŭtoraj duonhoroj

Atentu jenajn modifojn:

### Lunde

17.00-17.30, Mario Migliucci
17.30-18.00, Ilona Kutny

### Alternativo al la ekskursoj

## Freneza Pikniko en "Folwark Nadawki"

**Merkrede, je la 16-a horo,** vi havos unikan ŝancon viziti la apudurban bienon "Folwark Nadawki", nur 15 min. de la bjalistoka urbocentro, por partopreni tie la merkredan "Frenezan Piknikon". Dum ĝi oni servos la tradiciajn podlaĥajn pladojn kaj trinkaĵojn. Sekvos dancado kaj amuzado, ĉe la tradicia popola muziko. Najbare de la piknikejo, en la Muzeo de Podlaĥa Vilaĝo vi povos viziti la tradiciajn kabanojn, lernante pri tiea viv-, konstru- kaj ornamstilo. Tre interesa tie estas prezentado de la tradicia sistemo de la brandoproduktado.

Ne aatendu! Aliĝu rapide, kelkaj lokoj restis!

La prezo estas nur 90 zlotoj.

### Vizitenda ekspozicio en Bjalistoko

## Zamenhofoj en Medicino

La Medicina Universitato de Bjalistoko kore invitas viziti la Palacon Branicki en Bjalistoko por ekzpozicio titolita "La Zamenhofoj kaj la medicino", kun la honora patroneco de Memoraĵo de Emanuel Ringelblum Juda Historia Muzeo en Varsovio.

Por esti bona kuracisto oni bezonas taŭgan komunikadon kun la pacientoj. La Zamenhofoj, plejparte familio de lingvistoj kaj medicinaj doktoroj, funde sciis ke klare kompreni kaj esti komprenata nepras por sukcesi je la diagnozado kaj kuracado de iliaj pacientoj.

La familio Zamenhof strebis al unuiĝo de la homoj pere de lingve kaj kulture neÂtrala komunikilo kaj sekularaj etikaj principoj cele al paca monda komunumo. Sendube, la familo Zamenhof el lingvistoj kaj kuracistoj postlasis al ni valoran heredaĵon kiu estas aparte signifa en la nuna tempo.

PRI BJALISTOKA TRADICIO

## "Lignaj plugiloj, lignaj pistujoj… aŭ pri iama farmobieno"

La ekspozicio „Lignaj plugiloj, lignaj pistujoj, falĉiletoj… aŭ pri iama farmobieno" prezentas ilojn kaj instrumentojn ligitaj kun terkultivado, konservado kaj prilaboro de terproduktaĵoj en tradicia farmobieno en la bjalistoka regiono. La kolektitaj eksponaĵoj grandparte devenas el la periodo ekde la fino de la 19-a jarcento ĝis la mezo de la 20-a jarcento, kaj iuj el ili estis uzataj ankoraŭ antaŭ dekkelkaj jaroj. Ĝis la Unua Mondmilito en la regiono oni kutime plugis per ligna dutabula plugilo helpe de paro da jungitaj bovoj aŭ bovinoj. La tutligna plugilo estis elpuŝita unue de lignaj plugiloj kun ŝtala plugilbeko kaj flankenmetilo, kaj sekve de tute ŝtalaj, produktataj en vilaĝaj aŭ industriaj forĝejoj. En la orienta parto, precipe en malpli riĉaj farmbienoj, lignaj plugiloj kun ŝtalaj elementoj dominis ankoraŭ en la intermilita periodo. Por priŝuti radikajn vegetaĵojn en la tuta bjalistoka regiono ankoraŭ ĝis antaŭnelonge oni uzis diversaspecajn hokplugiletojn, nomataj pollingve "soszki". La terkultivilaron kompletigis bastonaj kaj trabetaj erpiloj, "gratiloj", entranĉiloj kaj rulilioj, unue faritaj el ligno, kaj poste plifortigitaj per ŝtalo.

Grenon oni semis permane el peco da tolo aŭ el plektujo – „siewienka". Oni plej ofte falĉis per falĉiletoj kun dentumita akraĵo. Falĉiloj, kiuj delonge estis uzataj por rikolti nur herbon, fariĝis kutima rekoltilo nur dum la intermilita periodo. Ĝis antaŭnelonge en iuj farmobienoj oni draŝis per draŝiloj, en pli riĉaj bienoj en la intermilita periodo oni komencis uzi mallarĝajn draŝmaŝinojn, nomataj pollingve „targanki", movigataj de ĉevala tretrado. Draŝitan grenon oni konservis en rezervujoj – kavigitaj arbotrunkoj „kadluby" aŭ plektitaj el sekala pajlo, kaj ankaŭ en kestoj kaj bareloj.

Grenmuelado okazis kaj en muelejoj, ventmueliloj, kaj en manmueliloj, kies la plej malnovan tipon reprezentas selaj manmueliloj faritaj el kampoŝtono, konataj jam ekde neolito, kaj sporade uzataj ankoraŭ en la unuaj jardekoj de la 20-a jarcento. En la bjalistoka regiono la kutime uzata speco estis trunkaj manmueliloj kaj pli novaj, daŭbaj aŭ kestaj manmueliloj. Antaŭ la Dua Mondmilito oni ekuzis mueliletojn movigataj de tretradoj. Griojn oni produktis en lignaj pistujoj per diversformaj lignaj marteloj.

# Teĥnologie tre bone ekipita kongreso

La ĉijaran kongreson en Bjalistoko estos memorita inter esperantistoj ne nur ĉar jubilea de la naskiĝo de nia fondinto, sed ankaŭ ĉar la teĥnologiaj ekipaĵoj kiujn oni metis je dispono de la LKK kaj de la kongresanoj estas aparte kvantaj kaj elstaraj, finfine proksimaj al la bezonoj de moderna kongreso.

La tuta kongresejo estas kovrita de sendrata senpaga retkonekto, al kiu ĉiuj povas konektiĝi elektante la sendratan reton BIAMAN kaj tajapante la pasvorton ESP-BIAMAN-2009.

Tuta salono, granda, estis disponigita por la bezonoj de Gazetara Servo kaj de Kongresa Kuriero, kaj ekipita per abunda nombro da komputiloj, libere uzeblaj ankaŭ de simplaj kongresanoj.

En la Kongresa Libro estas erare notita ke tiu servo estas gastigata en salono Szapiro (ĉambro 109), dum ĝi estas lokita en ĉambro 101, sametaĝe.

Tie, krome, ĉiuj komputiloj estas ekipitaj per simpla sed efika retprogramo “Kongresa Kuriero”, aŭtorita de Claudio Imbrenda, KN: 780, kiu aŭtomate permesas liveri artikolojn kaj fotojn al la Kongresa Kuriero.

Nome, se vi volas sendi kontribuojn por tiu ĉi gazeto, sufiĉas eniri tiun ĉambron, tajpi la artikolon ene de la specifa programeto “Kongresa Kuriero” (aŭ kopii ĝin enen) kaj puŝi la butonon por sendi ĝin la Kongreskuriera servilo.





95a Universala Kongreso de Esperanto

Havano, 17–24 julio 2010



94-a Universala Kongreso de Esperanto
25.07-1.08.2009
Bjalistoko, Pollando

Bv. atenti. La preseja koboldo ĉifoje trafis nin, en nia unua numero. La ĝusta retadreso por sendi viajn materialojn por la Kongresa Kuriero estas:

**kuriero@co.uea.org**

94a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO - BJALISTOKO 2009




# Bonhumora Zamenhofano
## Kongresa Kuriero
3

kuriero@co.uea.org

lundo, 27a de julio 2009a


# La inaŭguro, centro de la UK

El ĉiuj pli ol 250 dumsemajnaj programeroj - oficialaj, neoficialaj, formalaj, neformalaj kaj spontanaj - la Inaŭguro estis la plej sopirata. Ĝi signis la atendatan momenton kiam lingvoj kaj landoj malaperas kaj naskiĝas sperto de tutmonda komuneco.

La preskaŭ 2.000 kongresanoj emocie konsciis, krome, ke ili privilegie travivas tiun sperton en la naskiĝurbo mem de D-ro Esperanto kaj ke la historia momento ĉizeliĝos en ilia memoro ĝisvive.

La Ceremonio mem sekvis sian tradician skemon kun nova freŝa vento, tamen, de paŭzo kun ĝojaj rokkantoj en la internacia lingvo fare de junulara trupo: blovo de moderneco en la 94-a Universala Kongreso!

La tradicia skemo volas ke granda parto de la programo konsistu el bondeziroj. La tuton sperte reĝisoris la prezidanto de UEA, Probal Dasgupta (Hinda Unio), kiu donis la salutvicon sinsekve al la plej altaj politikaj landaj, regionaj kaj lokaj aŭtoritatoj, de la Prezidanto de la Pola Parlamento (Marŝalo B. Komorowski) ĝis la Urbestro de Bjalistoko (T. Truskolaski). Ĉiuj esprimis sin en flua Esperanto, kio donis la impreson, ke ne temis pli konvenciaj vortoj, sed pri sincera aliĝo al la idealoj de Esperanto.



Speciale la prezidanto bonvenigis la ĉeeston de la konata esperantisto R. Selten, Nobel-premiito.

La emocio de la Inaŭguro atingis sian supron kun la salutoj de du membroj de la familio Zamenhof. La nepo de la iniciatinto de la internacia lingvo, Zalewski-Zamenhof unue legis mesaĝon de sia filino nun loĝanta en Usono; la veteranoj rememoris ŝin kiel infanon kiam ŝi alparolis la unuan postmilitan UK en Varsovio, antaŭ duona jarcento. La nepo de Zamenhof, mem inĝeniero pri pontkonstruado, komentis la kongresan temon "Krei pacan ponton inter la popoloj" kaj akcentis ke la konstruan laboron komencis la aŭtoro de Esperanto jam en 1887.






Post tiuj vortoj, H. Tonkin enkondukis la kongresan temon: L.L. Zamenhof, kies 150-an jubileon estas tutplanede festata - li diris - lasis al ni valoran heredaĵon, kiu harmonias kun la Jaro de Akordiĝo proklamita de la Unuiĝintaj Nacioj.

En la lasta parto de la Inaŭguro, intervenis reprezentantino de Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT), pluraj Esperantaj Asocioj kaj la posteuloj de Grabowski, la patro de la Esperanta literaturo. Poste, per fulmrapidaj frazoj po unu delegito de la landoj reprezentataj en la Kongreso salutis la Kongreson: multaj delegitoj novstile eldiris en sia nacia lingvo la vortojn "Paco al vi!".

Kiam ĉiuj stare kantis unulingve "La Espero" de Zamenhof, denove flugis en la aero la sento aparteni al komuna lando: la mondo.

*G. C. Fighiera*

## Nun... kleriga lundo

Ĉu vi jam decidis kiujn seminariojn partopreni ĉi matene?
Rigardu la kompletan liston en la unua kongresa kuriero (de sabato) kaj memoru ke temas pri kvin seminarioj samtempe en tri blokoj:
de 9h00 ĝis 10h30;
de 10h45 ĝis 12h15
kaj de 12h30 ĝis 14.00.

## Esperanto ĝis 2059

En tiu ĉi Kuriero de jubilea jaro pri nia Majstro ni decidis demandi al kelkaj konataj esperantistoj kiel ili vidas la evoluon de nia movado en la venonta duonjarcento. Jen la dua el tiuj.

### Intervjuo al Renato Corsetti



En la jaro 2059 la Centra Oficejo de UEA ekzistos nur en la reto, sed la kelkaj fizikaj oficistoj sidos en Brazilurbo kaj estos akraj diskutoj en la Komitato pri tio ke la centro de la movado kaj la programistaj de la reta oficejo devos havi sian bazon en Pekino. Tiam la Akademio de Esperanto estos ricevanta multajn proponojn pri almenaŭ kvar regulaj tonoj en la prononco de Esperanto.

Tiu estas mia fantazio surbaze de la nun antaŭvideblaj evoluoj, sed certe la pezo de la Esperanto-movado ekster Eŭropo grandiĝos. Bruselo ankoraŭ estos hezitanta ĉu voĉdoni por "amendo, kiu diras ke oni rajtas akcepti neformalan proponon pri amendo rilate al la ebla pristudo de propono pri eksperimento rilate al Esperanto".

Certe Esperanto estos multe uzata en la t.n. Zamenhofono, kiu praktike estas poŝtelefono brakportebla, kiu tradukas viajn nacilingvajn vortojn al Esperanto kaj dissendas ĝin mesaĝe.

***Kaj ĉu tiu evoluo iel dependas de kiel esperantistoj dume agos?***

Jes. Simple sufiĉus akcepti la realon, vidi ke la malnovaj ideoj pri membroj, revuoj kaj simile ne plu funkcias, do verŝajne ni devas moviĝi al asocio senpapera kaj senkotiza, sed "agada", kiel estas pluraj grandaj asocioj, ni pensu pri la asocio kiu en Usono subtenas la ideojn de Obama: ĝi konsistas el retpaĝaro kun membroj kiuj ne pagas kotizon, sed eventuale nur libervole donacas, kaj la donacoj tamen estas petataj regule por specifaj agadoj; oni scias kiel oni administras la asocion, sed certe la membroj ne sentas ke ili pagas por vivteni la oficejon, tamen (aŭ sekve) la afero funkcias. UEA, kaj niaj landaj asocioj, eble devos atenti similan vojon.

*Rikoltis intervjuon: **Bruĉjo Kasini***

## Vegetarana informo

La manĝoservo sub la blanka tendo estis informita sabate, ke venas multaj vegetaranoj kaj veganoj inter la Esperantistoj, kaj manĝestro diris, ke li klopodos prepari pli da vegetaraj opcioj. Sabate estis iuj vegetaraj kaj veganaj sandviĉoj, kaj oni esperas, ke estos pli da opcioj en postaj tagoj. Krome vidu mapon sur anonctabulo (apud akceptejo) kun kelkaj markitaj v-lokoj kaj adresoj, inkluzive la unu solan vegetaran restoracion en Bjalistoko (Green Way, en butikaro "Biała"; ul. Miłosza 2). En proksima restoracio "Los Amigos" (ul. Wiejska 43) estas kelkaj v-opcioj, kaj eĉ menuo en Esperanto nun. Laŭ ul. Zwierzyniecka (apud la altaj studentaj domoj) estas kelkaj manĝbutikoj.

## Mendu picon en Esperanto apud la kongresejo!

Proksima restoracio "Los Amigos" kun plaĉa etoso nun havas Esperantan tradukon de sia menuo. Estas diversaj picoj, spagetoj, salatoj, kaj latinamerikaj manĝoj. La Esperanta menuo indikas vegetarajn elektojn (malkiel la pola menuo), kaj veganoj povas peti "bez sera" (t.e. "sen fromaĝo" en la pola). Por atingi "Los Amigos" simple piediru maldekstren el la kongresejo, preter la blankaj tendoj, antaŭen, ne flankiĝante, ĝis la fino de la longa trotuaro. Iru malsupren laŭ ŝtuparo kaj la unua konstruaĵo poste estas la restoracio. Adreso = ul. Wiejska 43, servas ĝis la 23a ĉiunokte. Mendu kaj pagu ĉe giĉeto kiam vi eniros (tie estas la menuo en Esperanto), tiam elektu tablon, kaj ili poste portos vian picon al vi.

## Ne finita kantkoncerto

En la kongresaj materialoj oni povas trovi folion kun informo pri la koncerto de Joanna Albrzykowska Clifford, kiu okazis dimanĉe, la 26-an de julio de la horo 16-a ĝis la horo 16.30, en la preĝejo de Di-Patrino - Patrino de Eklezio, dum paŭzo inter la katolika sankta meso kaj ekumena preĝo. Mi decidis aŭskulti la koncerton, ĉar oni reklamis la belsonan voĉon de kantistino. Antaŭe mi partoprenis la sanktan meson, kiu daŭris pli longe ol oni planis. Do por kantistino restis nur dudek minutojn por prezentado. Ŝi bedaŭrinde devis mallongigi sian koncerton kaj domaĝe, ĉar vere ŝia voĉo sonis interne de la preĝejo kiel najtingala kanto. Oni ne atendis ĝis kiam la artistino finos sian lastan kanton "Ave Maria" de Schubert kantatan parte en Esperanto kaj jam komencis ekumenan preĝon. Oni ne povis eĉ aplaŭdi, danki kaj doni al s-ino Joanna florojn. Laŭ mia opinio organizantoj de UK ne ĝuste planis ĉi tiun programeron kaj tempo donita por la koncerto estis pli mallonga rilate al la proponita de kantistino, riĉa repertuaro.

*Elizabeta Leonowicz-Frenszkowska*

## Afrika Komisiono

La Afrika Komisiono kunsidis dimanĉe posttagmeze. Interesaj aferoj kaj projektoj kaj ideoj estis vigle interŝanĝitaj. La plej grava afero en Afriko estas la manko de libroj kaj lernejoj. Tamen se unu afrikano en iu regiono lernas li tion rapide disvastigas al apudaj regionoj aŭ landoj. La eŭropaj partoprenantoj de la kunsido kiuj jam vizitis afrikajn landojn kaj puŝis projektojn ege miris pri la nivelo de afrikaj memlernantoj kiuj ne nur baze scipovis nian lingvon sed eĉ majstris ILEI ekzamenojn. Kaj tuj ili instruis aliajn kaj disvastigis al apudaj landoj. La intereso de afrikanoj estas ofte granda ĉar Esperanto ne estas lingvo de koloniistoj. La kunsido finis kun peto de S-ro Hans Bakker pri reamikiĝo inter porafrikaj kunlaborantoj.

*Monika Finnegan-Reuss*

## Vroclava Panoramo en Esperanto

Se vi vizitos Vroclavon (t.e. la urbo Wrocław, eksa Breslau, Vratislavia, ktp, en sudokcidenta Polujo) post UK, nepre vizitu la muzeon "Panorama Racławicka", ĉar nun eblas aŭskulti la programon en Esperanto! Estas giganta cirkla pentraĵo (de la 1890-aj jaroj) montranta historian batalon el pola historio, en kiu venkis fama pola generalo Tadeusz Kościuszko dum la popola ribelo kontraŭ rusa armeo. Vizitantoj aŭdas duonhoran priskribon pri la pentraĵo kaj batalo. En la halo aŭdiĝas pola parolo el laŭtparoliloj, sed eblas peti personan sonaparaton kun elekto de multaj diversaj lingvoj por aŭskulti propralingve. Lastatempe oni aldonis 3 aparatojn kun Esperanto. Krome, grandaj grupoj povas antaŭaranĝi viziton kun Esperanto ludata el la ĉefaj laŭtparoliloj, do sen bezono teni personan aparaton ĉe orelo: tio jam okazis sukcese dum ekumena Esperantista kongreso antaŭ semajno, kun vizito de 60 esperantistoj. La tekston tradukis Russ Williams kaj Anna Skudlarska, kontrolis kelkaj alilandanoj, voĉlegis kaj altkvalite registris Arono Chapman de Radio Verda. http://panorama-raclawicka.pl havas turistan informon pri vizitoj.

## Revenu tra Gdansko

Se hazarde, revenante hejme dimanĉe, la 2an de aŭgusto vi estos en Gdansko, nepre vizitu Malnovan Urbon kaj tie aŭskultu la melodion, audeblan ĉe la urbodoma turo, ĉiun plenan horon – Esperanto Himnon.

Nepre trovu Verdan Kokon – 2 m altan, kun la surskirbo "Esperanto-bona ideo", kiu troviĝas proksime al la monumento de la Reĝo Jan la 2-a Sobieski, ĉe la urbaj mezepokaj muroj. Hejme la foto kun Verda Koko certe furoros.

Vespere je la 21.00 sur la podio ĉe la sama Urbo Domo vi povos aŭskulti koncerton. Kantos Ĵomart kun familio kaj Mikaelo Bronŝtejn.

Lunde vi povos ĉeesti naskiĝtagan piknikon de la Jubilea Kverko en Sopot.Ĝi estai la unua Esperanto kverko – ZEO plantita en 1927 kaj replantita dum la TEJO Kongreso en 1959. Al ŝampano invitas urbestro de la urbo Sopot.

*Jagoda Greger KN: 1022*

## Pilgrimado perpieda

Pri la pilgrimado al Santiago de Compostella nuntempe oni ja multloke povas ekscii multon. Nun ankaŭ Esperantistoj povas ĝui vojpriskribon, kaj certe apartan. La mondvojaĝanto Bruno Robineau entreprenis la pilgriman vojon kun edzino, infanoj kaj azeno. Li nun regalas nin per impresa bildprezentado kun vortaj klarigoj. Li mem kaj lia edzino legas trankvile kaj kvietige, en bela senco edife. Ili ne nur spuras la bele fotitajn pejzaĝojn kaj imponajn kulturaĵojn, sed direktas sentrude al la homa interno. Per tiu prezentado oni povas vere iom ĉeesti en serena pilgrimado.

Por ili tiu pilgrimado fariĝis, kaj nun ankaŭ por la Esperantistoj povas fariĝi, vojaĝo al la propra interno kaj, tute ĝenerale, vojo de la espero.

Kiu ne jam dimanĉe povis sperti la agrablan horon, bv. rigari en la kongreslibron. Feliĉe estos du ripetoj. Rekomendon!

*Franz-Georg Roessel*

## Anoncu en la Kongresa Kuriero

En "Bonhumora Zamenhofano" eblas komercaj anoncoj laŭ jenaj tarifoj:

| | | |
|---|---|---|
| Plena paĝo | 190×272 mm | 2000 złotoj |
| Duona paĝo | 190×134 mm | 1200 złotoj |
| Kvarona paĝo | 190× 65 mm | 800 złotoj |
| Okona paĝo | 61× 96 mm | 300 złotoj |
| Dekduona paĝo | 61× 65 mm | 200 złotoj |

Venu al Kongresa Kuriero (ĉ. Szapiro, 109) kun pagita kvitanco de la Kaso de UEA.

## TEJO sin prezentas



La junulara sekcio de UEA, Tutmonda Esperantista Junulara Organizo, prezentiĝis al la UK dimanĉe je la 13h00. Ĉestis dudeko da homoj, junaj kaj malpli junaj.

Flanke de TEJO staris kaj prelegis Gregor Hinker, prezidanto ĵus reelektita dum IJK en Liberec, Aleksandra Kovjazina, respondeculo pri informado, ĵus elektita en la estraron, kaj, mallonge je la fino, Joop Kiefte, nova kunordiganto de Pasporta Servo.

Komence estis prezentita, kio estas TEJO ĝenerale, kiam ĝi kreiĝis, kion ĝi faradas... Do ne tre interesa parto, por ĉiuj, kiuj jam konas TEJOn. Pli interesaj estis la finaj partoj, respektive pri Pasporta Servo (PS) kaj Kontakto, la du ĉefaj "produktoj" de TEJO en la eldona kampo.

Kontakto suferas malfruon, pro tio oni enkondukas tem-respondeculojn, kiuj apogu la redaktoron Paulo Moĵaev.

Pri PS malĝojiga informo, ke ĝis nun nur ĉirkaŭ 400 homoj registriĝis en la novan retan datenbazon (ĉe www.pasportaservo.org).

Pli esperiga la novaĵo, ke post kelkaj semajnoj laŭdire aperos papera eldono, kiu validos unu jaron. La nova PS konsistos do kaj el retejo kaj el papera broŝureto. La TEJO-estraro ambicias atingi kaj superi ene de 1-2 jaroj la pasintjaran nombron de gastigantoj (1225 laŭ http://eo.wikipedia.org/wiki/Pasporta_Servo).

Je la tuta fino pasi-veka estis la demando de ĉeestanto: ĉu TEJO subtenas junularan kulturon?

*Aleks Kadar KN: 492*

## Lastaj movadaj novaĵoj

### IABE kongreso en Muszyna

La 75a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj (IKBE) okazis en Muszyna, sud-oriente de Krakovo, de la 18a ĝis la 24a de julio kun 94 partoprenantoj el 16 landoj. La 75a kongreso estis per si mem jubilea, kaj krome ni celebris du aliajn jubileojn: la 150-jaran de la naskiĝo de Zamenhof, kaj la 200-jaran de la naskiĝo de Louis Braille, inventinto de la porblindula skribsistemo brajlo.

La kongresa temo estis: "Integriĝo: vi + mi = ni". Oni realigis ĝin ne nur per prelegoj, sed ankaŭ per renkontiĝoj kun lokaj Esperantistoj kaj per aranĝoj komunaj kun antaŭkongreso de la UK. Iniciatis tion la organizintino Halina Komar (Komar signifas "kulo" en la pola).

Inter la multaj ekskursoj indas mencii la viziton de abelbredejo, kun gustumado de mielo kaj medo (mielvino) kaj inhalado de sanigaj gasoj.

Jen la kongresa limeriko: Muŝina etoso perfekta, / abelproduktar' sanprotekta, / kularo pikanta, / kulino gvidanta – /resume: kongreso insekta.

Interesiĝantoj povas veni al la kunsido de LIBE (Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj) mardon je 15h15-16h00 en Sygnarski.

*Otto Prytz*

## Salutmesaĝo de Hanna Zamenhof-Zaruski

Estimataj Gesinjoroj, Geamikoj karaj,

Okaze de Zamenhof-jaro mi salutas vin, la grandan Zamenhof-familion alvenintan por kongresi en la naskiĝurbo de mia pra-avo. Mi ege bedaŭras, ke pro urĝaj okupoj, mi ne povos havi la plezuron kune kun vi ĉeesti.

Mi anstataŭ kortuŝe rememoras la alian jubileon, okazintan ĝuste antaŭ kvindek jaroj, kiam mi mem, malgranda tiam knabineto, salutis la kongreson en Varsovio, vokante "Ho, mia kor'" laŭ Zamenhofa poemo...

Vi debatos dum la nuna kongreso kiel krei pacan ponton inter popoloj. Mi kredas, ke tiu paca ponto estiĝos firme starigota, kiam la nacianoj de ĉiuj popoloj lernos konsideri sian apartenon al la sama vasta komunumo: la homaro. Mi ĉiam estis impresigita per la Zamenhofa ideo de homaranismo; mian unuan verkon, parte aŭtobiografian, almenaŭ pollingve, mi titoligis "Homarano".

Sekve, vi, la Homaranoj kunvenintaj en Bjalistoko ricevu tutkorajn bondezirojn de sukcesa kongreso, je la nomo de la Homaranino el Baton-Rouge en Luizjano, de Hanna Zamenhof-Zaleski.

# Bunta kaj ampleksa nacia vespero



Spegulo dividiĝas en du partoj kaj magie la scenejo iĝas renesanca kortego, kun junaj ludantaj bekflutistoj. Tiel komenciĝis la sukcesa Nacia Vespero, kiu celis prezenti al la kongresanoj muzikan kaj dancan tradicion en Pollando. La kvar flutistoj instigis la spektantojn moviĝi kelkajn jarcentojn pli frue, rekte en la halo de iu kortego, plenplena je muziko, postkuro de melodiaj voĉoj kaj tipaj dancoj. La kvalito kaj aĝo de la ludantoj estas vere impresa, kaj la publiko ravite spektis la spektaklon.

Tamen jaroj pasas rapide kaj, de renesanca kortego, la scenejo iĝas la perfekta loko por prezenti tipan polan popolmuzikon. Ok parojn dancludis senĉese, kun grandioza muzika ensemblo, kiu konsistis el violonoj, akordionoj kaj klarnetoj. Pola popolmuziko sukcesis fakte eliri el la folklora rondo, enirante la grandan arton per ĝia influo en la muzikon de Chopin.

La tempovojaĝo daŭrigas kaj jen moderna grupa danco de junuloj, bone kunordigataj, viglaj kaj gajaj. Inter la prezentitaj artaĵoj, tre simpatia estis la pingvina medio, kun granda ovo kiu finfine malfermiĝas kaj, kompreneble, la pingvinido ekdancas kun la tuta kolonio.

Aparta mencio meritas la *Provizora Danc-grupo* kiu prezentis tre modernan kaj pridebatitan dancadon. Pere de senvoĉaj dialogoj kaj interagoj inter kvin dancistoj kaj efika lumkontrolo, la grupo celis reprezenti diversajn homajn sentojn, impulsojn kaj reagojn. Parolante kun kelkaj homoj el la publiko, iuj tre ŝatis ĝin, sed aliaj pritaksis ĝin tro intelekta kaj kompleksa.

Ŝatantoj de rokmuziko ankaŭ havis ŝancon ĝui rokan dancadon de *Fair Play Crew*, famega grupo de moderna danco en Pollando.

Fine de la vespero, la *Bjalistoka Kanto-Studio* varmigis la publikon per esperantlingvaj kantoj kiuj eĉ inspiris formi homtrajnon inter la spektantoj. Tutcerte la longa vespero donis brilan bildon pri la pola muziko en diversaj tempperiodoj kaj ĝi restos en la koroj kaj en la mensoj de ĉiuj kongresanoj.

*Francesco Maurelli KN: 1765*

## Lastaj biletoj haveblaj

Por la multegaj spektakloj kiujn la kongreso proponas al vi, oni devas sin provizi per bileto (senpage ricevebla ĉe la giĉeto Informejo).

Por la plejmulto de la spektakloj estas ankoraŭ disponeblaj kelkaj biletoj, do tuj provizu vin por ĝui viajn prefertajn artajn prezentojn.

I.a. la Bjalistoka pupteatro, kiu jam en 1988 sin prezentis en Roterdamo, nun prezentas "Fasado"n; la aktora grupo de la Bjalistoka dramteatro prezentas "Domon sur la landlimo", grotesko pri landlima problemo; Georgo Handzlik verkis kaj ludas la monodramon "Ludoviko-Lazaro" kaj Mario Migliucci ludas sian "Doktoro Esperanto".

## Balona poŝto

Hieraŭ, 26a de julio, poŝtkartoj kongresaj estis forsenditaj pere de oficjala Balona Poŝto de la sporta flughaveno de Bjalistoko. Starto de balono apud de Politeĥniko montriĝis ne ebla pro veteraj kondiĉoj.

Ĉiu karto enmetita en ĝusta poŝta kesto en la kongresejo ricevis la prookazan stampon. Sur la foto ni vidas, ke la sendaĵo vere okazis.

*Fotis: F. Skrypko - Komentis: A. Sochacki*



## Filmo Doktoro Esperanto dublota en multaj lingvoj




La monologo “Doktoro Esperanto” de Mario Migliucci, kiu estos premiere prezentota Lunde je 12h00 en Legionowa 5, ĵus fariĝis filmo DVDa, originale filmita en Esperanto. Planatas dublado en ĉiuj lingvoj de EU plus kelkaj aliaj. La eldonisto serĉas tiucele parnerojn en ĉiuj landoj, kaj tradukistojn kaj aktorojn. Kontaktoj kun la aŭtoro, ankaŭ ĉe lia aŭtora duonhoro, lunde je la 17h00 ĉe libroservo, aŭ kun la produktisto, Bruĉjo Kasini, KN: 150.

## La filmoj de Dobrzyński

Filmoj kaj Dobrzyński estas sinonimaj vortoj. Tion la kongresanoj spertis dum la unua el la kvin kongresaj prezentadoj de la Esperanto-parolataj filmoj de li profesie prizorgitaj por la Pola Televido. Temas entute pri 10 filmoj aŭ pri Esperantaj temoj, kiel Universalaj Kongresoj en Ĉinujo kaj Bona Espero en Brazilo, aŭ en pola lingvo kun esperantlingvaj subtitoloj, kiel “Sinjoro Tadeo” de la fama reĝisoro Wajda (kiu forgesis lian ĉefverkon “Cindroj kaj diamantoj”?).

La projekcia salono estis dum la prezentado plenplena kaj verŝajne la samo okazos dum la sekvantaj tagoj. Per siaj filmista laboro kaj multnombraj libroj en la internacia lingvo aperintaj en pluraj lingvoj la esperantista veterano Roman Dobrzyński de pli ol duona jarcento grave kontribuas al la diskonigo de Esperanto en sia lando.

*G.C. Fighiera*

## Inaŭguro de IKU

Dimanĉe matene en la salono Privat oni inaŭguris la Internacian Kongresan Universitaton. Komence la rektoro de Universitato prof. Witold Stępniewski prezentis mallongan historian skizon de Universitato kaj prezentis prelegantojn. Voĉon prenis ankaŭ Jose Antonio Vergara - estrarano de UEA pri la faka kaj socia agado. Post aliaj paroladoj okazis la unua prelego kadre de Universitato.

Ĉar tiu ĉi jaro estis proklamita de UNESCO la Internacia Jaro de Astronomio, do oni ne povas miri, ke la unua prelego rilatis ĝuste al astronomio. Prof-ro Amri Wandel el Israelo invitis aŭskultantojn rigardi ĉielon tra teleskopoj. “Astronomio estas la plej antikva sciencio. Ĝi esploras la naturon de astroj, kosmo kaj universo. Teleskopo estas la plej grava astronomia ilo. Dank’ al ĝi oni povas observi ekzistantajn stelojn, malkovri novajn, sed bedaŭrinde la verdan stelon oni ankoraŭ ne trovis” diris la profesoro. La preleganto prezentis ankaŭ bazajn principojn de teleskopo, historion de ĝia invento, specojn de teleskopoj, ilian evoluon. Prof. Wandel speciale substrekis la rolon de Galileo Galilei, kiun oni povas nomi la patron de teleskopo, ĉar 400 jaroj antaŭe Galileo plibonigis kaj unuafoje uzis la teleskopon por astronomiaj observadoj. Inter la aŭskultantoj ĉeestis d-ron Ludovikon Zaleski-Zamenhof. Se iu volas ricevi pli da informoj pri modernaj teleskopoj kaj pri la Jaro de Astronomio nepre venu al dua kaj tria parto de prelego, kiuj okazos kadre de AIS lunde kaj marde. Mi nur aldonu, ke en la kosmo oni povas trovi du objektojn ligitajn kun nia kara lingvo kaj majstro. Temas pri du asteroidoj nomataj Zamenhof kaj Esperanto. Provu observi ilin pere de teleskopo.

*Elizabeta Leonowicz-Frenszkowska*

## Informo por ekzameniĝontoj!

Mardon, kadre de la Paroligaj kurso de edukado.net (mezniveluloj, en la salono Sygnarski, je la 9a kaj 10a horoj) estas preparsesio por la UEA-ekzamenoj. Katalin Kováts, respondeculo pri la ekzamenoj, donos praktikajn informojn pri la novtipaj ekzamenoj kaj okazigos ekzercadon pri kelkaj tipaj eroj de la taskaro. La sesio estas vizitebla por ĉiuj, ne nur ekzameniĝontoj.

Surloke eblos ankoraux aliĝi al la ĉi-jara ekzamensesio, kies skriba parto okazos ĵaŭdon ekde la 11a horo.

*Katalin Kovats, KN: 1441*

## Preĝeja posttagmezo

Inspiran posttagmezon povis sperti kredantoj kaj muzikemuloj en la preĝejo St. Maria. Ĝi komenciĝis per katolika meso, kiu okupis iom pli ol la antaŭviditan tempospacon, certe ne nur pro la amaso da ĉeestantaj Esperantistoj, ampleksiĝinta per fervora pola subteno el la apuda kvartalo, sed ankaŭ pro la kanta ornamaĵo fare de kvinvoĉa virina koruso kaj profunde ampleksa prediko.

Jam antaŭ la fino atendis plusaj Esperantistoj muzikemoloj prezentiĝon de la sopranulino Clifford, kiu feliĉe ne tro frue alvenis. Ŝi kantis kelkajn piajn kantojn je por ŝi eble nekutima tempo kaj sub streĉo de la komenciĝonta ekumena diservo. Baldaŭ ŝi forlasis la podion apudorgenan. Tiun ŝancon kaptis la pastro ĉefo kaj komencis sian servon sen atendi antaŭludon kaj komencan kanton. Tiun tempospacon li poste plenigis per impone longa prediko. Tamen en la diservo kunlaboris muzike la kongresanoj 890 kaj 891 ĉeorgene kaj perflute. Kaj ankaŭ la kredantularo povis fine kontribui per la kanto “Ĝojo, bela Dia lumo”.

Pli longe ili ne povis resti en la preĝejo, ĉar oni jam preparis la komenciĝon de la kvina dimanĉa diservo pollingva en tiu ĉi preĝejo. Konsilo: Bonvolu estonte ne intermiksi koncerton kun diservo. Ili estas diversaj ĝenroj de la anima leviĝo, kaj intermiksado povas konfuzi deĵorantojn kaj klientojn.

*rfG*

## Aŭtoraj duonhoroj

Atentu jenajn modifojn/aldonojn:
**Marde** 17.00-17.30, Nikolaj Gudskov
**Ĵaŭde** 11.00-11.30, Pieter Jan Doumev

## Mallonge inter ni

Gratulon por nia kongresa gasto KN: 334 Gerardo Weber okaze de lia naskiĝdatreveno.

*De LKK*

## Programŝanĝoj

**La estraro** de la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) invitas ĝiajn anojn kunveni vendrede la 31an de julio de la 11.00 ĝis la 12.30 en la salono Privat. Tiu enkongresa kunveno estos malfermita al ĉiuj interesotaj kongresanoj.

**Koncerto enurba lunde vespere.** Je la 21h30 de lundo en la Urba placo apud la Urbodomo, okazos publika senpaga koncerto en du partoj. Estos unue muzikaĵoj por ĥoruso, komponitaj el poemoj de Auld, due la finalo de la IX Simfonio de Betoveno “Odo al Ĝojo” premiere kantita en Esperanto.

# La UK laboras plurmaniere, kaj pluretose...



94a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO - BJALISTOKO 2009



**Bonhumora Zamenhofano**
**Kongresa Kuriero**
**4**
**kuriero@co.uea.org** **mardo, 28a de julio 2009a**

# Plena erupto da novaj artaĵoj

Dum mi ĝuis la unuajn tagojn de la kongreso, jam aparta eco saltis al miaj okuloj kaj oreloj: la speciala riĉo de la artaj aranĝoj, kiu fakte ne havas precedencojn en la lastaj jaroj. Inter muzikotoj, kiuj dancas en la aer', homoj kiuj dancas en la scenej', ekspozicioj, folkloro kaj historio, ŝajnas ke ne eblas turni sin sen sin trovi fronte al artaĵa ero. Nur konsiderante la nombron de programeroj (pli ol 50!) oni povas imagi la amplekson de la ĉi-jara programado. Kaj se ni aldonas la elstaran kvaliton de la 27 danc- kaj muzikgrupoj, 9 teatraĵgrupoj, filmoj kaj multaj pliaj diversaĵoj, oni nur povas gratuli pri la impona kaj ege sukcesa laboro.

Unu el la plej entuziasmigaj momentoj okazis hieraŭ vespere, rekte en la centro de la urbo: sur granda scenejo, kaj fronte al plenŝtopita placo – kaj de lokaj bjalistokanoj, kaj de kongresanoj – la vortoj de la skota bardo leviĝis klare en la pola freŝa aero. Sep poemoj de William Auld plenigis la etoson, akompanataj per muziko speciale kreita de la bjalistoka komponisto Max Fedorov. Kaj jen la dua parto de la vespero: unuan fojon en la mondo, finalo de la 9a Simfonio d minora op. 125 de Betoveno, kun Esperanta teksto speciale aranĝita de Joanna Filipowicz-Choroszucha por 4-voĉa koruso kaj 4 solistoj. La publiko estis tute ravita de la kvalito kaj de la unikaĵo mem, pompa spektaklo de postkurantaj voĉoj de violono, aldo, perkutiloj kaj ĥoro.

Teatraĵe, elstaras la originala monodramo *Ludoviko-Lazaro*, kortuŝa historio de la plej fama bjalistokano. Sed ne pensu pri teda reprezento: danke al la artista lerto, vi estu certa ke vi ja amuziĝos ĝin spektante. Ekde la juneca periodo en la pola urbo, la verko alvenas ĝis la plej trafa sukceso de la internacia lingvo (hodiaŭ kaj ĵaŭde 13h30, ĵaŭde 18h00). Perfekta paro por la alia prizamenhofa teatraĵo: *Doktoro Esperanto*, de Mario Migliucci (ĵaŭde 10h30).

Ne forgesu eniri en la magian mondon de *Fasado*, kie pupoj kaj veraj aktoroj inter-agas kaj samtempe rolas (hodiaŭ 10h00 kaj 12h00).

Tiu ĉi subreala absurda sonĝo estis universale skribita por ke estu eble ĝin ludi ie ajn en la mondo, sen bezono de tradukoj.

Apartan mencion meritas la profesia kantistino Irena Urbańska, kiu forkaptis la publikon en la malnovan mondon de la judaj urbetoj, kiuj hodiaŭ ne plu ekzistas. La kantoj de juda ŝtetlo – speciale esperantigitaj por la kongreso – estis akompanataj de la fama Lesław Lic (i.a. pianludisto en la filmo *La listo de Ŝindler*). Kongresanino kiu spektis la koncerton, konfesis al *Bonhumora Zamenhofano* ke ĝi estis tiom kortuŝa ke ŝi ploris dum la tuta prezento. Se vi malfeliĉe maltrafis ŝian koncerton, vi havas okazon ĝui denove jidajn kantojn de la ensemblo Chanajki Klezmer Band (hodiaŭ, je la 20h00).

Bedaŭrinde spaco mankas por detale prezenti pliajn artaĵojn kaj mi petas la nemenciitajn ne ofendiĝi: ili ĉiuj estas elstaraj! Nur du vortojn mi aldonas pri *Domo sur la landlimo* (speciale esperantigita por ni) kaj *Bjalistoka babelturo* (speciale elpensita por ni). Ambaŭ havas fortajn rilatojn kun la internacia lingvo kaj la interna ideo. La unua groteske pritaksas limojn inter landoj, tiujn limojn kiujn Esperanto celas superi. La dua priskribas la multetnan etoson de la urbo Bjalistoko komence de la 20a jarcento, kelkajn jarojn post la kreiĝo de Esperanto.

Kaj nun... estas via vico ankoraŭ pliriĉigi la programon: se vi iel artumas, ne forgesu la *Artan Kafejon*. Vi havos eblon prezenti vian talenton! Hodiaŭ kaj ĵaŭde ekde la 21h30 ĝis la "nokto nokto-mez'"!

*Francesco Maurelli, KN 1765*



*Georgo Handzlik nin regalis per brile originala monodramo, kiun li prezentis per sia konata sprito kaj allogo, enplektante la publikon vive en la spektaklon.*



*Domo sur la limo groteske prirakontas la dramon de burokratio landlima, kiu elefante intervenas en la vivon de simpla familio. La escepto de la eventoj, la trafo de la traduko, la apudeco inter publiko kaj aktoroj, ĉio kontribuas al tiu ĉi neforgesebla spektaklo.*



*Impresis kortuŝe la prizamenhofa teksto de Migliucci, kiu per unu voĉo prezentis mult-role la kreon de nia lingvo tra la ĉe ni konataj epizodoj kaj per lertaj aŭtoraj teatraj eltrovoj. La teatraĵo, kiu jam fariĝis DVDa filmo, estos pro sia sukceso replikata ĵaŭde je la 10h30, ĉiam ĉe kafejo Fama, Legionowa 5.*



*Fasado. La tre ekvilibra koktelo de la du artaj ĝenroj de teatro kaj de pupoj estas la unua trafaĵo de tiu prezento. Ĝiaj vigla realigo, plensceneja bunto, lingve riĉa fantazio estas la pliaj ĝuindaj surprizoj por la publiko.*

# Esperanto ĝis 2059

En tiu ĉi Kuriero de jubilea jaro pri nia Majstro ni decidis demandi al kelkaj konataj esperantistoj kiel ili vidas la evoluon de nia movado en la venonta duonjarcento. Jen la tria el tiuj.

## Intervjuo al Gregor Hinker
### Prezidanto de TEJO



***Laŭ vi kiun plej gravan sukceson Esperanto povas esperi dum la venontaj 50 jaroj?***

Miaopinie la esperantistoj sukcesos sin establi je monda nivelo kiel aro de kompetentuloj por unuflanke internacia kompreniĝo kaj aliflanke lingvaj rajtoj; mi konsiderus tion sukceso, se pri tiuj temoj la mondo sin turnos al ni.

***Kion nia movado devas do fari por tion plej multe atingi?***

La movado estas per si mem vivanta ekzemplo de interkompreniĝo, kaj devas tion komuniki al la ekstera mondo. Male, la demando pri lingvaj rajtoj bezonas ampleksan intelektan prilaboron. La du kolonoj de nia aktiveco estu do la movada agado kaj aliflanke la interna pluevoluigo de niaj kompetentoj.

***Kiel laboras nuntempe TEJO por efektivigi tiujn du kolonajn agadojn?***

TEJO klopodas prezenti laborstrukturon al siaj landaj sekcioj kaj IM, per kio ili povas krei reton da kunlaboro, kaj spertiĝi sur praktika kaj teoria niveloj. Niaj membroj estas kreivaj kaj scivolemaj, tial nia tasko reduktiĝas al tio provizi la kadron: kutime ili mem agadas surbaze de ĝi.

***Kaj vi persone, kion vi opinias farenda por nia plisukcesado?***

Nia ĉefa defio estas konsciigi la ĝeneralan publikon pri problemoj pri kiuj ni konscias, sed kiujn ĝi ankoraŭ ne rekonis. La problemo de lingva egaleco estas kompleksa kaj malfacile alirebla por personoj kiuj ne havas sperton en internaciaj medioj. Simplaj sloganoj certe ne sufiĉos.

***Kaj kion TEJO prioritigas nuntempe?***

Nia granda pasintjara projekto estis la reformo de Pasporta Servo, kiu finiĝos ene de la venontaj monatoj. En la IJK TEJO deklaris ke estas strategia agadcelo okazigi IJKn en Afriko; per tiu projekto ni esperas plifortigi la lokajn tieajn movadojn kaj pliriĉigi la horizonton de nia tuta organizo. Krome ni laboras por restrukturado de nia reta komuniko, kaj starigo de konstanta komisiono pri IJK.

*Rikoltis intervjuon: **Bruĉjo Kasini***

# Kleriga lundo

Kimura Goro

## Esperanto-movado en diskutoj pri lingvaj rajtoj

Lingvaj rajtoj kaj Esperanto estas ofte grava paro. En tiu Ĉi programero oni diskutis pri la praktika rolo de Esperanto kiel ilo por protekti minoritatajn lingvojn kaj plifortigi lingvajn rajtojn.

Dalia Pileckienė

## Kiel mastrumi sian tempon

"Kiu el vi uzas de tempo al tempo la frazon `**Mi ne havas tempon por...**` parolante kun aliaj homoj?", demandis la prelegantino al la ĉeestantoj, tuj en la komenco de la sesio. Tiam ĉiuj ĉeestantoj levis la manojn.

Poste, laŭlonge de la sesio, la prelegantino klopodis pruvi al la partoprenantoj kaj konvinki ilin, ke tiun ĉi "malĝustan" frazon ili povos tute ne uzi, kondiĉe ke ili sukcesos PLANI sian tempon. En tre interesa maniero kaj bonetose, akompanate de aktualaj UK-aj ekzemploj, ŝi montris ke per bonaj **organizado, administrado kaj kontrolado** ni kapablas mastrumi nian tempon. La konkludo de la prelego estis: "Ni havas sufiĉe da tempo, foje eĉ tro..."

*Josef Ŝemer, KN: 235*

Kimie Markarian, Tahira Masako

## Sorobaneca mensa kalkulado

Bona ekzerco de via cerbo estas aparte grava por resti junaj! Kiu plej bona maniero ekzerci per sorobano, japana kalkulilo? En la programero, la prelegantoj prezentis tiun malnovan ilon kiu tamen ankaŭ nuntempe havas sian ĉambron kaj utilon.

Cyrille Hurstel

## Kiel organizi eventon kun interpretado

Interpredado estas buŝa tradukado. Por atingi kvaliton vi bezonas bone prepariĝi kiel interpretisto. Vi povas uzi plurajn teknikojn: ekzistas samtempa kaj sinsekva interpretado.

La interpretisto klopodas redoni 80% de la origina enhavo; li devas zorge plani la laboron. La seminario pritraktis multajn eblecojn de interpretaj situacioj.

La preleganto preparis konkretajn kazojn kie interpretado estis bezonata. Ekzemple: en Rusujo okazas simpozio pri komerco; ĉeestas Madelein Albright kaj du eksterlandaj Esperanto-parolantoj. Kiel vi planos la interpretadon de tiu ĉi evento?

*Kristin Tytagat, KN 432*

Anna Lowenstein

## Se vi organizus la unuan kongreson

La ideo de Anna Löwenstein estis originala. Ni forgesu dum momento pri la 94-foja tradicio de la Universalaj Kongresoj kaj rekomencu ĉion ekde la komenco. Alivorte, ni imagu ke Esperanto ekzistas de nur kelkaj jaroj kaj ke ni devas plani la unuan kongreson de la esperantistoj.

Tiun ĉi virtualan temon vivoplene debatis la trideko da partoprenantoj en la lunda kunveno. Tre realece ili konsciis, ke la cirkonstancoj tute ŝanĝiĝis de post 1905: la emoj de la homoj kaj la teknologia evoluo kreis antaŭe ne imageblan novajn situaciojn.

La baza dilemo estas: ĉu havi distancan aŭ fizikan kuvenon? La avantaĝo de distanca kongreso kuŝas en tio, ke la hodiaŭaj reta kaj persatelita sistemoj ebligas partoprenon al ĉiu el la propra loĝejo aŭ el loka kunvenejo, evitante investon de tempo kaj elspezojn por vojaĝado kaj restado en fora kongresurbo. Aliflanke, tio ne kontentigas la bezonon de persona komunikado en komuna lingvo, kiu aldone esprimiĝas ankaŭ per personaj neparolaj sintenoj, mienesprimoj kaj gestoj. Por atingi tiun celon necesas fizika kongreso. Alternativo estus havi samtempe ambaŭ tipojn de kunveno.

Se temas pri celoj kaj programoj de la supozata unua kongreso, la diskuto evidentigis longan liston de proponoj kaj ideoj. Fakte, la kongreso devus samtempe atenti kaj la internajn bezonojn de la esperantistoj kaj la eksterajn rilatojn kun la neesperantista popolo. Rilate al la esperantistaj celoj, apartan konsenton ricevis la ideo pri konversaciaj kursoj por komencantoj.

Neeviteble, la diskuto glitis al la nunaj UK-oj. Multaj estis la koncernaj proponoj, sed ili riskas resti je teoria nivelo, ĉar ilia apliko bezonus la prizorgon fare de respondulo, kiu tra la jaroj okupiĝu ne nur pri administraj kaj rutinaj aspektoj, sed ankaŭ pri ĉiaj demandoj ligitaj al planado de moderna kongreso, kun aparta atento al la esperantista realo. En ĉiu kazo tre utilas la okazanta enketo inter la kongresanoj pri iliaj ŝatoj kaj malŝatoj rilate al la programoj de la UK.

*Gian Carlo Fighiera*

Mark Fettes

## Manifesto de Prago en la 21a jarcento – ŝancoj kaj defioj

Manifesto de Prago estas esenca dokumento por la esperantistaro. Tamen, ĉu ĝi ankoraŭ estas aktuala? La mondo ŝanĝiĝis dum la lastaj 13 jaroj kaj interreto havas ĉiam pli grava rolo. En la kunveno oni diskutis pri eblaj ĝisdatigoj kaj daŭra aktualeco de la kernaj ideoj priskribitaj en la Manifesto.

Kristin Tytgat

## Unu lingvo - malsamaj kulturoj

Tre multaj homoj partoprenis tiun sesion. Tio ne povas mirigi, ĉar esperantisto konfrontiĝas kun kulturaj diferencoj en Esperantujo.

Komunikado konsistas el lingvaj informoj, sed ankaŭ grandparte el neparolaj elementoj. Gestoj, tuŝoj kaj okulkontakto povas forte influi la dialogadon.

Por sukcese vivi kun kulturaj diferencoj ni devas unue konsciiĝi pri la normoj kaj valoroj de nia propra kulturo, poste interesiĝi pri tiuj de la alia kulturo kaj finfine, plej grave, difini proprajn limojn inter la du kulturoj kaj lingve komuniki pri ili.

Ĉar 90% de la komunikado estas implicita, estus konsilinde ke esperantistoj lingve komuniku pri tiuj neskribitaj reguloj de interparolado, kie eblas. Nur tiel ni povas pli facile kompreni unu la alian kaj samtempe unu la alian pli respekti.

Konklude: temas ĉi tie pri tereno esplorinda por esperantistoj.

# jen ĉiuj raportoj

Hannes Larsson

## Distraj matematikoj

Por unu horo kaj duono, en salono Cseh oni diskutis pri paradoksoj, famaj teoremoj kaj anekdotoj pri matematiko. La prezentitaj eroj devenas el diversaj tempperiodoj, ekde la komenco de matematiko kaj filozofio ĝis la ĵusaj jaroj. Famaj estas la paradoksoj de Zenone: ekz. la rapidega Aĥilo neniam atingos la malrapidan testudon! Kaj la fama kretano kiu asertis: "Mi estas mensogulo!" Ĉu li diras la veron aŭ la malveron? En ambaŭ kazoj ni alvenas al kontraŭdiro. Post kelkaj informoj pri ora ortangulo kaj pri la serio de Fibonacci, ni alvenas al la pasinta jarcento, kun la teoremo de Fermat. Li verkis tre simplan teoremon, sed ne publikigis la pruvon, dirante: "Mi konas tre elegantan solvon, sed ĝi ne povas eniri en la malgrandaj marĝenoj de la paĝo". Kvankam la konjekto estas ege simpla, multaj sciencistoj strebis tion pruvi kaj nur lastatempe tio eblis, per plurcent-paĝa pruvklarigo.

*Francesco Maurelli, KN 1765*

István Ertl, Brian Moon

## Ĉu vi iĝus oficiala tradukisto pri Esperanto?

En Esperantujo troviĝas multaj opinioj pri tradukado en EU. Dum la kleriga lundo okazis sesio, kie oni mem rajtis provi traduki aŭtentikan EU-dokumenton en Esperanton. Tio ne facilis. Ĉu havas sencon diri ke "multaj el la plej minacataj specioj estas minacataj"? Kion pri "multaj el la plej difektiĝemaj specioj estas en danĝero"? Kiel bone peri la penson de teksto, kaj kiujn konsekvencojn havas la elekto de vortoj?

La ĉeestantoj grupiĝis laŭ gepatra lingvo, kaj ĉiu grupo ricevis la respondan tradukotan dokumentversion. Rezulte, la grupoj trovis tre diversajn solvojn por la Esperanta traduko. Tamen ankaŭ ene de la unuopaj grupoj okazis vigla diskutado, ekz. ĉu oni "pritaksas", "interpretas" aŭ "prognozas" aferon. Unu sama vorto en unu lingvo povas respondi al aro da vortoj en la cellingvo, sed kiun vorton oni elektu?

La problemo evidentiĝis ankaŭ tiel, ke malsimilis eĉ la rektaj tradukoj el la (nekonata) originala lingvo en la diversajn eŭropajn lingvojn, surbaze de kiuj la grupoj laboris. Alivorte: eĉ unuŝtupa tradukado malfacilas.

*Jardar Eggesbø Abrahamsen, KN: 1709*

Yves Nicolas

## Kiel organizi prelegvojaĝojn

Kiel parto de la lundkleriga programo okazis en Salono Fighiera-Sikorska la programero 'Kiel organizi preleg-vojaĝojn?' Partoprenis pli ol 40 geesperantistoj, inter kiuj pluraj spertintoj de prelegvojaĝoj. Okazis sperto-interŝanĝo pri pozitivaj kaj negativaj flankoj, mispaŝoj en la organiza flanko, kunlaboro kun aliaj enlandaj organizaĵoj ekster la Esperanto-medio, k.a.

La programeron gvidis Yves Nicolas el Francio, kiel sperta organizanto de prelegvojaĝoj, kiu enketis pri la diversaj spertoj, kaj de organizintoj nome de landaj organizaĵoj el Germanio, Francio kaj Japanio, kaj de prelegintoj. Kiel konkludo evidentiĝis ke ja utilas tre multe la realigado de prelegovojaĝoj se konsideri la temon, la devenlandon kaj la kluban vivon, kaj en lokoj, kie kluboj ne estas nombraj, gravas la eblo starigi kunlaboron kun aliaj ekstermovadaj asocioj kaj kluboj neesperantistaj.

Utilas kiel konkreta maniero praktiki interkulturajn konatiĝon, amikecon, solidarecon, prezenti la lingvon kiel komunikan vehiklon kaj informi pri ĝi ankaŭ la eksteran publikon kaj amaskomunikilojn. Jen konkreta atingo pri kiuj elstaras landaj organizaĵoj de Francio, Germanio kaj Belgio, sed ankaŭ menciindas aliaj kiel Japanio kaj Svedio.

*Maritza Gutierrez, KN: 1467*

Humphrey Tonkin

## UEA ĉe UN – UN ĉe UEA

Eksteraj rilatoj estas kerna agado ene de UEA, por prezenti la asocion al la ekstera mondo. Per tiu ĉi programero oni ĝisdatigis la ĉeestantojn pri la nunaj rilatoj kun UN kaj Unesko. Sur la podio ne nur staris la oficiala preleganto, sed ankaŭ aliaj elstaraj esperantistoj kiuj multe kontribuis al plifortiĝo de tiuj rilatoj. La publiko estis tre interesita kaj la debato pri estontaj agadoj montris ke la temo estas pli ol aktuala.

Elisabeth Schwarzer

## Interkompreniĝo malgraŭ miskomprenoj

Dialoga forumo pri interkompreniĝo malgraŭ miskomprenoj inter okcidentanoj kaj orientanoj kunvenigis ĉ. 30 kongresanojn ĉefe de Eŭropo kaj Japanio. En specifa memmastruma dialoga forumo laŭ D. Bohm ni malrapidigis la komunikadon, pli atentis unu al la alia kaj montris pli konscie respekton por aliaj spertoj kaj vidpunktoj. Por azianoj ofte malfacilas kompreni specifajn diferencojn inter okcidentaj kaj orientaj eŭropanoj.

Laŭvorta kompreno ekz. povas kaŭzi grandan konfuzon, se unu partoprenanto aŭdas instigon laŭlitere sen atento al la socia interrilato (unu homo mankis fine de ekskurso). La libera formo de tia dialoga forumo entenas danĝeron de tema devojiĝo - kio povas esti esenca indikilo: nome pri kio homoj komune silentas.

Dezirindas pli da okazoj por tia novstila interŝanĝo de spertoj kaj vidpunktoj egalrajtaj en grupo.

Ana Montesinos

## Ni lernu ludante

Kiu diras ke lerni lingvon devas esti teda afero? Ana Montesinos prezentis plurajn ludajn manierojn pligrandigi nian scion pri Esperanto! Lerni lingvon devas esti plezuro kaj la preleganto montris kiom efika estas lernado per ludoj.

François Bartsch, Cyrille Hurstel

## Triopa krizo. Kio kaj kien?

En la nuna momento, la terglobo devas alfronti grandan krizon. La prelegantoj sukcese prezentis tri diversajn aspektojn de tiu krizego: medio, energio kaj ekonomio. Kvankam oni jam sciis ke la krizo estas alvenanta, oni ne prepariĝis por efektive mastrumi ĝin. Tamen, el la debato evidentiĝis kelkaj eblaj solvoj kiuj certe almenaŭ helpos limigi la damaĝojn.

François Simonnet

## Ni kune relegu la Bulonjan Deklaracion pri Esperantismo

La lasta kunveno de la Kleriga Lundo, pri la Deklaracio pri la Esenco de la Esperantismo, okazis gvidate de Francisko Simonnet el Francujo en la salono Fighiera-Sikorska. Pro gravaj teĥnikaj malfacilaĵoj la kunveno komenciĝis kun malfruo, pro kio iuj venintoj antaŭe foriris, kaj mankis la unua paĝo de la preparita demandaro. Respondojn al la kelkaj unuaj demandoj skribe lasis dek homoj el ses aŭ sep landoj. Ok sciigis per laso de adreso sian deziron daŭrigi la komunan pripensadon. Ankaŭ bonajn konantojn de la Deklaracio atenta legado de tiu, kvankam nur parta, ekkonsciigis pri demandoj por ili ne-atenditaj. Kiu deziras ricevi la demandaron, sin turnu al Francisko Simonnet, KN: 189, ĝis vendrede tagmeze, aŭ poste perrete <frasimo@gmail.com>.

## Subteno por edukado.net

Por la rekonstruo de la instruista paĝaro eblas donaci monon ĉe la UEA-kaso (al konto smikn) aŭ rekte dum la lecionoj de edukado.net. Ni invitas ĉiujn interesiĝantojn pri instruado al la Pedagogia Foiro, kie krom la jam listigitaj programoj (Kongresa libro paĝo 56) ni aŭkcie vendos 5 numerigitajn Zamenhof-portretojn, desegnitajn de la artisto Richard Wagner, kun celo subteni la rekonstruon de la retejo. Venu vendredon tagmeze al la salono KABE!

*Katalin Kováts, KN 1441*

## Helptelefono - korekto al KL

En la kongresa libro la numero de help-telefono estas erare skribita. Ĝusta numero estas 664 171 168.



La unua helpopeto, kiu venis al nia Tekefona Helpo en Esperanto estas de tiu ĉi kartvela patrino kiu, kun sia infano, sukcesis rifuĝi al Pollando.

Laŭleĝe ŝi, kun la 3-jara infano, estis loĝigita en Rifuĝejo, je minimumaj kondiĉoj, kaj kie plejmulte troviĝas gentanoj agresemaj al kartveloj.

Polaj esperantistoj jam helpis ŝin plurrilate, kaj ankaŭ partoprenigi ŝin al la UK, sed ŝi, kun la infano, bezonus pli definitivan loĝsolvon, ankaŭ kompense de laboro.

# TEVA ree malfermita al la publiko

Konfirme al sia politiko de malfermiĝo, TEVA organizis seminarion pri vegetarismo invitante ne nur esperantistojn, sed ankaŭ polajn vegetaranojn kiuj ankoraŭ ne konas la internacian lingvon.

La sukcesa aranĝo okazis dum la unua tago de la kongreso kaj konsistis el kvar prelegoj pri diversaj aspektoj de vegetarismo. Francesco Maurelli prezentis la malbonan influon de viandmanĝado sur la medio. Loka vegetaranino, Magdalena Wasiluk, prelegis pri la pola vegetara movado, kiu kreskis ĉefe el aktivado por bestprotektado. Christopher Fettes rakontis pri la historio de TEVA kaj ĝiaj ligoj kun la Internacia Vegetarana Unuiĝo. Heidi Göes prezentis la belgan urbon Gent, la unua en la mondo kiu lanĉis oficiale semajnan vegetaran tagon.

Ĉiuj prelegoj kaj la debato estis interpretitaj al/el la pola el/al Esperanto, por permesi al la esperantistoj kaj lokaj vegetaranoj bone interkompreniĝi. La plej grava sukceso de la aranĝo estas fakte kunveni kun lokaj vegetaranoj kaj ne resti fermitaj en nia ronda familio.

Plia aranĝo de TEVA dum la UK estas la jara kunveno, kiu okazis hieraŭ. Inter la temoj pritraktitaj, oni pridiskutis la agadon de la asocio en la pasinta jaro kaj estontajn planojn, cele al kunlaboro kun vegetaranaj asocioj. Hodiaŭ vespere okazos komuna vegetara manĝo. La interesitoj povas grupiĝi ekster la akcepteja konstruaĵo je la 19h15 aŭ mem atingi rekte la restoracion, je la 19h45 (rigardu la informan tabulon pri detaloj). Por pliaj informoj pri TEVA kontaktu Heidi (KN 720), Ĝenerala Sekretario de la asocio.

*Francesco Maurelli, KN: 1765*

# La riĉa kultura programo ĉe kafejo Fama

Ĉijare la internacia arta vespero aspektos malkutima kompare kun la tradiciaj de la UKoj, tiel kiel jam estis en 1987 en Varsovio. La esperantistoj kiuj deziras prezenti sian arton havos du eblojn tion fari en la arta kafejo Fama, strato Legionowa 5; la du spektakloj okazos hodiaŭ kaj ĵaŭde de la 21h30 ĝis la 24h00.

En la sama loko okazos la monodramo "Ludoviko-Lazaro" de kaj kun Georgo Handzlik (marde 13h30, ĵaŭde 13h30 kaj 18h00), la monologo "Doktoro Esperanto" de kaj kun Mario Migliucci (ĵaŭde 10h30), la kabaredo Lumbago (marde 15h00) kaj la Akademio literatura de Esperanto marde 16h00). Sed la esperantistoj estos bonvenaj tie ĉiutage ĝis malfrua nokto.

# Arĥitektura Politeĥniko

Paralele kun la UK-o komenciĝis kaj daŭras ĉe Arkitektura Fako de Bjalistoka Politekniko ŝutado de mandalo por la monda paco. Kelke da tibetaj monakoj pere de sablo pentras okkoloran mandalon 'jamantaka' por venki la morton. La ceremonion akompanas video-filmoj, koncertoj, prelegoj kaj ekspozicio: "Tibeto - savi de forgeso". Detaloj, en la pola kaj angla lingvoj, troveblas sur la anonctabuloj de la informejo.

Valoras ankau ekscii ke la spirita kaj politika gvidanto de tibetanoj, Dalajlamao XIV, ĵus alvenis al Pollando, kie marde ĉe Varsovia Universitato lekcios pri "Valoroj de edukado kaj universala respondeco" kaj la venontan tagon fariĝos honora civitano de Varsovio.

*Kristoforo Śliwiński,*
*Muzeo pri Azio kaj Pacifiko*

# Poŝtkartoj de Sarramëa

La serio de 10 malsamaj poŝtkartoj desegnitaj por la poemoj de Jean Sarraméa estas nun dissponebla en Esperanto. La poŝtkartoj, kies vendoprezo estas 1 € por elekto de 5 pecoj, estas videblaj ĉe la renkontiĝtabulo. Informojn donas s-ino Annie Collomb (KN 693) kaj familianoj Prezioso (KN: 704, 705, 706).

# Medicinista konferenco

Lunde, la 27an de julio, inter la 10a kaj 14a horoj en la Palaco Branicki (Aula Magna) okazis scienca konferenco de UMEA. Ĉeestis ĉ. 40 gekolegoj el 12 landoj. Unue la vicrektoro de la Medicina Akademio salutis la partoprenantojn.

D-ro N.I. Ŝigajev prelegis pri la kuracado de akutaj kapdoloroj. Krome li prelegis pri la stomaka malsano kaŭze de "Helicobacter". D-ro W. Opoka en sia prelego menciis kelkajn gravajn elementojn, kiel zinko, magnezio, selenio.

Grandan atenton ricevis la prelego de prof. R. Saches, kiu parolis pri sia scienca agado en Afriko dum ses jaroj. Li prezentis tre interesajn fotobildojn. S-ino Katarina Faragó konigis siajn rezultojn per la Yumeiho-terapio pri movorganaj malsanoj.

Fine d-ro I. Ferency anoncis ke UMEA daŭrigos sian laboron en la jaro 2010: somere en Szeged kaj Hódmező-Vásárhely (Hungario) okazos la internacia konferenco de la esperantistaj medicinistoj.

Estas menciinde, ke en la palaco Branichi estas videbla ekspozicio "Zamenhofoj en medicino".

Por la konferenco UMEA eldonis belaspektan 84-paĝan konferencan libron en tri lingvoj (Esperanta, pola, angla) kun resumo de la prelegoj. Samtempe aperis la plej freŝa n-ro de Medicina Internacia Revuo.

*D-ro Imre Ferenczy, KN: 039*

# Lariko - Ludoviko

Fine de junio okazis en la pola urbo Olsztyn (la ĉefurbo de la regiono Varmio - Mazurio) la Forumo de Esperanta Kulturo nomata FREŜO 2009. En ĝi 75 esperantistoj el kelkaj eŭropaj landoj plantis en la arbarĝardeno arbeton – larikon – omaĝe al Ludoviko Zamenhof, okaze de lia 150-a naskiĝdatreveno. La arbeton oni nomis "lariko-Ludoviko".

Venu al Olsztyn en la arbarĝardeno, troviĝanta proksime al la urbo, por rigardi kiel kreskas lariko-Ludoviko.

*Elizabeta Leonowicz-Frenszkowska*

# Programŝanĝoj

## UEA-ekzamenoj

C1-nivelo: salono Cseh – 11:00
B2-nivelo: salono Belmont – 11:00
B1-nivelo: salono Belmont – 11:30

Ni petas la kandidatojn esti en la indikitaj lokoj je 10 minutojn pli frue ol la komencotempo.

Necesas antaŭe aliĝi kaj pagi la kostojn ĉe la UEA-kaso. Bv. kunpreni la pagkvitancon.

## Doktoro Esperanto

Pro la sukceso, la teatraĵo de Mario Migliucci estos replikata ĵaŭde je la 10h30 ĉiam en kafejo Fama, Legionowa 5.

## Tago de la Lernejo

La programero "Tago de la lernejo" okazos ne en la anoncita salono, sed marde matene de la 09h00 en salono Brozović, kaj posttagmeze de la 13h00 en salono Lapenna.

# Mallonge inter ni

## De Murmano

Akceptu gratulojn okaze de malfermo de 94a Universala Kongreso de Murmanska Esperanto-klubo "Murmano" nome de A. Masjukas! Ni salutas ĉiujn gekongresanojn kaj georganisantojn. Sukcesojn dum fruktodonaj laboroj al Olga, Nadja kaj Lena el nia malvarma regiono de tre varmegaj koroj de la geesperantistoj! Amike, estraro de EK "Murmano".

*lambdada@mail.ru*

## El Argentino

Karaj kongresanoj,

ni ĝojas pro la malfermo de la 94-a Universala Kongreso de Esperanto en Bjalistoko.

Nome de Argentina Esperanto-Ligo mi deziras al Universala Esperanto-Asocio, al la lokaj organizantoj de la kongreso kaj al ĉiuj partoprenantoj plenan sukceson kaj fruktodonan laboron.

*Silvia Rottenberg*
*Prezidanto de Argentina Esperanto Ligo*

## Esperanto-monumento, baldaŭ

En la kongreso aperis la reprezentantoj de la Esperanto-urbo Herzberg/H. (Germanio), s-ro Peter Zilvar kaj s-ino Zsofia Korody, el kiuj nia "Kuriero" eksciis, ke nova granda Esperanto-monumento estas konstruota en centra loko de la urbo. La projekton preparis la Asocio de Esperantistaj Konstruistoj.

*G. C. Fighiera*

## Alvoko

Ĉu ĝi valoris milojn da steloj, sen ke mi scius pri tio? Ĉu okazas komerco pri nomŝildoj de gravuloj? Ĉu entute mi estas gravulo? Aŭ ĉu mi havas malamikojn inter la trovintoj, la kongresanoj aŭ mi ne scias kiuj? Ĉiukaze mia nomŝildo malaperis!

Mi ne portis ĉi-dimanĉe la kamembertan "President" simple ŝerceme!

Antaŭdankon por ĉiaj informoj pri ĝi! Aŭ eĉ, revu mi, pro redono al mi (per la akceptejo, prefere).

*Aleks Kadar, KN: 492*

## De Libano

De Libano, lando de amo kaj beleco, patrujo de antikva radianta kulturo, mi profitas la okazon de la 94-a UK de Esperanto en Bjalistoko, por sendi nome de Libana Esperanto-Asocio kaj mi persone tutkorajn kaj varmajn salutojn kaj bondezirojn por pli prospera kaj plensukcesa kongreso.

*prof. Salah Ghanem,*
*Prez. de Libana Esperanto-Asocio*

## Trovita mono

Post la Nacia Vespero estis trovita sumo da mono. Kiu ĝin perdis bonvolu sin turnu al la Informejo de la UK.

# Pli ol naŭmil libroj

Strange! Multaj kongresanoj ne scias kie troviĝas la libroservo!

Eĉ se pluvas, oni povas veni kaj viziti sen timo pri malsekiĝo. De la elirejo de la Kongresejo estas nur 210 paŝoj! Meritas viziti, elekti el pli ol naŭmil libroj kaj trovi la plej ŝatatajn!

Aldone estas multaj interesaj KD-j, DVD-j, insignoj, ĉemizoj, flagoj, ktp. Ne perdu la okazon ĝui la plej abundan Esperantan bazaron!

*Julia Sigmond , KN: 513*

94a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO - BJALISTOKO 2009




# Bonhumora Zamenhofano
## Kongresa Kuriero 5

kuriero@co.uea.org merkredo, 29a de julio 2009a


# Novaj lerntehnologioj kaj Esperanto



La Tago de la Lernejo okazis mardon, la 28-an de julio, en la salonoj Brozović kaj Lapenna inter la horoj 9-15 havante la ĉi-jaran temon: ***Novaj lerntehnologioj kaj Esperanto.***

Malfermis la programon s-ro Mihai Trifoi, la organizanto kaj gvidanto de tiu kongresero. Per kelkaj enkondukaj vortoj li anoncis la strukturon de la TdL-programo kun ĝiaj tri partoj: **I. Enkonduka parto** (9.00-9.25); **II. Unua serio de prelegoj** (9.25-12.45); **III. Dua serio de prelegoj** (13.00-15.00), kaj petis la prezentantojn respekti la rezervitan tempon.

Sekvis la **Enkonduka parto, la salutoj** fare de: d-ro Duncan Charters, nova vicprezidanto de ILEI, s-ino Claude Nourmont, vicprezidanto de UEA kaj UEA-observanto ĉe ILEI, s-ino Magdalena Tatara, nome de la Pola ILEI-Sekcio, kiu faris ankaŭ mallongan prezenton pri la eduksistemo en Pollando.

Dum la **Unua serio de prelegoj** la ĉeestanta publiko havis la plezuron aŭskulti kelkajn inter la plej famaj kaj spertaj esperantistoj:

– d-ro Humphrey Tonkin el Usono prelegis pri: ***Universitataj studoj pri Esperanto en teknike kunligita mondo***;

– d-ro Renato Corsetti el Italujo prezentis la prelegon: ***Bonaj radikoj por bona lernolibro, utiligante la novajn komputilajn eblecojn***;

– d-ro hab. Ilona Koutny el Pollando: ***Novaj direktoj en la formado de e-instruistoj***;

– d-ro Maŭro La Torre el Italujo: ***«Lingva lernado kaj teksto-statistiko»***;

– s-ino Lucille Harmon el Usono: ***«Kiel ni povas uzi la reton por reklami Esperanton kaj helpi al la instruado de Esperanto»***;

– d-ro Duncan Charters el Usono: ***«Nova teknologio por instruado de Esperanto kaj per Esperanto***;

– s-ro Tomaž Longyka el Slovenujo: ***La Zagreba lernolibro por komencantoj – analizo bazita sur personaj spertoj***;

– s-ino Irena Szanser el Pollando (prezentita de Nina Danylyuc): ***«Parolgenerilo – semantika lingva modelo por krea instruo de la lingvo»***;

– s-ino Zsófia Kóródy, ILEI-estrarano pri instrukapabligado kaj edukaj centroj, Germanio: ***Ne nur virtuala amikeco: Comenius-projekto kaj ĝemelurbaj kontaktoj de lernejoj en Herzberg.***

Sekvis kvaronhora paŭzo (12.45-13.00).

Dum la **Dua serio de prelegoj** (13.00-15.00) okazis aliaj tre interesaj prezentoj:

– s-ro Ed Borsboom el Nederlando: ***La Cseh-metodo estas tre vivanta***;

– d-ro Seán Ó Riain, irlanda diplomato, Bruselo: ***La ekonomia krizo kaj lingvolernado: ĉu oportuno / ŝanco por Esperanto?***;

– s-ino Maria Majerczak el Pollando: ***Perreta partopreno en E-kursoj de Jagelona Universitato – informo, materialo-specimenoj***;

– s-ino Angela Tellier el Britujo (prezentita de Tim Morley): ***«Lingvolanĉilo / Teknolanĉilo»*** ;

– s-ro Stano Marèek el Slovakio: ***Esperanto per rekta metodo / Lerniloj kaj didaktikaj materialoj de Stano Marèek***;

– prof. Julián Hernández Ángulo el Kubo: ***Survoje al pli efika lingvokompetento pere de modernaj lerniloj.***

Post la lasta prelego, s-ro Mihai Trifoi kaj Duncan Charters dankis al la ĉeestantoj por partopreno kaj fermis la TdL-programon.

Entute prezentis siajn spertojn, idejojn, produktojn aŭ sugestojn 15 prelegantoj el 10 landoj. Vizitis la salonon dum la Tago de la Lernejo preskaŭ 100 esperantistoj.

Gvidis la programon: Mihai Trifoi, Jennifer Bishop kaj Maŭro La Torre.

Protokolis: Luigia Oberrauch Madella kaj Anna Maria Colacicchi.

***Mihai Trifoi,*** *Lerneja Komisiono de ILEI*
***Duncan Charters,*** *Vicprezidanto de ILEI*



# Esperanto ĝis 2059

En tiu ĉi Kuriero de jubilea jaro pri nia Majstro ni decidis demandi al kelkaj konataj esperantistoj kiel ili vidas la evoluon de nia movado en la venonta duonjarcento. Jen la kvina el tiuj.

## Intervjuo al Probal Daŝgupta

Prezidanto de UEA



*Laŭ vi kiun plej gravan sukceson Esperanto povas esperi dum la venontaj 50 jaroj?*

Mi ĉiam funkcias kun du hipotezoj – la maksimuma kaj la sekureco-zona. La maksimuma hipotezo A por Esperanto estos subita internacia steliĝo – kaj ni ne havas la aparaton por digesti tion, ĉar ni estas tre sukcesaj regurdantoj de la sekvoj de daŭra stagnado, ni tute ne estas psike pretaj por eĉ malfina venko. La sekureco-zona hipotezo B estas, ke Esperanto restos inter la noblaj hobioj, kaj ke sufiĉe da homoj aliĝados al ĝi laŭ ritmo ne tro malsimila al la nuna. Ambaŭ scenaroj estas laŭ mi sukcesaj scenaroj.

*Kaj kion nia movado devos fari, laŭ vi, por atingi tiujn sukcesojn?*

Kiel Alico en "Tra la spegulo" lernis de la ruĝa reĝino, por resti en unu sama loko, oni devas rapide kuri; por antaŭeniri, oni devas multe pli rapidege kuregi. La Esperanto-movado devas daŭrigi la nunan ritmon de kurado – optimuman por ĝia sano – por atingi scenaron B. Por scenaro A ni simple devas atendi, ke la manao falu el la ĉielo. Tio povas okazi iam ajn, kaj estos draste embarasa, sed ni ja vivas en neperfekta mondo, kaj eĉ fina venko povas okazi, same kiel tertremoj, cunamoj kaj inundoj.

*En sama ritmo, kiujn iniciatojn do ni elprenu?*

En la nuna estrara mandato UEA moviĝis de la Eŭrop-unia lobiejo al tiu de Unuiĝintaj Nacioj kaj Unesko. Estas multe pli klare, kiamaniere procedi, se ni volas daŭrigi la nunajn pozitivajn rilatojn kun Unesko kaj kun la NRO-komunumo, ol kion fari en Bruselo. Do laŭ mi estas bona ideo daŭrigi kaj pliprofundigi nian nunan strategion. Bedaŭrinde ni estis tro okupitaj pri la fasonado de tiu strategio en la ĵusaj du jaroj por povi klarigi al nia interna publiko kion ni faras. Mi devos mendi pri tio intervjuon kun Kalle.

*Tio je nivelo de instancoj. Kion plie la unuaopulo, la loka grupo devas entrepreni tiuvoje?*

Ion inspiran – kaj tasko-klarigan – mi esperas povi diri en la nun definitivigata ferma parolado, kaj estos maljuste al la homoj, se mi jam en tiu ĉi intervjuo resumos la ferman paroladon! Sed sendepende de tiuj miaj lastatagaj vortoj, mi diru jam nun, ke la unuopaj esperantistoj devus multe pli ol nun aliri siajn naciajn Unesko-komisionojn kaj kunagi kun la naciaj filioj de diversaj NRO-oj. Ni simple ne havas sufiĉe da konstantaj aliancanoj inter la ekologiemuloj, la inistoj, la sanprofesiuloj, la helpantoj de malriĉuloj, la helpantoj de handikapitoj, la alternativaj edukantoj kaj aliaj internacie gravaj agantaroj. Se ni parolas al ili, ni kutime provas simple vendi Esperanton. Se ni ne aĉetos iliajn varojn, ili ne aĉetos la niajn.

*Kaj ĉu vi taksas la nunan interrasiĝon de Eŭropo kiel valoro utila al nia movado?*

Laŭ mi la esperantistoj tro rapide supozas sin mem senrasismaj. Ni devas ĉiam aparte fortostreĉi por ekkonscii pri la alieco de aliaj, kaj por bonvenigi la aliulojn kiel aliulojn. Tiuj eŭropanoj, kiuj volas bonkore diri al la novaj envenintoj "vi estas ĝuste kiel ni", ne vidas en sia inkluzivemo la komencon de asimilemo, kiu – se oni kuraĝigas ĝin – fariĝas speco de kultura kaj lingva genocido, kiu tamen tre mole kaj komforte traktas la individuojn, de kiuj oni forprenas la respekton por sia devena lingvo. En Eŭropo, ni bezonas multe pli da esperantistoj en Italujo (rideto al la intervjuanto) aŭ Belgujo aŭ Nederlando, kiuj sendas al la novaj enmigrintoj la signalon "Ni tre interesiĝas pri via devena kulturo/lingvo". Tio ne eblos, se multe pli da esperantistaj eŭropanoj ne mem okupiĝos serioze pri la lingvoj kaj kulturoj de la tria mondo. Vidu pri tio mian antaŭparolon al Fraŭlino Maitreyi (havebla en la kongresa libroservo).

*Rikoltis intervjuon: **Bruĉjo Kasini***

# La kongresa temo 2009

## Enkonduko de H. Tonkin

Zamenhof, en kies naskiĝurbo ni nun kunvenas, estis pli ol kreanto de lingvo. Kune kun tiu lingvo li kreis movadon, Esperanto-komunumon. Per sia traduka laboro li kreis senton de komuna pasinteco en la plej grandaj atingoj de la homa spirito, kiuj tiel fariĝis komuna parto de Esperanto-kulturo.

Li kreis por sia lingvo lingvan historion, selektante esprimilojn por la komuna homa sperto el la ekzistantaj lingvoj de la mondo. Per sia Homaranismo li proponis lokon en la homa kredo kie povu renkontiĝi la religioj de la mondo por trovi komunan grundon. En sia kontribuo al la Kongreso de Rasoj en Londono en 1908 li denuncis tion, kion hodiaŭ ni nomus rasismo. Li faris ĉion ĉi kun eksterordinara sentemo pri tio, kio dividas la homojn, kaj tio, kio unuigas ilin. Kaj li faris tion kiel fundamenta optimisto, kiu kredis, ke alfrontante la grandajn demandojn de la homa spirito oni povas ilin kompreni kaj direkti.

La temo de nia kongreso, "Zamenhof Hodiaŭ," celas rilatigi la ideojn de Zamenhof al la hodiaŭa mondo. Kio estas la valoro de lia heredaĵo, kaj kiel ni povas plej bone apliki ĝin al la defioj kaj perspektivoj de la hodiaŭa mondo? Kiel ni povas plej bone informi la mondon pri la atingoj de Zamenhof kiel unu el la grandaj personecoj de la homaro?

Sed nia kongresa temo estas ligita ankaŭ al la Internacia Jaro de Akordiĝo.

Ni scias, ke kerna en la pensado de Zamenhof estis la ideo de paco – sed pli ol tio. Paco povas signifi simple la mankon de milito, aŭ ĝi povas esti ligita al dialogo, kiu frontas la kaŭzojn de malakordo kaj celas komprenon kaj toleron de homaj diferencoj. Zamenhof, per sia kreo de Esperanto, ja argumentis, ke komuna lingvo forigus la mankon de lingva kompreno, sed li samtempe konsciis, ke nur per aktiva uzo de komuna lingvo oni povas veni al interkompreniĝo.

Verŝajne ne konsciante, ke ĝi eĥas interalie la Zamenhofan filozofion, Unuiĝintaj Nacioj deklaris la jaron 2009 jaro, en kiu ni donu apartan atenton al tiu dialogo inter kontraŭuloj cele al akordiĝo. Esperanto kaj la penso de Zamenhof estas rekta kontribuo al la celo de tiu speciala Jaro. Kiel, do, ni ligu la du aferojn – la heredaĵon de Zamenhof kun la tiel bezonata en la nuna mondo akordiĝo de la homoj en spirito paca kaj komprena? Kiel ni konstruu ponton de paco super la torento de agreso kaj milito, kiu foje ŝajnas la sorto de nia misvojanta homaro?

Ni traktos la kongresan temon en tri kunsidoj, en dimanĉo, mardo kaj ĵaŭdo. Tiuj kunsidoj ne celos longajn paroladojn, sed diskutadon. Mi kaj mia kunlaboranto Marc Bavant invitas vin partopreni la diskutojn pri la kongresa temo. Reiru hejmen povantaj diri, ke vi alportis viajn ideojn al la komuna saĝo kaj ke vi kontribuis al ellaboro de programo de agado, kiu celas konstrui pacan ponton inter la popoloj.

# Zamenhof - 1

La unua sesio de la Kongresa Temo, metita sub la devizo "Zamenhof tiam", studis kvin demandojn, aperintajn dum la mallonga podia diskuto inter Cvi Sadan, Christer Kiselman, Ulrich Lins, Barbara Pietrzak kaj Humphrey Tonkin.

La ĉefa demando tuŝis kompreneble la influon de la judeco de Zamenhof al lia tuta kreaĵo.

Kiom grava estis inter la celoj de Zamenhof la deziro solvi la problemojn de judoj en malamika Eŭropo? Ĉu la lingvo sukcesis eskapi tiun kadron kaj la judan kulturan fonon? Ĉu ankaŭ Zamenhof sukcesis eliri el tiu kadro? Aliaj demandoj aperis dum la podia diskuto, sed ne estis submetitaj al debato, ĉar tro pintaj, ekz-e kion konkludi el liaj sinsekvaj kaj fojfoje samtempaj strebadoj al cionismo, esperantismo kaj homaranismo? kian rilaton li vere havis kun poleco kaj pola tero? Sed eĉ kun la menciitaj limigoj tiu ĉi temo evidentiĝis tro ambicia por la mallonga diskuttempo kaj la grupoj evitis ĝin, preferante agnoski sian nesufiĉan konon de la vera historio de Zamenhof.

Tio ja estis temo de alia demando, nome pri mitoj. La partoprenantoj ĝenerale konsentis, ke necesas distanciĝi de mitoj, eĉ se ili konsistigas sufiĉe normalan parton de la kulturo de ĉiu popolo. Rilate eventualan senmitigon, aŭdiĝis averto, ke la historia scienco ne ĉiam liveras absolutajn certaĵojn.

Viditaj de ekstere, mitoj povas doni sektecan bildon de la Esperanto-movado. Ja tio estis temo de alia demando, nome kiun dialektikan rilaton flegas la movado inter inkluzivado kaj ekskluzivado? Iuj debatantoj pledis, ke la esperantistoj pli vigle proponu la lingvon, kiel instrumenton por servi la interesojn de aliaj movadoj kun similaj ĉefceloj. Iuj substrekis, ke ekskluziveco estas necesa por doni al la membroj senton de kohera komunumo, kaj... ke ĝi ne ekskluzivas inkluzivecon. Estis ankaŭ esprimita la ideo, ke havi flagon, himnon kaj figuron de kara majstro ne estas apartaĵo de la Esperanto-movado, sed ankaŭ de plimulto de la popoloj. Tiurilate la dialektika ekvilibro ne multe ŝanĝiĝis inter la tempo Zamenhofa kaj la nuna.

Alia demando, kiun la debatintoj preferis lasi flanke, tuŝis la eventualajn paralelojn inter la tiama ritmo de teĥnikaj ŝanĝoj kaj la nuna. Ja jam en la fino de la 19-a jarcento eksplodis teĥnikaj revolucioj kaj tutmondiĝo. Tamen malfacilas kompari la gravecon de tiuj ŝanĝoj kun la nunaj.

Plej sukcesa estis la spekulativa demando "kion farus Zamenhof en la nunaj cirkonstancoj?" Ja, kvankam esence vanas tiaj ekstrapolaĵoj, ili ebligas interesan intelektan ekzercon por vidi, en kio la cirkonstancoj similas aŭ malsimilas. Rilate la judan situacion ili evidente malsimilas, sed por scii, kiel tio influus nuntempan junan Zamenhofon, ni devus unue solvi la unuan demandon. Iuj debatantoj konjektis, ke li turnus sin al aliaj maljustaĵoj en la nuna mondo, i.a. al tiuj, kiujn estigas la nova formo de pluretneco, rezultanta el ekonomi-rilataj migradoj de malriĉaj al pli riĉaj landoj. Aliaj preferis substreki, ke la metodoj de Zamenhof plu aktualas: li ja agis pragmate, je pli ol jarcento anticipis la nunajn principojn de liberaj intelektaj rajtoj kaj sukcesis krei multfunkcian ilon.

Surbaze de ĉio ĉi la dua sesio provos pritrakti la nuntempan situacion de la Zamenhofa idealo metante al la podianoj tri jenajn demandojn: unue, ĉu lingvo estas sufiĉa solvo, aŭ ĉu nun pli utilus nova religio, kiel homaranismo celis esti? Due, ĉu same kiel fine de la 19-a jarcento postrestis la moralaj valoroj rilate la teĥnikan progreson, ni ne frontas nun moralan krizon post la grandskalaj teĥnikaj revolucioj de la fino de la 20-a jarcento? Kaj, fine, referencante al la anekdoto rakontita de Humphrey Tonkin en lia enkonduka artikolo (vd. la Kongresan libron), ĉu la Esperanto-movado, kiu provas konsistigi la pacan ponton, ne obstrukcas sin mem per la propra konduto? Venu partopreni la debaton.

***Marc Bavant, KN: 234***

# Medalo al Pogranicze



La Fondaĵo "Pogranicze" (Limteritorio), fondita de la junaj geedzaj paroj: Czyżewski kaj Szroeder, en la malgranda urbeto Sejny (litove Sejnai), kie de pli ol kvin jarcentoj kunvivis kaj dialogis litovoj, poloj kaj judoj. "Pogranicze" dekomence estas la unika ekzemplo de aplikado de Zamenhofa intergenta, interkultura kaj interreligia dialogo kaj inter-kompreniĝado.

La Fondaĵo "Pogranicze" de 16 jaroj eldonadas tre interesan kulturan revuon "Krasnogruda" (la nomo venas de la familia bieno, kiun junaĝe vizitadis la nobelpremiito Czesław Miłosz), gvidas la eldonejon, teatron, muzikensemblon, pentristan edukejon kaj historian esplorcentron, kunvenigas verkistojn el la limteritorioj de la tuta Eŭropo kaj de aliaj kontinentoj, kaj ekde 8 jaroj atribuas tre faman premion "Homo de la limteritorio" (Człowiek Pogranicza). La premiitoj ĝis nun estis: litovo Tomas Venclova, estono Arvo Pärt, ukraino Bohdan Osadczuk, polo Jerzy Ficowski kaj italo Claudio Magris. La plej imitinda agado de la Fondaĵo "Limteritorio" estas la edukado de infanoj estimi la aliajn, kaj lerni malkovradi kaj priskribadi la lokan historion. La "Medalon de Toleremo", kiun ĝis nun ricevis nur la papo Johano Paŭlo la Dua, la Monda Organizo de Skolta Movado, kun la sidejo en Ĝenevo, kaj prof. Władysław Bartoszewski, en la nomo de la Fondaĵo "Pogranicze" akceptos membro de la Honora Patrona Komitato de nia kongreso, estimata sinjoro – Krzysztof Czyżewski. Mi petas doktoron Zaleski-Zamenhof, la kuniciatinton de la Medalo, profesorinon Hanna Konopka, prezidantinon de la Komitato de Fondumo Zamenhof kaj la urbestron Tadeusz Truskolaski, enmanigi la Medalon.

La Fondaĵo "Limteritorio" (Fundacja Pogranicze) estis fondita en majo 1990. Ĝi estas privata, sendependa organizaĵo, gvidanta nek politikan nek komercan agadon. La programa agado estas plene dediĉita al la kultivado de la limteritoria sento kaj konstruado de pontoj inter homoj de diversaj religioj, gentoj kaj kulturoj. Ĝi estas fondita de la kvarpersona teamo de kulturanimantoj, kiuj pli frue laboris en: la teatroj "Gardzienice" (la vilaĝo Gardzienice apud Lublin) kaj "Stop" (en Słupsk), kaj en la Kulturcentro "Dąbrówka" en Poznań (Krzysztof Czyżewski, Małgorzata Sporek-Czyżewska) kaj en la Komunuma Kulturcentro en Czarna Dąbrówka en Kaŝubio (Wojciech kaj Bożena Szroeder). Tiu kvaropo komencis kunlabori jam en la 80-aj jaroj de la 20-a jarcento, kunorganizante ĉiujare "Rekontovilaĝon Internacia Trejnejo de la Alternativa Kulturo" en Czarna Dąbrówka. Dum la kelkmonata printempa, komuna vojaĝo al la Oriento en 1990, renkontiĝante i.a. kun la nobelpremiito Czesław Miłosz, ili venis al la urbeto Sejny/Sejnai. La Fondaĵo sian sidejon havas dekomence en Sejny/Sejnai, kaj la oficejon en la alia limteritoria urbo Suwałki. En 2003 fondiĝis la Societo de la Amikoj de La Fondaĵo "Limteritorio", registrita en Usono, kiu sian sidejon havas en Aleksandria apud Vaŝingtono. La financojn por sia agado la Fondaĵo ricevas ĉefe gajnante konkursojn, kiujn okazigas diversaj polaj, aliaj eŭropaj kaj usonaj organizaĵoj, kaj de privataj personoj. La Fondaĵo "Limteritorio" intime kunlaboras kun la Centro "Limteritorio de la Artoj, kulturoj kaj gentoj" (Pogranicze sztuk, kultur, narodów), kun kiu ĝi subskribis kunlaborkontrakton, surbaze de la komunaj statutaj celoj de ambaŭ organizaĵoj.

Pli multe pri la Fondaĵo vi povas ekscii helpe de la ttt-ejo: http://pogranicze.sejny.pl.



## Esperanto-lando ekzistas!

Tie oni renkontiĝas, festas, babilas kaj eĉ povas ĉeesti lecionojn kaj prelegojn!

Por ĉiuj, kiuj volus promeni kaj babili en virtuala Esperanto-lando ni rekomendas partopreni la prezenton de "Dua Vivo" (*Second Life*), kiu okazos hodiaŭ, je la 11:00 en la salono de E@I "Bujwid", en la konstruaĵo "Rektorejo".

## Stelobservado ĵaŭda

Ĵaŭdon vespere je la 22a okazos per-teleskopa stel-observado (se la vetero tion permesos).

Oni kolektiĝos malantaŭ la tendo Zamenhof, sed eble poste iros al pli taŭga (malluma) loko.

La observado okazos per bona, profesia teleskopo, ni esperas povi vidi planedojn (Saturno, Jupitero, Marso), la Lunon, kaj eble ankaŭ galaksiojn kaj apartajn astrojn.

La observado estas por ĉiuj interesiĝantoj.

*Amri Wandel KN: 709*

## Infana kongreseto



Kvindeko da infanoj 7- ĝis 17-jaraj partoprenas la infankongreseton en la eduka centro de Supraśl (junulargastejo Bukowisko). Sabate ili kolektiĝis en la halo de UK atendante sian buson, kaj revenos venontan sabaton dum la fermo de UK. Merkrede kelkaj gepatroj ekskursos kun ili al Augustów. Pliaj informoj estas haveblaj ĉe: http://bertosch.free.fr/iik2009/.

## Programeroj de E@I (ĵaŭdo-vendredo)

**Venu spertiĝi pri temoj rilataj al "Esperanto @ Interreto" !!!**

Ĵaŭdo, 30.7.2009

| | | | |
|---|---|---|---|
| 11:00 | Dua Vivo dum UK | uzantoj de Dua Vivo | 45 min. |
| 12:00 | lernu.net – konatiĝu pli bone | Jevgenij Gaus | 45 min. |
| 13:00 | Esperanto-retejoj - vizitindaj | E@I-teamo | 45 min. |
| 14:00 | Efika laboro kun komputilo | E@I-teamo | 45 min. |
| 15:00 | E@I-eldonaĵoj | Peter Baláž | 30 min. |
| 16:00 | Sociaj retoj en Esperanto | E@I-teamo | 45 min. |
| 17:00 | E@I-agado | E@I-teamo | 45 min. |

Vendredo, 31.7.2009

| | | | |
|---|---|---|---|
| 12:00 | DVD Esperanto estas... | filmo-prezento | 45 min. |
| 13:00 | Vikipedio – kiel uzi ĝin | Marek Blahuš | 45 min. |
| 14:00 | Nova traduk-sistemo de E@I | Jevgenij Gaus | 30 min. |
| 15:00 | Efika laboro kun komputilo | E@I-teamo | 45 min.. |
| 16:00 | aktuale.info – aktuala stato | Jevgenij Gaus | 45 min. |
| 17:00 | E@I-agado | E@I-teamo | 30 min. |

La programo okazas en la salono "Bujwid" en la konstruaĵo "Rektorejo".

* En la tempo 9:00-12:00 eblas veni al la salono por persona konsultiĝo

# Eniris Bjalistokan malsanulejon la prezidanto de Esperanto France



Malbonŝanca unua plena Universala Kongreso por Xavier Dewidehem (KN 1692), la juna prezidanto (naskiĝ.1981) de la Landa Asocio Esperanto-France. Post la lund-vespera bankedo li sentis la unuajn ventro-dolorojn. Tamen li plu vesperumis urbocentre ekkonante la lokajn ZEO-jn. La nokto estis preskaŭ tute sendorma. Posttagmeze la doloro iĝis tiom forta, ke necesis voki ambulancon. Feliĉe pluraj kongresanoj povis viziti lin hospitale marde ptm. Se la mard-vespera operacio pri apendicito glate pasos, li povus elhospitaliĝi jam ĵaŭde kaj plu ĝui la kongreson. Bonan rapidan resaniĝon, Xavier!

# Mallonge inter ni

## Senpagaj aŭtobusoj

Homoj pli ol 70-jaraĝaj rajtas veturi per busoj senpage!

## Perdita saketo

Mi forgesis saketon kun dek blankaj verdstelaj ĉapeloj verŝajne en la Zamenhofa salono. Ĉu vi eble trovis ilin?

*Astrinjo, KN: 1036*

## Ŝildo ŝtelita... retrovita!

La problemo ne plu ekzistas, ĉar estis jam solvita: mi retrovis la momŝildon, temis pri miskompreno mia aŭ miskomunikado inter la UEA-kasisto kaj la kongrsaj akceptantoj, kiuj ne sciis kien estis portita mia ŝildo.

## Budhismaj monaĥoj

Ĝuste dum la kongresa semajno, hazarde (?) grupo de tibettradiciaj budhismaj monaĥoj el la regiono Ladako en Barato vizitas Bjalistokon por fari tiel nomatan mandalon – klasika speco de tibetbudhisma arto. Vizito ĉe ili okazis, kiel oficiala parto la de UK, marde vespere, kaj ĉeestis sufiĉe multaj kongresanoj. Prezentis la aferon la juna budhisma instruisto ladaka Dhammacari Tsewang Norbu Vivek hindangle, kaj interpretis mi esperanten.

*Gunnar Gallmo, KN 456*

## Salutoj el ANEB

Mi tutkore gratulas vin pro la partopreno en la nuna Universala Kongreso, kiu okazas en Pollando, kaj mi kuraĝigas vin en belaj kaj valoraj programoj de la kongreso.

Kiel vi scias, Esperanto montriĝas la plej bona rimedo por liberigi la mondon je la lingva problemo. Dank' al Esperanto kaj esperantistoj, kiuj koncentras la fortojn por pli bona estonteco.

La kongreso estas granda sukceso kaj por Esperanto kaj por la mondo, kaj estas ege interesa, ĉar homoj de malsamaj medioj, de malsamaj religioj povas koni alian movadon similan. Mi ne vere scias ĉu la prezidanto de nia nacia asocio ANEB, Jérémie Sabiyumva, estas kun vi. Mi telefonas lin, sed vane. Se li estas kun vi, en la kongresejo, li informos vin pri la evoluo de Esperanto en la lando. Mi plezure profitas ĉi tiun momenton por peti la kongresanojn bone sekvi la prelegojn de gesinjoroj Johan kaj Svetlana Derks el Nederlando, kiuj multon informos pri Esperanto en Burundo. La mondo kapablas komunikiĝi en la sama lingvo, kaj Esperanto estas la ĝusta vojo.

Okaze de la ĉi-jara kongreso, mi permesu al mi, kore gratuli la asocion UEA, ĝiajn membrojn kaj ĉiujn kongresanojn, kaj bondeziri plenan sukceson al la kongreso.

*Hasano Ntahonsigaye*
*Sekretario de ANEB*

## Salutoj el ABeE

Jen salutmesaĝo nome de nia Landa Asocio (ABeE) al UK 2009 kun rajtigilo por instrui Esperanton ene de kluboj en lernejoj, kiun rajtigilon ni klopodis akiri de aŭtoritatoj pri edukaj aferoj. Ĝi estas kunsendita kiel pruvilo, kiun gekongresanoj povas vidi.

*Latifou*

## CSI: Vestejo

Ĉu vi pensis, ke starado en vestejo povas esti tre eksterordinara? Ni faris tion hieraŭ dum 5 horoj kaj ĝi estis granda amuzo por ni. Ni renkontis tie multe da ege interesaj homoj el la tuta mondo. Plimulto de ili ridetis kaj estis tre afabla. Ni neniam pensus, ke laboro en vestejo povas esti tiel kontentiga. Ni ekkonis homojn kaj iliajn sakojn kun la epigrafo "Leviĝanta Bjalistoko".

Ĉu tio ne estas surpriza, ke ĉiuj kongresanoj havas identajn sakojn?

Tamen, ĉiuj numeroj de hoketoj estas malegalaj. Kio pli, vestejo ankaŭ povas servi kiel turista informejo. Se vi havus demandojn aŭ konsilojn, bv. veni al ni en salono Grabowski.

Krome, ni esperas, ke ĉiu sako revenis al sia legitima proprietulo.

*Doktoro Vestejo*

## Aĉetu Ludovikon

Eble ankoraŭ ne ĉiuj rimarkis, ke krom la grandega tendo-salono "Zamenhof" kaj granda tendo-kafejo antaŭ la kongresejo staras ankoraŭ unu malgranda oranĝkolora tendeto. Kaj tie, krom la aliaj polaj jubileaj moneroj, vi povas aĉeti "10 Ludovikojn" - specialajn monerojn dediĉitajn al tiu ĉi UK kaj la 150-jariĝo de la Majstro. Estas eĉ 2 specoj - kun la subskriboj en la pola kaj en Esperanto.

# Lastaj aliĝoj

1811 Guy Guetault, Francio
1812 Jinon Meiri, Israelo
1813 Elisabeth Stanley, Britio
1814 Joanna Zawadka, Pollando
1815 Jonas Dalmose, Svendborgvej 15T, Ollerup, DK-5762 Vester Skeringe, Danio
1816 Raimo Tuisku, Finnlando
1817 Justina Lisiecka, Pollando
1818 Aurelian Junkiewicz, ul. Buzieziñska 33, PL-95-200 Andrespol, Pollando
1819 Michał Mocarski, ul. Jakimy 11, PL-16-010 Wasilków, Pollando
1820 Herman Mayer, Germanio
1821 Joan Crancau, Rumanio
1822 Jałuto Dworak, Pollando
1823 Čivinsčienė Laimutė, Virsuliskiu 24-58, Vilnius, Litovio
1824 Gabriele Corsetti, Italio
1825 Krystyna Karpowicz, ul. Trawiasta 12/59, PL-15-161 Bjalistoko, Pollando
1826 Gabriela Korwin-Piotrowska, ul. Żelazna 88/8, PL-Bjalistoko, Pollando
1827 Nicol Korwin-Piotrowska, ul. Gliniana 12/3, PL-15-068 Bjalistoko, Pollando
1828 Edvardas Piščikas, Draugystes 1-28, LT-Visaginas, Litovio
1829 Janis Veikšāns, Latvio
1830 Genadijus Jefimovas, Festivalio 10-24, Visaginas, Litovio
1831 Jelena Piščikienė, Draugystes 1-28, Visaginas, Litovio
1832 Edgar Piščikas, Draugystes 1-28, Visaginas, Litovio
1833 Christian Kragelok, Nov-Zelando
1834 Marta Bartoszuk, ul. Kalinowskiego 4/14, Bjalistoko, Pollando
1835 Julia Dybiec, ul. Meslle I 2e/1 Pollando
1836 Maria Lalkovičová, Palarikova16, SK-Kosice, Slovakio
1837 Zita Garbaravičienė, s. Zulcocuslev 3-18, LT - Kaunas
1838 Urszula Kurys, Poświętne, PL-18-112, Pollando
1839 Joice Evelyn Barreira, Q.10,C.50A, Setor Norte, Brazlândia, Brazilo
1840 Gabriela Pinheiro, Q.10, C. 50A, Setor Nore,Brazlândia, Brazilo
1841 Robert Jacek von dem Borne, Vrouwjuttenhof 33, NL-3512 PZ, Nederlando
1842 Adair Areda, Cx.P. 5049,Brazlândia, Brazilo
1843 Amélia Pinheiro, Cx.P. 5049, Brazlândia, Brazilo
1844 Shirlene Arêda, Cx. P. 5049, Brazlândia, Brazilo
1845 Kyunghwa Song, Kolong APT 706-202, Kongchom 7, Madu 2 dong, II san , Koreio
1846 Sylvie Roques, 8 rue Jean Soula, FR-31240 Saint-Jean, Francio
1847 Xosé Conde, 8 rue Jean Soula, FR-31240 Saint-Jean, Francio
1848 Teresa Wrodycka, ul. Wodna 18/1, PL-26-600, Pollando
1849 Gregor Pisowski
1850 Mariusz Komoszewski, ul. Kanta 26/5, PL-10-691 Olsztyn, Pollando
1851 Liana Fernandes Dias, rua Araújo, Pinho, 421, Ap.501, Canela, BR-Salvador, Brazilo
1852 Cyrille Poullet, ul. Górczewska 43/8, PL-01-144 Warszawa, Pollando
1853 Janusz Służycki
1854 Drew Herman
1855 Ingrid Fortel
1856 Robin van den Broeck
1857 Claude Cartelle
1858 Rafał Mościński
1859 Beata Machowska

94a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO - BJALISTOKO 2009



# Bonhumora Zamenhofano Kongresa Kuriero

6

kuriero@co.uea.org

ĵaŭdo, 30a de julio 2009a

## Akademio Literatura

Merkrede, la 29an de julio okazis literatura prelegaro en la biblioteko de Bjalistoko, de la 9h00 ĝis la 14h30: "Migre kaj vage tra la parkoj de la Esperantista literaturo". Trideko da partoprenantoj estis varme akceptitaj de la direktoro de la biblioteko.

Tomasz Chmielik prezentis la unuan periodon de la Esperanta literaturo de 1887 ĝis la unua mondmilito. Por la sama periodo, Lidia Ligęza prezentis kaj esprimplene legis kelkajn juvelojn de tiu periodo. Post tre agrabla kafpaŭzo, ni ankaŭ malkovris la duan periodon literaturan, kiu daŭris ĝis la eksplodo de la dua mondmilito. Finfine István Ertl prezentis al ni la periodon post la dua mondmilito. Estis viglaj intervenoj de la publiko kaj tiu prelegaro certe vekis ĉe multaj la deziron legi nekonitajn librojn.

Hodiaŭ, en la biblioteko Książnica Podlaska ĉe la strato de Kiliński 16, okazos la jara kunveno de la Akademio Literatura de Esperanto. La kunvenhoroj 12h45-13h45. Bonvenaj al la kunveno estas ne nur verkistoj, partoprenantaj la UKn, sed ankaŭ ĉiuj, kiuj interesiĝas pri literaturo.

*Gilles Hutereau, KN 1649*

## Koncerto Betovena



Ĉiutage kongresanoj povas ĝui vere interesajn artajn programerojn. Ili abundas dum la Kongreso, do eĉ ne ĉiujn oni scipovas spekti. Neforgesebla estis la koncerto de la Orkestro kaj Ĥoro okazinta lunde vespere sur la scenejo apud la Urbodomo. Dum la dua koncertparto eksonis la finalo de 9-a Simfonio de Ludwig van Beethoven, kies fragmenton "Odo al ĝojo", mi pensas, konas ĉiu eŭropano. Ĝi estis kantata en la lingvo Esperanto kaj aŭskultis ĝin ne nur kongresanoj, sed ankaŭ bjalistokanoj, kiuj amase venis la urboplacon. En apude troviĝanta, elegante aranĝita, kafejo "Esperanto" mankis lokoj por eksidi kaj manĝi bongustaĵojn. Domaĝe, ke kelneroj ne scipovas paroli esperante.

La sekvan tagon matene grupo de kongresanoj povis spekti en Bjalistoka Pupteatro la teatraĵon titolitan "Fasado". En bonege ludata spektaklo oni prezentis groteske diversajn tipojn de homaj karakteroj, en kiuj oni povas vidi bildon de homa situacio en la nuntempa mondo. En la teatraĵo rolis kaj aktoroj, kaj homaltaj pupoj movigataj de ili. La spektantoj longe aplaŭdis artistojn post la teatraĵ-fino.

# Lingvaj rajtoj ĉe UN defendataj de UEA



Universala Esperanto-Asocio estas formale rekonata kiel neregistara organizaĵo (NRO) en oficialaj rilatoj kun UN kaj Unesko. Tiuj rilatoj ne portas kaj plej verŝajne ne portos rektan kontribuon al la financa kaso nek al subita plialtiĝo de la membroj. Do, kial tiom da laboro?

Ekzistas almenaŭ du gravaj kialoj. La unua estas havi pacan batalanton kiu en oficialaj kunsidoj povas puŝi tiujn instancojn favore al la temoj karaj al esperantistoj. La dua kialo estas prestiĝa kaj utila al la informa laboro.

Pro tio, dum la nuna UK okazis du kunvenoj pri tiu flanko de la asocia agado: la unua dum la kleriga lundo, la dua marde posttagmeze. Ili celis prezenti la jam faritan agadon kaj planojn por estonteco, kaj samtempe veki intereson inter la kongresanoj pri tiu temo, instigi ilin kunlabori.

UEA havas oficialajn reprezentantojn ĉe la tri ĉefsidejoj de UN en Novjorko (Usono), Ĝenevo (Svislando) kaj Vieno (Aŭstrio) kaj ĉe la ĉefsidejo de Unesko en Parizo (Francio). La agado de tiuj homoj estas plenplena kaj taskoj estas pluraj: paroli kaj kunlabori kun aliaj NROj, renkonti aŭtoritatulojn, partopreni dekojn da renkontiĝoj organizitaj semajne en UN-sidejoj, kontakti parlamentanojn (ofte persone, dum ilia vizito al UN), ambasadorojn, ktp.

Kompreneble tio estas malbagatela tasko, ĉar oni devas zorge enkonduki Esperanton en konversacioj, en profesia maniero, sen troigo, sen ŝajni fanatikulo.

Rimarkinda estas la interveno pri lingvaj rajtoj de Stefano Keller, UEA-reprezentanto ĉe UN en Ĝenevo, ĉe la Homrajta Konsilio. Lastan marton, li sukcese alparolis la ĉeestantojn pri kvar ekzemploj de lingva diskriminacio tra la mondo. Li finis per peto al la Konsilio enketi ĉe la registaroj de la koncernaj landoj pri tiuj kvar trompoj de lingvaj homaj rajtoj.

Kelkaj vortoj nun pri la dua kialo havi tiujn rilatojn: eĉ se por iuj ili aperas ne tiom gravaj por ordinara esperantisto, ili aldonas iom da prestiĝo al la Asocio kaj internacian agnoskon por ĝiaj agadoj.

Kiam vi informas pri Esperanto, la fakto ke UEA havas tiajn instituciajn rilatojn helpas rifuzi la ideojn ke kelkaj neesperantistoj havas: Esperanto ne estas iu stranga sekto, kun malmulte da parolantoj, sed ĝia laboro estas rekonata en internacia elstara medio. Por doni praktikan ekzemplon de tiu graveco, multaj paĝoj pri temoj rilataj al Esperanto estis en danĝero en la itala vikipedio. Oni sukcesis savi la plejmulton, ĝuste citante tiujn rilatojn.

*Francesco Maurelli, KN 1765*

# Esperanto ĝis 2059

En tiu ĉi Kuriero de jubilea jaro pri nia Majstro ni decidis demandi al kelkaj konataj esperantistoj kiel ili vidas la evoluon de nia movado en la venonta duonjarcento. Jen la kvara el tiuj.

## Intervjuo al Giuseppe Grattapaglia




***Laŭ vi kiun plej gravan sukceson Esperanto povas esperi dum la venontaj 50 jaroj?***

Al tia provoka demando mi respondas per provoka respondo: nia plej granda sukceso estus, se UEA ne plu estus necesa, ĉar la ideo de Esperanto jam eniris en la ĝeneralan socion kaj iu organizita movado por akceli la uzon de Esperanto ne plu estus necesa. Jam nun estas simptomoj pri tiu fakto, ĉar estas amaso da esperantistoj kiuj nur interkomunikas per interreto kaj tute ne sentas la bezonon organiziĝi per asocio.

***Kaj kion ni esperantistoj devas fari por tion atingi?***

Vidu, dum multaj jaroj, de la Internacia Konferenco de Rio de Janeiro, en kiu oni debatis la estontecon de internaciaj rilatoj, kaj kie UEA havis standon, estis interveno de neesperantistoj kiuj sugestis al ni eliri el niaj kaŝejoj kaj disvastigi la ideon de demokratia komunikado pere de Esperanto, ekde tiam mi persone klopodis sekvi tiun sugeston, ekzemple paroli pri Esperanto al amasmedioj ne donas favoran entuziamon, sed se oni ligas la ideon de Esperanto al iu konkreta agado en nia nuntempa socio, tio povas veki la intereson de la publiko. Tion kun sukceso ni aplikis en *Bona espero* en Brazilo, ĉar la fakto ke tie infanoj lernas Esperanton tute ne estus mondskua, sed la fakto ke E-istoj el diversaj landoj aktive laboras por solvi kelkajn bazajn problemojn kiel malsato, malsano, analfabetismo, tio ja vekas la intereson kaj dum la lastaj jaroj la plej grandaj televidaj kanaloj en Brazilo, kaj gazetoj interesiĝis pri nia laboro, kaj tiel paralele informis pri la lingvo.

Alian klopodon eliri el niaj keloj mi spertis en la medio de Rotario Internacia, kie de ok jaroj ni, kiel fakgrupo de Rotarianaj Esperantistoj, regule partoprenas la mondajn kongresojn rotariajn starigante informstandon pri Esperanto.

***Ĉu tiu sperto laŭ vi povas esti kopiita?***

Evidente, se ĉiuj niaj fakaj asocioj klopodus partopreni en la unuopaj profesiaj movadoj, proponante nian lingvan solvon, post kvindek jaroj tiu nia prozelitisma agado estus ne plu necesa.

*Rikoltis intervjuon: **Bruĉjo Kasini***

# Fakaj kunvenoj

## Amerika agado

Lunde la 27an de julio okazis la kunsido pri Amerika Agado kadre de la programoj de la 94a UK. Ĝin gvidis membroj de la Amerika Komisiono de UEA, Martin Schaeffer, Atilio Orellana kaj Maritza Gutiérrez kiel kunordiganto de la komisiono. Oni prezentis la nunan bildon de la regiona movado, aŭdis raportojn de reprezentantoj de landaj asocioj, inter ili el Kanado, Meksiko kaj Kubo. Konstateblis plian fojon ke kelkaj landoj kies enlanda agado estas sufiĉe memstara kaj forta, nek partoprenas nek sendas reprezentantojn al tiu ĉi kunsido kiel la kazo de Brazilo kaj Usono, kiuj tamen posedas tre stabilan movadon kaj konstantan agadon. Oni parolis pri la planoj de la komisiono, nome la projekto Esperanto al Ameriko, kies celo estas vojaĝigi instruiston tra kelkaj landoj amerikaj, ĉefe mezamerika regiono, kaj kunlabori en similcelaj instruaj agadoj, eble ankaŭ en Kubo okaze de la venontjaraj internaciaj eventoj en la kariba insulo. Oni emfazis la neceson varbi mondonacojn por tiuj celoj tra la Fondaĵo Ameriko kiu ankaŭ planas subteni partoprenon de latinamerikaj esperantistoj en la havana UK kaj okazigi trejnseminarion antaŭ la kongreso. La Amerika Komisiono invitas kongresanojn viziti nian retejon: www.ameriko.org kaj informiĝi pri la amerika movado. Kontribuojn al la Amerika Fondaĵo tre bonvenas!

*Maritza Gutiérrez Gonzalez KN:1467*

## Oceana Komisiono de UEA

Kunvenis 18 homoj, plejparte el ekster Oceanio, por aŭnovaĵpri la movadoj en Aŭstralio, Nov-Zelando kaj en kelkaj insuloj, ekz. Nov-Kaledonio.

Grava agado en Aŭstralio estas la projekto "Mondeto" de Penny Vos, kiu provas disvastigi la ideon ke instruado de Esperanto kiel dua lingvo estas ideala solvo al la krizo en Aŭstralio, kie instruistoj de aliaj lingvoj (aparte la angla) tute malsukcesas (www.mondeto.com). Alia grava evento estas en la aŭstralia somer-kursaro, dusemajna, kiu okazas en Januaro. Granda defio por la movado en Oceanio estas la manko de homfortoj. Du retejoj utilaj: esperanto.org.au, esperanto.org.nz .

*Heidi Goes, KN 720*

## Klasika Esperanto

Marde je la 17a horo okdeko da interesitoj pri "klasika esperanto" kolektiĝis en salono Fighiera-Sikorska. Temis pri grupo de retdiskutemuloj kiuj zorgemas pri la evoluo de Esperanto ekde la jaroj 1920. Laŭ ili tro facile estas enkondukitaj neologismoj (novvortoj!) el eŭropaj lingvoj, ĉefe latinidaj.

Kaj kion pensi pri nuntempaj neksta (sekvota) kaj kataringo (NE kondomo de kato!).

La vastaj eblecoj en Esperanto por krei kunmetitajn vortojn devas esti pli utiligitaj.

Andreas Kuech, freŝdate doktoriĝinta pri Esperanto, proponis sian ellaboradon de la 15-a regulo de la Fundamenta Gramatiko. Kiel ekzemplon de senrajta vorto enkondukita de la Akademio de Esperanto, laŭ tiu regulo, estis "ŝvebi".

Ĉeestis akademianoj (Corsetti, Prytz, Simonnet, Bavant kaj Lowenstein) kiuj miksiĝis en la debato.

Derks eksplikis la kvin programpunktojn de la "klasikuloj". Inter ili la debato inter -ujo- kaj -io- favorantoj, la projekto "bonlingva vortaro" kiu alkroĉiĝas al komplete enretigota PIV kaj elpensado de strategio por tutmondecigi Esperanton, sub aŭtoreco de Tomaž Longyka. Oni proponis eĉ ŝanĝi la nomon de la grupo al "Tutmondeca Esperanto". Ĉefa informejo de la klasikuloj estas www.bonalingvo.it. Ilia retdiskutlisto estas klasika-esperanto@googlegroups.com

*Johan Derks*

## Rondo "Kato"




La kunsido de Rondo "Kato" sukcese okazis la 28-an de marto je la 11h00 en salono Kesälä sub la gvido de Clay Magalhães. Partoprenis dudeko da katamikoj, laŭ temo "Mia kato malaperis". Post legado de teksto pri kion fari kaze de malapero de kato, la plubiko partoprenis rakontante siajn proprajn spertojn. Didier Cornuet rakontis ke lia 10-a jara kato malaperis nur du semajnon antaŭ la UK.

S-ino Ana Montesinos rakontis ke ĉe ŝi aperas diversaj katoj, kiuj certe estas malaperintaj de iliaj posedantoj, ke ili restas vivi en ŝia hejmo eĉ post kiam ŝi trovas la posedantojn de la katoj. Marianna Boharewicz rakontis pri la spertoj pri reapero de ŝia malaperinta kato. La kunsido finiĝis per la rakonto de s-ro Nikolaj L. Gudskov pri mistera malapero de lia juna katino kaj poste li prezentis sian libron pri katoj kaj hundoj. *KN: 79*

## Malfermita vegetara vespermanĝo

Vegetara vespermanĝo okazis hieraŭ ĉe la restoracio "Pepers". Partoprenis kvardeko da homoj, inter kiuj kelkaj neesperantistoj. Ĝi estis bona ŝanco kaj por gustumi vegetarajn bongustaĵojn kaj por prezenti Esperanton al vegetaranoj kiuj ankoraŭ ne ĝin konas. Respondeculo de loka vegetarana klubo disdonis flugfolion pri vegetarana kaj bestprotekcela agado en Pollando kaj la esperantistoj havis eblecon informi pri la verda lingvo.

*Francesco Maurelli, KN 1765*

## Komunistoj kunvenis

Marde posttagmeze 16h30 kunvenis komunistoj kaj simpatiantoj por diskuti pri la nuntempa politika situacio en la mondo, tutmondiĝo de kapitalisma krizo kaj la mornaj sekvoj por laboristaro. Necesas forta kontraŭstaro kaj unuiĝo - sukcesoj jam videblas en pluraj ŝtatoj - ekzemple en suda ameriko. K-do el Kubo preparos konferencon de komunistoj en Kubo 2010 antaŭ la UK. En la libroservo aĉeteblas pluraj primarksismaj verkoj.

## Eŭropo-Demokratio-Esperanto

Kolektinte 41000 voĉojn en la balotoj por la Eŭropa Parlamento 2009 en Francio kaj Germanio EDE (Eŭropo-Demokratio-Esperanto) allogis 60 interesiĝantojn marde, 28an de julio en la salono Belmont. EDE celas antaŭenigi la demokration en Eŭropo, interalie helpe de Esperanto.

La kunvenon enkondukis Eugen Macko (Germanio), vicprezidanto de EDE, per prelego pri "Esperanto kaj politiko". Poste estis vigla diskuto pri la nomo de la politika movado, ĝia programo kaj ĝiaj atingoj.

EDE invitas partopreni la venontajn kunsidojn ĵaŭde, 12a horo, en salono Sygnarski kaj vendrede, 12a horo, en salono Kesala. La temoj estas: "la programo de EDE" kaj "La planoj por la venontaj 5 jaroj". Pli da informoj sub: www.demokratio.eu

La kunsidon de EDE prezidis Alfred Schubert (868), Elizabeth Barbay (1385), Eugen Macko (884) kaj Michele Abada-Simon (268).

*Aleks Kadar, KN 492*

## LSG 30-jariĝos

Kelkajn tagojn antaŭ sia 30-jariĝo, LSG - la ligo de samseksamaj geesperantistoj - kunvenis dimanĉe por sia ĝenerala jarkunveno dum la UK.

Nia kunveno komenciĝis iom malfrue, ĉar estraranoj estis intervjuita far ĵurnalistoj de brita gazeto "The Times"; la artikolo aperis la 27an de julio kaj estas ankaŭ rete atingebla (http://tiny.cc/RjBs8).

Ni mallonge resumis la pasintajn jardekojn kaj priparolis niajn estontajn agadojn.

La kasisto donis raporton pri la lasta periodo kaj faris proponon pri la ŝanĝo de la membrokotizoj. Ambaŭ aferoj estis akceptitaj de la jarkunveno. La malnova estraro estis malŝarĝita kaj reelektita de la jarkunveno.

Krome ni elektis Sebastian Kirf kiel estrarano por varbado. Estonte ni volas klopodi revigligi niajn iamajn kontaktojn al ILGA (International Lesbian and Gay Association - Internacia Lesba kaj Geja Asocio). Fine ni decidis, ke nia venonta jarkunveno okazu dum la UK 2011.

*Rolf Köhler kaj Sebastian Kirf, KN: 879*

## Azia movado

Ĉirkaŭ 50 aziaj esperantistoj kaj interesitoj pri la azia movado kolektiĝis marde en la salono Kabe por diskuti pri la azia movado. Sub la prezido de s-ro LEE Jung-kee (prez. de KAEM), oni arde diskutis kaj faris novajn proponojn dum 100 miniutoj.

Traktitaj temoj estis jenaj: la 6-a Azia kongreso en Ulanbatoro, Mongolio (2010. 6.19-23), eventuala UK en 2012 en Vjetnamio, nova projekto de la ĉina univ. Nankino, nova Esperanto-renkontiĝo en Israelo, ktp.

Estis notinde, ke 8 esperantistoj el Kazakio ĉeestis en la kunsido kaj prezentis la nuntempan movadon en Kazakio. Vjetnama Esperanto-Asocio tre imprese prezentis sian Esperanto-movadon per bele farita popoto-dosiero.

KAEM (Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado) kun 3 sloganoj puŝas movadon en Azio: "Semu Esperanton en nesemitaj landoj", "Vigligi fakajn movadojn", kaj "Fortigu junularan movadon en Azio".

*Jung-kee*

## Tsvi Sadan - du diasporaj lingvoj

Unuafoje en sia vivo, multaj nejudaj kongresanoj informiĝis pri judeco, judismo kaj iliaj diversaj formoj. Mankis tempo, aliflanke, por profundigi la temojn pri diasporo kaj pri komparo inter la hebrea kaj la internacia lingvo, ĉar la ĉeestantoj senhalte pafis novajn demandojn al la tre vigla kunven-gvidanto. La respondoj permesis al la aŭskultantoj, interalie, pli bone kompreni la principajn diferencojn inter la juda kaj la kristanaj religioj.

Kiel nedenaska judo (d-ro Sadan estas konvertita japano vivanta en Israelo), la oratoro alportis propran sperton pri konvertiĝo al judismo kaj kompetente klarigis diversajn problemojn ligitajn al la aplikado de la Leĝo en la ĉiutaga vivo. Ĉion li kondimentis per neatenditaj, eĉ memkritikaj, spritaĵoj.

*G.C. Fighiera*

## Ĵurnalistoj

Ĵaŭde kunsidis la estraro de TEĴA (Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio). La estraranoj pridiskutis ne nur tagordon de la membrokunveno de TEĴA, kiu okazos ĵaŭde la 30-an ekde la 9-a horo en salono Fighiera-Sikorska, sed multaj aliaj demandoj.

Estraranoj invitas veni kaj partopreni la membrokunvenon ne nur membrojn de TEĴA, sed ĉiujn ĵurnalistojn - ne nur profesiajn, sed ankaŭ amatorajn.

***Audrys Antanaitis**, Prezidanto de TEĴA*

## Rotariaj Esperantistoj




Rotarianoj esperantistaj kunvenis merkredon vespere je la 20a horo en la restoracio de Hotelo Best Western por amika vespermanĝo.

La Rotaria Amikaro De Rotary (RADE) estas la plej malnova fak-asocio de tiu organizaĵo fondita jam en 1928 por enkonduki Esperanton kaj faciligi la komunikadon inter rotarianoj.

Antaŭnelonge RADE eldonis la Libron en Esperanto: "Paul Harris: pioniro de nova mondo" en numeritaj ekzempleroj.

La libro, aĉetebla ĉe la libroservo, prezentas la vivon de la fondinto de Rotary per serio de amuzaj bildstrioj.

La profito de la eldonaĵo estos dediĉita al la granda homama projekto de Rotary por la elradikigo de la poliomelito en la mondo.

*Giuseppe Grattapaglia KN: 1241*

## Mallonge inter ni

### Sanskrito

Ĉu vi scias, ke sanskrito, la sankta lingvo de Hindujo, dum la lastaj jaroj trovis fortan apogon de du naciismaj organizaĵoj, kiuj pere de ĝi celas repuŝi la anglan de la Hinda Subkontinento. Oni eldonas multe da allogaj lerniloj kaj lanĉas instru-kampanjon. Imagu, ke unu instruisto sukcesis eĉ "konverti" al sanskrito du vilaĝojn, kie ĉiuj loĝantoj jam ekposedis tiun lingvon. Ĉu ne imitinda ekzemplo por la verdaj movadanoj?

Bona okazo lerni simpligitan sanskriton alproksimiĝas: du diplomitoj de Sanskrita Universitato en Varanasi la 16-an de aŭgusto gvidos jam la trian fojon semajnan someran kurson en apudmonta arbara meditejo apud Krakovo. Post kvindek instru-unuoj oni povos konversacii, kompreni plej gravajn regulojn de gramatiko kaj bazan vortaron. Detaloj troveblas ĉe www.sanskryt.ovh.org La kurson aranĝas Esperanto-Klubo ĉe Muzeo pri Azio kaj Pacifiko en Varsovio.

*Kristoforo Śliwiński*

### Via opinio pri la 94-a UK

Revenas malnova kutimo: por la kongreso en Bjalistoko estas preparita dika libro en kiu kongresanoj povas enskribi siajn opiniojn kaj kritikojn.

La libro troviĝas en la Informejo kaj post la kongreso estos transdonita al la organizantoj de la sekva kongreso. Via opinio povas esti tre utila por la organizantoj de venontaj UK.

*Robert Kamiński*

### Naskiĝtago KN 322

Barbara Schwarz (KN 322) festas dum la 94a UK sian 70an naskightago!

*N. Schwarz, KN 334*

## La Estraro de UEA respondas



"Estraro Respondas" estas kutima programero dum Universalaj Kongresoj. Fronte al la ĉeestantoj, sidis la tuta estraro de UEA kaj tio estis certe bona ŝanco por UEA-membroj demandi pri ajna temo.

Estas tamen tre bedaŭrinde, ke plejmulto el la tempo estis misuzita per bagatelaĵoj, netemaj demandoj kaj ne praktikaj proponoj. Ekzemple kongresano tre miris ke la programero "Estraro respondas" okazas samtempe al IKU/AIS. Ĉu li volas proponi ke okazu nur unu programero samtempe, por eviti koliziojn? Pluraj demandoj kaj rimarkoj rilatis al organizaj detaloj de la nuna UK, pri kiuj LKK kompencas, kaj al CO-rilataj temoj (eble kelkaj ne konsciis ke "CO respondas" estas alia programero, aŭ eble la diferenco inter estraro- kaj CO-respondecoj ne estas klara al la membraro).

La estraro tamen bone sukcesis mastrumi la situacion, kelkfoje eĉ tro defendante la laboron de la Asocio. Al la mirigo de kongresano pri la malmultaj partoprenantoj kompare al la lasta UK en Pollando, unuanima respondo rilatis al epokaj ŝanĝoj de politika sistemo, ktp. Tamen, malgraŭ ties vero, mi opinias ke ĝi ne estas la nura kaŭzo, kaj serioza pristudo de la kialoj de tiu nombrofalo estas tre inda.

La plej granda novaĵo en la programero estas la anonco de la prezidanto de UEA kandidatiĝi kiel B-komitatano. Surbaze de la rezultoj, li konsideros plukandidatiĝi por la prezidanteco. Multaj homoj konsideras tion grava paŝo por plidemokratigo de UEA.

*Francesco Maurelli, KN 1765*

## Jen okazos

### Belartaj konkursoj

Hodiaŭ je la 16.30 en salono Lapenna okazos la premiadceremonio de Belartaj Konkursoj. Sed ne nur!

Oni omaĝos al forpasinta poeto Sylla Chaves kaj festos la centjaran jubileon de la Internacia Konkurso Floraj Ludoj, kiu okazis unuafoje en 1909 en Barcelono.

Honoros la kunsidon gesinjoroj Roessler per muzika kontribuo al la programo!

Venu multnombraj!

*Michela Lipari, KN 289, sekretario de B.K.*

### Budhanoj

Budhanoj, kaj aliaj kongresanoj kun ia intereso pri la budhismo, estas bonvenaj al la kunveno de Budhana Ligo Esperantistia, ĵaŭde je la 15a horo en salono Belmont.

*Gunnar Gallmo, KN 456*

## Artaj aranĝoj

### Orgena surprizo...

Kie situas Bjalistoko? Kaj kiu, krom Zamenhof kaj UEA, logus germanan paron loĝantan en Speyer apud la franca landlimo al tiu fora pola urbo?

Tamen ili havas renoman antaŭulon: la nur iom maljuneta kvinmanuala orgenego de la propraurba mondfama UNESKO-heredaĵa katedralo devis cedi al pli pompa nova. Tial oni fordonis la tamen ankoraŭ bone funkciantan instrumenton - ĝuste al Bjalistoko. Tie ĉi la orgeno venontjare, post renovigado fare de lertaj polaj orgenkonstruistoj, en la preĝejo de la paroĥo Sankta Kazimierz, denove brile ĝojoros. Ĝi ne nur servos al la gloro de Dio, sed ankaŭ por studentoj de la preĝeja muziko kaj por koncertoj.

Ne nur lingvo ligas homojn...

*Rita Roessler*

### Pupteatro

La Bjalistoka Pupteatro prezentas fascinan mirigan pupspektaklon "Fasado" dum la UK kun internacia profesia trupo kiu parolas en Esperanto, la pola kaj iomete en aliaj lingvoj dum la teatraĵo.

Malfacilas priskribi la historion, kiu fluas kiel surreala absurda sonĝo, kiu forte kaptas la atenton. Tre diversaj personoj (homaj kaj pupaj) aperas en scenoj alterne ridigaj, kortuŝaj, malgajaj, eĉ teruraj, kun la tuto akompanata de tri talentaj muzikistoj. Estas ia sonĝa konsekvenco de la tuto, tamen oni mem interpretu la signifon.

Bonegas la aktorado, la muziko kaj kantado, kaj kompreneble la brila lerta manipulado de la pupoj (kaj homaj kaj bestaj). Puparto estas fascina speco de teatro, kiu devas kombini teĥnologion kaj arton, por ke la pupoj kaj funkciu meĥanike kaj vivu emocie. Mi spektis diversajn polajn pupteatraĵojn de diversaj trupoj, kaj la alta nivelo de la pola puparto ĉiam impresas min; ĉi tiu fojo simile ravis min, des pli ĉar ĝis nun mi spektis monologojn kaj malgrandajn trupojn – ĉi-foje temas pri dekkelkaj homoj, kiuj daŭre interagas en interplektitaj intrigoj, kaj teĥnike brile trandonas pupojn de unu al la alia tiom flue, ke la pupoj daŭre ŝajnas vivi same kiel la homoj.

Mi kore rekomendas la prezenton al tiuj, kiuj ĝuas la magion de teatro kun lertaj pupmanipulaj efektoj kadre de sonĝlogika sekvenco de scenoj kiuj samtempe absurdas sed tuŝas la animon. Aparte plaĉas sperti tian spektaklon kun dialogo plejparte en Esperanto, kompreneble! La aktoroj parolas la Esperantan dialogon klare, verŝajne dank' al long-tempa kunlaboro kun lokaj esperantistoj. Mi dankas kaj gratulas la aktorojn, muzikistojn kaj tiujn, kiuj esperantigis la aferon. Ankoraŭ restas seancoj lunde kaj marde, do teatroamantoj akiru senpagajn biletojn ĉe la informejo, ĉar vere maloftegas oportunoj vidi tiajn imponajn pupspektaklojn, tiom pli en Esperanto!

*Russ Williams*

### Poloj kantos Esperante

Bjalistoke urboplace la dirigento, post brila prezentado de la 4a movimento de la 9a simfonio de Betoveno, la dirigento bonvole deklaris la lingvon Esperanto perfekte taŭga por muzika uzado kaj perspektivis ĝian pli oftan aplikon.

Li certe en tiu momento ne imagis, ke la plenumo de lia intenco tuj malaperigus preskaŭ ĉie en la mondo certan internan reziston kontraŭ la lingvo de la mondkonata teksto: la internacie uzota "Ĝojo, bela Dia lumo" por eterne forigus la germanlingvan originalon.

(Faru viajn proprajn komentojn...)

*Franz Georg Roessler*

## Bogdan M. Borusewicz ĉeestos en Malbork la premieron en la pola de "Doktoro Esperanto"



Lunde la 3an de aŭgusto, kadre de la Postkongreso en Malbork, la Prezidanto de la pola Senato Bogdan Michał Borusewicz ĉeestos la premieron de la prezento de la teatraĵo de Mario Migliucci en la pola lingvo.

La spektaklo, kiu vigle rakontas pri la naskiĝo de la ideo de Esperanto kaj pri la vivo de Ludoviko Zamenhof, estis tradukita polen de Roman Dobrzyński, kaj estos ludita de la aktorino Helena Biskup.

La sama teatraĵo, en Esperanto, estis premiere prezentita dum la UK en Bjalistoko persone de sia aŭtoro Migliucci, kun granda sukceso. Ĝi ankaŭ hodiaŭ estas spektebla je la 10h30 en kafejo Fama, Legionowa 5 kaj ĝia filmo estas vendata en DVD en la kongresa libroservo.

## Internaciaj artistoj sukcesis ĉe la Arta Kafejo



Marde vespere, je 21h30, en kafejo Fama okazis la "Arta Kafejo", sub gvido de Georgo Handzlik kaj Mikaelo Bronŝtejn. Tiu aranĝo, kiu iel anstataŭas nian tradician Internacian Vesperon, ĝuis la intervenon de tutmondaj artistoj kiaj Ĵomart kaj Nataŝa, Jomo, la nepino de Antoni Grabowski (kiu deklamis partojn de Sinjoro Tadeo), kaj fine ankaŭ kaj Georgo kaj Mikaelo.

La etoso estis aparta gaja kaj la publiko povis kanti kaj danci kun la artistoj, kaj ĝuis la novan, pli intiman, familian etoson de la spektaklo, esence malpli rigida ol nia tradicio postulis.

La arta evento daŭrigos ĉi-vespere per pliaj internaciaj artistoj, denove en kafejo Fama (Legionowa 5), je la 21h30.

## Programŝanĝoj

### Artaj ŝanĝoj

**La filmo Sinjoro Tadeo** okazos je la 19h00 kaj ne je la 13h00 (tro multe da suno!).




**La ensemblo Supernova** ne okazos en la tendo Zamenhof, 20h00, sed en la studenta klubejo Gwint. Ĝi estas en la sama konstruaĵo kiel la libroservo, sed la enirejo estas je la sekvaj pordoj.

### Zamenhof' revivigita

Mardon ni povis spekti almenaŭ dufoje revivigitan Zamenhofon. En la unua Mico Vrhovac ludis la initiatinton de la Lingvo internacia dum kongresaj situacioj. Li en la Bronŝtejna "Postnikov" en la kinejo Forum digne kaj serioze impresis apud la du aliaj roluloj kaj inde korpigis la bildon de la Majstro, kiel oni tradicie konas lin.

En la dua Georgo Handzlik enŝovis sin en la haŭton de la jam maljuniĝinta Zamenhofo. La transformiĝinta bardo ankaŭ kiel scenisto sola kapablis tiri la atenton al si sursceneje dum horo kaj duono en kafejo Fama. Dum la prezentado de la monodrama spektaklo, la aktoro/Majstro rejuniĝis revenante al la estiĝo de la praa Esperanto en la junulaj jaroj, eĉ mem kantis kaj dancis: "Jam temp' está". En la sekvo li paŝon post paŝo remaljuniĝis laŭ la biografiaj eventoj.

Neoficiale, en sia hejma sfero Zamenhofo distre, tamen pensinstige, foje instrue rememorigas siajn privatajn sentojn. La aktoro kunludigis la spektantojn per demandoj, alparoloj, dialogoj, laborigoj, eĉ trinkigis herbobrandon. La protagonisto ja estis kuracisto kaj bonfaranto...

Zamenhofo ne ŝatis la titolon "Majstro". Sed ni rajtas nomi majstraj la adapton de la Zamenhofa biografio al la scenejo, la homigon de la ĝenerale surpiedestala Patro de Esperanto, la lertan lingvaĵon kaj la nuancoriĉan prezentadon fare de nur unu person(ec)o: Gratulon, Georgo Handzlik!.

Ne mistrafu la ripetadojn (hodiaŭ, 13h30 kaj 18h00), se vi ne jam vidis la spektaklon.

### Dobrzyński pri pola himno

La pola nacia himno ne estas militista marŝo, sed dancebla mazurko: tion klarigis al sia surprizita plensalona publiko la oratoro. Ĝi rompas la tradicion, laŭ kiu naciaj himnoj konsistu el solena laŭdado de la valoroj aŭ la belaĵoj de la lando, kun kaŝita minaco al eventualaj malamikoj..

La naskiĝo de la pola himno en 1797 ligiĝas al ĉiuj historiaj eventoj en la oriento de la malnova kontinento, ekde la grava periodo, kiam la dulanda ŝtato Pollando-Litovio estis eŭropa potenco ĝis la malapero de la pola sendependeco, piedtretita de tri najbaraj okupantoj. Tamen, la teritoria disdivido ne sufokis la senton de nacia identeco de la poloj, sed kontraŭe stimulis ĝin. La Napoleonaj militoj unue kreskigis kaj poste seniluziigis la polajn esperojn, kiuj realiĝis nur post la unua mondmilito.

La historio fosis sian sangan sulkon, la reĝimoj alterniĝis, sed la himno restis senŝanĝa tra la jarcentoj, kaj anoncas ke "Pollando ankoraŭ ne pereis".

*G. C. Fighiera*



94a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO - BJALISTOKO 2009

# Bonhumora Zamenhofano

## Kongresa Kuriero

7

kuriero@co.uea.org vendredo, 31a de julio 2009a

# Truskolaski: La idearo de Zamenhof estas daŭre en nia koro

Ampleksa nombro da kongresanoj estis hieraŭ invitita al akcepto de la urbestro de Bjalistoko, s-ro Tadeusz Truskolaski, en Pałac Branickich.

La komunuma palaco, kiel ni jam aludis en la Kuriero, gastigas nuntempe vastan ekspozicion pri la rilatoj inter familio Zamenhof kaj medicino, riĉa je pluraj dokumentoj kaj grandaj bildoj, ĉiuj akompanataj de ampleksaj klarigoj en la pola kaj en Esperanto.

Unue salutis la kongresanojn, en flua Esperanto, la urbestro Tadeusz Truskolaski, kiu agnoskis ke la ideo de Esperanto nenio alia estas, iasence, ol provi reprodukti mondskale la mikrokosmon bjalistokan de la fino de la 19a jarcento, kaj dankis pro nia veno al Bjalistoko, ĉar nia ĉeesto ĉi tie signifas ke la idearo de Zamenhof daŭre estas en la koro de personoj tra la tuta mondo.

Sekvis longa kaj tute ĝuinda intermezo de antikvaj muzikoj kaj dancoj bjalistokaj, ludataj de la lernejmuzika grupo "Capella Antiqua Bialistocensis". Intervenis tiam Louis Christoph Zaleski-Zamenhof, kiu dankis la urban estraron pro la nuna kongreso kaj pro la Centro Ludoviko Zamenhof.





La prezidanto de UEA Probal Daŝgupta priskribis siajn deinfanajn kulturajn rilatojn kun Pollando, kaj ke dank' al Antoni Grabowski li interkonatiĝis kun la ĉefverko de Adam Mickiewicz "Sinjoro Tadeo" kaj povis ĝin legi. "Sinjoro Tadeo" rakontas pri grava malvenko, kaj el gravaj malvenkoj ni lernas, kion ni devas poste fari. Ni nun troviĝas meze de grava tutmonda ekonomia krizo, do ni devas preni, kiel Mickiewicz per "Sinjoro Tadeo" instruis al ni, la nunan krizon kiel lernilon, kaj ni devas krei nian epopeon por povi iri antaŭen.

Post mallonga saluttransdono de Esperanto-urbo Herzberg, la vicurbestro Aleksander Sosna invitis ĉiujn forkonsumi luksan sortimenton de tipe polaj manĝoj.

Verŝajne la ĝisnuna priskribo donas ŝablonan impreson de kutima akcepto, sed la ĉi-taga estis markita de evidenta, aparta afablo de la lokaj aŭtoritatoj, kiuj evidente perceptas ĉiujn nin esperantistojn kiel iasence filojn de ilia urbo, kaj same evidente nutras por niaj idearoj fortan emocian senton, ĉar ili naskiĝis ene de la popolo, kiun ili nuntempe gvidas.

*Bruĉjo Kasini, KN: 150*



# Esperanto ĝis 2059 / 6

En tiu ĉi Kuriero de jubilea jaro pri nia Majstro ni decidis demandi al kelkaj konataj esperantistoj kiel ili vidas la evoluon de nia movado en la venonta duonjarcento. Jen la sesa el tiuj.

## Intervjuo al Roman Dobrzyński



***Laŭ vi kiun plej gravan sukceson Esperanto povas esperi dum la venontaj 50 jaroj?***

Mi povas paroli pri finaj venkoj, kiujn mi plurfoje jam vidis propraokule: mi pasigis unu jaron en Bona Espero. En tiu loko oni ne faras festparoladojn, nek kritikas la agadon de la CO de UEA, sed simple parolas; ekzemple, mi ofte parolis kun la ĝardenisto Orlando, pri lia dume farata laboro. Li konis vortojn kiujn mi eĉ ne povis konjekti, kiam li montris al mi planton aŭ laborilon, kaj tiam mi povis konsideri min finvenkisto. Simile okazis en Oomoto: mi iris en koridoroj de ilia centro en Kameoka, kaj tie mi sekvis indikilojn skribitajn en la japana kaj en Esperanto. Dank' al Esperanto, mi sukcese ĉiam trafis la serĉatan lokon; ekzemple, ŝatata loko estis la komuna banejo – tie mi sidiĝis trempita ĝis la kapo, kaj ĉirkaŭ mi estis pluraj aliaj kapoj, kiuj unu kun la alia interparolis en Esperanto.

Mi naskiĝis en 1937, kaj ne hazarde mi naskiĝis en Varsovio. Ĝuste tiam kaj tie okazis UK honore al la 50a jara jubileo de Esperanto; mi poste lernis Esperanton en la 50aj jaroj kaj okaze de mia 50jara esperantisteco UEA honoris min kiel honoran membron. Tiam oni petis min verki mallongan biografion: mi prezentis ĉiujn UKjn kiujn mi partoprenis: en la jaro 2005 mi partoprenis la UKn en Vilno, kaj ĝuste tiam mi aldonis "en la jaro 2009 mi partoprenIS la UKn en Bjalistoko". Tio estis kompreneble pura fantazio, sed evidentiĝis ke en Esperantujo ĉio eblas.

Mi trovis en mia biblioteko libron kun titolo "Ora libro", eldonitan okaze de la jubilea kongreso en Varsiovio en 1937; en tiu libro, multaj eminentaj epserantistoj respondis unu solan demandon: kio okazos kun Esperanto post 50 jaroj...? Tio estus la jaro 1987. Preskaŭ ĉiuj parolis pri la fina venko, sed plej bone mi rememoras la eldiron de ĝeneralo Bastien, laŭ kiu Esperanto plej bone sukcesos se ĝi estos uzata en malvastaj kampoj, sed tutmonde, kaj ankaŭ plaĉis al mi la eldiro de la filo de Ludoviko Zamenhof Adam, laŭ kiu la vojo plej bona por atingi finan venkon estas konkeri la lernejojn.

*Ĉu aperis viaj kontribuoj?*

Mi laboras en du kampoj: dokumentaj filmoj kaj libroj. Pri filmoj, laborante en la pola televido mi ofte uzis Esperanton kiel laborlingvon de miaj filmoj. Pli ol deko da tiaj filmoj, kiuj entute aŭ flanke koncernas Esperanton, estas en la arĥivo de la pola televido; la plejmulton de tiuj filmoj mi esperantigis. Sed mi ne disponas pri vasta maniero de distribuado, krom la libroservo de UEA, tiel mi tre dankas al Claude Nourmont, ke en la UK de Bjalistoko estis enprogramita ĉiutaga prezentado de miaj filmoj. Kun granda ĝojo mi konstatas, ke la seancoj okazas en plenplena salono.

Pri libroj, kiujn mi faras en mia propra stilo, nome intervjuoj: mi eldonis antaŭ kelkaj jaroj "La Zamenhof-strato", kiu jam estas dufoje reeldonita, kaj kun mia granda surprizo jam aperis 12 diverslingvaj variantoj. Kelkaj aliaj tradukoj atendas eldonon. Alia libro estas "Bona espero".

*Kaj kiuj estas viaj planoj?*

Mi ricevis novan inviton deflanke de Oomoto por pluafoje veturi tien kaj verki libron pri tiu movado.

*Rikoltis intervjuon:* ***Bruĉjo Kasini***

# Fakaj kunvenoj

## Kunsido de kristanoj

La kunsido de kristanoj, membroj de IKUE kaj KELI sed ankaŭ aliaj kristanoj ĉeestantoj de la UK okazis ĵaŭdon, la 30an de julio. La kunsido esti okazo informiĝi pri la ĉijara Ekumena Esperanto-Kongreso okazinta dum la semajno antaŭ la UK, kun partopreno de 230 kongresanoj el dudeko da landoj.

Krome, oni ankaŭ informis pri novaĵoj en IKUE kaj KELI kaj pri la estontaj aranĝoj.

Dum la kunsido estis transdonitaj salutoj de neĉeestantoj, inter kiuj la plej kortuŝa estis la mesaĝo sendita de la honora membro de UEA pastro Duilio Magnani el Rimini.

I.a. pastro Magnani skribis: "Nia amo al Kristo ligas nin por kune atesti la saman Kredon ene de Esperantujo. La sama amo instigu ĉiujn senlace kaj kuraĝe agadi por realigi per la forto kaj la roso de la Sankta Spirito la Dian Regnon en nia koro kaj en la homaro. Mi subtenas humile kaj senpove vian laboron per preĝoj kaj suferoj." Fine de la mesaĝo li dankis pro ĉiesaj preĝoj por li.

En la dua parto de la kunsido, prelegon rilatan al la 800-jara karismo de Sankta Francisko prezentis Marija Belośeviĉ. Ŝi aparte fokusiĝis al la 20a jarcento ene de kiu oni trovas ankaŭ viglan franciskanan movadon ene de la Anglikana Eklezio.

Krome, ŝi atentigis pri ekumenaj streboj kaj ĉefe pri la "Spirito de Asizo", kiu post la iniciato de la papo Johano Paulo II en la jaro 1986 daŭre vivas. Surbaze de tio, estis levitaj propono ĉu ian interreligian kunvenon oni povus proponi al esperantistoj apartenantaj al aliaj religioj. Sekvis vigla diskuto, dum kiu estis faritaj kelkaj proponoj por organizo de komunaj kristanaj aranĝoj dum la UK.

***Marija Belośeviĉ, KN 261***

## INA-kunsido tre sukcesa

La kunsidon de Internacia Naturkuraca Asocio ĵaŭde la 30-an de julio je la 14h00 partoprenis pli ol cent interesatoj pri naturkuracado kaj kuracistoj. Multaj staris, ecx antaux la pordo. La prezidanto de UMEA (Universala Medicina Esperanto-Asocio), D-ro Imre Ferenczy, salutis.

La temoj estis

1. Enkonduko (pri la laboro de INA) (Harald Schicke, naturkuracisto, Germanio, kongresa numero 893, prezidanto de INA)
2. Diferenco inter klasika ("scienca") medicino kaj naturkuracado (Harald Schicke)
3. Kial naturkuracado efikas? (Kees Ruig, Nederlando)

La taskoj de INA estas kolektado de naturkuracaj informoj el la tuta mondo, publikigado de tiuj valoraj spertoj kaj informi gekolegojn pri la valoro de Esperanto en la kampo de naturkuracado.

Cxiujn publikigajxojn de INA oni trovas ĉe www.ina-asocio.info.

***Harald Schicke***

## Radioamatoroj salutas el UK



Dum la 94a Universala Kongreso de Esperanto, funkciis radioamatora stacio, HF 94 KE. Ĉe radiosendilo sidis ne nur bjalistokanoj sed ankaŭ radioamatoroj, partoprenantaj en la Universala Kongreso, inter aliaj: Hans – DJ4PG el Germanio, Tanaka – JA1FXZ el Japanio kaj Enivaldo – PT2CA el Brazilo. La amatan stacion laborantan en studenta klubo SP4YPB en la bjalistka politekniko vizitis krome aliaj radioamatoroj kaj ili sendis salutojn el Bjalistoko. Ĝis hodiaŭ okazis jam 7209 amatoraj kontaktoj kun korespondantoj el la tuta mondo. Pli ofte oni kontaktiĝis kun germanaj (1131 fojojn), italaj (615 fojojn), japanaj (546 fojojn) radioamatoroj. Ĉiuj korespondantoj ricevos specialan kongresan karton, konfirme de la sukcesa kontakto.

*S. Dobrowolski, KN 92*

## LIBE-kunveno

LIBE, Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj, kunvenis mardon la 20an de julio, je la 15h15 en la salono Sygnarski. Entute ĉeestis 28 personoj el 15 landoj eŭropaj, Brazilo, Japanio, Ĉinio aŭ Usono. La kunsidon gvidis Aldo Grassini, kiu laŭ la kutimo inter vidhandikapitoj invitis ĉiujn citi siajn nomon kaj loĝlandon.

Poste la parolvicon ricevis Otto Prytz, kiu menciis la 75an Internacian Kongreson de Blindaj Esperantistoj, ĵus okazintan en Muszyna, la sukcesan standon en la Movada Foiro kaj la nomojn de la (re)elektitaj LIBE-estraranoj: Prezidas Arvo Karvinen, ĝenerala sekretario estas Dragan Stoković. Ni aŭdis pri kunlaboro kun la Monda Brajla Konsilantaro, kies subkomitaton por unuecigo de brajla notacio O. Prytz mem prezidas. Ekzemple por la retadresa heliko ekzistas tri diversaj punkto-signoj. Li invitis aŭskulti lian IKU-prelegon ĵaŭde.

Dum la kunsido oni disdonis belan faldfolion kun polaj-Esperantaj poemo de Helena Skoniecka kaj bildstriaro kiel helpi al blindaj esperantistoj en mult-kolora preso, plus kompaktdisko kun voĉsintezila programo, donacita de la japana asocio JABE. Laŭdon ricevis ankaŭ la senlaca Anatolij Masenko, kiu ne nur esence kontribuis al la organizado de la 75a IKBE (blindula kongreso), sed ankaŭ ŝvite alportis el Kislovodsk (ĉe Kaŭkazo) la brajlajn UK-programojn.

***Raportis R. Moerbeek, KN 216***

## Muzikistoj kunvenis

La prezidanto Alan Bishop informis komence pri aferoj dum la pasinta jaro, kiuj konsistis preci-

pe en la preparo de la MEL-organo "Muziko" kaj la preparado de la muziko por la UK.

Oni invitis la ĉeestantan komponiston F.-G. Roessler konigi sian ĥorkanton "Kongreso Bjalistoka", aparte faritan por la ĉijara kongreso. En amuza atmosfero la korusanoj baldaŭ kapablis kanti ĝin trivoĉe, sen piano cetere, kiu jam mankis preskaŭ tutsemajne dum la korusaj ekzercadoj (!).

La nove elektita estraro estas: Alan Bishop (prezidanto), Jennifer Bishop (sekretario/kasistino), Jesús de las Heras (redaktoro de la organo "Muziko") kaj Ian Fantom (retkomisiito).

Akurate finiĝis la bonetosa kunveno.

*KN 891*

### Nefumantoj kunvenis

TADEN kunvenis pri liberiĝo el fumĝeno. La 26an de julio je la 17h15 en "Kesälä" kolektiĝis 11 TADEN-anoj kaj aliaj interesataj.

Reprezentataj estis Ĉeĥio, Francio (2), Italio, Litovio, Nederlando (4), Rusio kaj Serbio.

La prezidanto Jan Bemelmans komencis per klarigo pri la situacio en nederlandaj konsumejoj: la var-kontrola aŭtoritato punpagigis mastrojn de trinkejoj, kie klientoj fumis malgraŭ la malpermeso ekvalida de la jarmezo 2008. Mastroj de etaj konsumejoj komence obeis, sed perdante klientojn al konkurantoj kun apartaj fumĉambroj, resurtabligis la cindrujojn. Sekvis multaj pagopunoj. Rifuzon sekvis proceso, kiun komence gajnis la aŭtoritato, sed kies apelacia daŭrigo pravigis la mastretojn. Evidente ekonomio pli pezis por la altaj juĝistoj ol san-konsideroj.

La sekretario montris kaj cirkuligis gazettondaĵojn, librojn plurlingvajn sed ĉefe "La fumo", esperantigitan de la aŭtoro Robert Molimard mem. Por senpaga alsendo de "Puraj Pulmoj" oni notis retadresojn, samkiel dum la Movada Foiro. Plej frapis la demonstro de kinezometrio, kiun la kuracisto Alfredas Maruška aplikis al la brako de la prezidanto. Evidente tiu ne suferas la sekvojn de tabak-fumado. La invito al la kunveno ritmiĝis jene:

*Freŝe fuminte ne tuj venu,*
*nun nian nazon ne venenu.*

*R. Moerbeek, KN 216*
*sekr., kas., red. de TADEN*

### TEĴA-kunveno

La kunveno de la ĵurnalista asocio TEĴA evoluis laŭ la rutina maniero, tamen kun aparta uverturo. La prezidanto Audrys Antanaitis komence solene disdonis la ĵus elfaritajn membrokartetojn, t. e. ĵurnalistajn identigilojn.

Poste li prezentis la ĝisnunajn atingaĵojn de TEĴA: 1. agnoskon kiel jura persono en Litovio, 2. ekhavon de sidejo, 3. posedon de propra sigelo, 4. instalon de bankkonto.

Vice la sekretario Ŝilas Vytautas aldonis superrigardon pri la membraro (110 / 38 landoj), pri la rilato al UEA (ne aliĝinta, sed kunlaboranta membro) kaj pri la rilato al internaciaj ĵurnalistaj asocioj kaj pri planoj pri seminarioj kaj konferencoj.

La vicprezidanto Kalle Kniivilä informis pri la retpaĝo (tejha.org) kaj la manieroj uzi ĝin.

En la parto "proponoj kaj diskutoj" oni konkludis jene: a) ŝanĝo de la Etika kodo ĵurnalista: rifuzita, b) membrokotizo: ne enkondukota, sed la plilongigo de la glumarko sur la membrokartetoj kostas aktuale 10 EUR, c) rezolucio pri leĝo pri protektado de infanoj en Litvio: akceptita.

La lasta punkto, aparta finalo, provokis ardan, eĉ ĥaosan diskutadon. Fine de la TEĴA-kunveno la vicprezidanto eltiris el sia sako rezolucion pri leĝo pri protekto de infanoj en Litovio kaj proponis (se mi bone komprenis), ke TEĴA intervenu kontraŭ tiu ĉi leĝo en tiu lando. Preskaŭ neniu konis la tekston, tamen la estraro aŭdacis peti voĉojn por aŭ kontraŭ.

Temas pri la diskutado, cetere multalanda, ĉu la protektado de infanoj kontraŭ pornografio limigas la liberecon de ĵurnalistoj (diru: retuzantoj). Mi tie ĉi ne volas cerbumi pri la fakto. Sed ĉagrenas, ke en tiu kunveno unu homo trudis politikan temon al malforta Esperanta grupo. Tio estas almenaŭ malafablaĵo. Sed stulteco estas la devigo al la litovoj interveni propralande en iu jura kazo kaj damaĝi la akiritan publikan agnoskon. Kaj orgojlo estas opinii, ke la rezolucio ion rezultigos.

Decidi nur povas homoj informitaj kaj konsciaj pri la temo kaj la sekvoj. Kaj ne en malgrandega rondo (11 por, 8 kontraŭ el 110 membroj), kaj haste kvin minutojn post la indikita fino de la kunveno. Tia ne povas funkcii la demokratio. Kaj tion devus scii aparte ĵurnalistoj!

*Franz-Georg*

### Kunvenis kolektantoj

Ĵaŭde de la 18h00 – 19h00 okazis renkonto de Esperanto-kolektantoj (ELF-AREK), kiuj priparolis kaj interŝanĝis problemojn kaj novaĵojn de la kolektado.

La kolektantoj el 10 landoj interesiĝis ankaŭ pri novaj kaj malnovaj filatelaĵoj kaj priparolis krome partoprenon en venonta renkonto en la urbo Herzberg.

*Stanislaw Rynduch, KN 331*

# Infanoj ekskursas



Jam de pluraj jardekoj funkcias, paralele al la Universala Kongreso, Internacia InfanKongreseto (IIK), kie multaj infanoj retrovas malnovajn amikojn. Ĉi-jare ĝi kunigis en Eduka Centro de Supraśl, junulargastejo Bukowisko, 36 geknaboj inter 6- kaj 17-jaraj. Ili ĝuas plenan kaj riĉan programon, kun ekskursoj matene kaj ludaj kursoj pri Esperanto en la posttagmezo. Kvankam multaj bone scipovas Esperanton, estas malfacile eviti krokodiladon en grupoj de samlingvanoj. Por relative multaj el ili, IIK estas la sola okazo en la jaro praktiki Esperanton, kaj eĉ se ili ne uzas ĝin plentempe dum la semajno, ili almenaŭ progresas.

Marde, kelkaj promenis kaj aliaj kajakis plurajn kilometrojn pli ol antaŭplanite. En merkredo, kelkaj gepatroj aliĝis al la infana ekskurso. Stefan kaj Ĵoan, 13-jaraj knaboj, kunportis siajn gitarojn por ludi dum la vojaĝo. Post vizito de la urbo Augustów, kun rapida klarigo pri ties fondinta reĝo kaj iu malnova arbo, oni iris laŭlonge de la lago al la piknikejo. Kelkaj baniĝis tie, kaj gekuraĝuloj eĉ provadis akvoskion. Poste, ŝipo portis nin sur la lago de Augustów ĝis kluzo, per kiu oni atingas la kanalon.

Infanoj revenos dum la fermo. Kaj ili estos tre kontentaj revidi sin venontjare. Kelkaj el ili jam fariĝas tro aĝaj kaj verŝajne ne plu partoprenos, do nepre oni kuraĝigu novajn geknabojn aliĝi al venontaj IIK por plu vivigi tiun ĉi tradician aranĝon. Kaj ju pli internacia estos la grupo, des malpli krokodilema!

*François Lo Jacomo, KN 1628*

# Esperanto ĝis 2059 / 7

En tiu ĉi Kuriero de jubilea jaro pri nia Majstro ni decidis demandi al kelkaj konataj esperantistoj kiel ili vidas la evoluon de nia movado en la venonta duonjarcento. Jen la sepa el tiuj.

## Intervjuo al Ranieri Clerici



***Laŭ vi kiun plej gravan sukceson Esperanto povas esperi dum la venontaj 50 jaroj?***

Tio tre dependas de tio kiel evoluos la tutmonda politiko. Ni supozu, ke ege kreskos la mondaj ekonomiaj interŝanĝoj, kiuj hodiaŭ engaĝas ne pli ol kelkajn elcentojn de la loĝantaro, eĉ en la plej evoluintaj landoj. Jen la plej grava atingo tiama: en pluraj landoj, decidopovaj sociaj tavoloj ekkonscios, ke la lingva demando estas ero esence grava de la ekstera politiko. Tiu konsciiĝo fontos el la konstato, ke la lingvoinstruaj sistemoj ne sukcesas liveri la tiam bezonatan kvanton da homoj kapablaj adekvate rilati internacie per la nacia lingvo tiam uzata internaci-cele. Des pli, ke tiam, en la internaciaj rilatoj, plinombriĝos la situacioj de la tipo "venkanto-perdanto" (kies tipa ekzemplo estas la rilato inter du homoj kiuj konkuras por akiri nedivideblan mendon / projekton), kompare kun la situacioj de la tipo "venkanto-venkanto" (kies tipa ekzemplo estas la rilato inter turisto kun kreditkarto bezonanta tranoktadon kaj hotel-akceptejo). Vasta kaj profunda konsciiĝo pri la problemo ĉe decidopovuloj (laŭeble: la decidopova popolo mem) estas esenca antaŭkondiĉo por akceptigi la solvon Esperanto.

***Kaj kion ni e-istoj devas fari por tion atingi?***

1. Garantii ĝistiaman pluvivon kaj evoluon de Esperanto kaj de ĝia kulturo pli-malpli laŭ la nunaj procedoj kaj ritmoj.

2. Plirapidigi la menciitan konsciiĝon (speciale ĉe plurŝtataj organizaĵoj kiaj EU kaj similaj) laŭ la "taktiko Blanke" (tio estas, per esploroj asign(ig)itaj al sciencistoj kiuj – ne estante mem esperantistoj – tamen kutimas konduti objektive kaj sufiĉe konas la solvon Esperanto).

3. Principe, ĉie kaj ĉiam "favori mezuradon". Ekzemple, subteni la mezuradon de la lingvokono (kaj pri Esperanto kaj pri la ceteraj lingvoj) laŭ la Komuna Europa Referenckadro (KER). Ĝenerala enkonduko de KER ĉesigos la hodiaŭan skandalon, ke Eŭropa Unio publikigas la opiniojn (subjektivajn kaj optimismajn) de eŭropanoj pri sia kono de fremdaj lingvoj, kiujn amasmedioj emas interpreti kvazaŭ objektivajn statistikojn.

***Do laŭ vi la tradicia "fina venko" estas nun neatingebla celo?***

Ĝi estas ja atingebla, sed ne laŭ la skemo ke la Esperanto-movadaj asocioj iom-post-iom plilarĝiĝos al la tuta homaro, sed tial, ke decidopovaj neesperantistoj ekkonsciiĝos pri la graveco de la lingvo-demando kaj trovos taŭga la solvon intertempe vartatan kaj disvastigatan fare de la esperantistoj.

***Kiuj estas la instancoj pli proksimaj al tiu agnosko?***

Supozeble la ekonomia mondo, speciale en landoj en kiuj abundas firmaoj el malgrandaj dimensioj; kaj, unuavice, la politika mondo, ĉar ĝi pli kaj pli dependas de bona ekonomia farto kaj samtempe estas pli decidopova.

*Rikoltis intervjuon: Bruĉjo Kasini*

# Vibra emocio



Puzlo, kiu havas malpli da pecoj ol aliaj puzloj. Puzlo, kiu estas pli facile komponebla ol aliaj puzloj. Kaj se vi solvas tiun puzlon, vi povas pli facile solvi la aliajn. Tiel Mario Migliucci, verkisto kaj aktoro de la teatraĵo *D-ro Esperanto*, priskribas la internacian lingvon. Emocie kaj kortuŝe, li rememoras la naskiĝon de Esperanto, la specialan rilaton inter Zamenhof kaj lia onklo, la emocion de la unua voĉa konversacio en Esperanto kaj la unuan kongreson en kiu renkontiĝis "homoj kun homoj". Jen parto de intervjuo kun Mario, por la gazetagentejo *disvastigo.it*:

*Kion trafis vin plej multe en la figuro de Zamenhof?*

Liaj kapabloj strebi al idealo per praktika internacia interkompreniga ilo, alirebla al ĉiuj homoj.

*Kiel kaj kiam naskiĝis la ideo de "Doktoro Esperanto"?*

Antaŭ du jaroj mi laboris pri la temo de ne-komunikado. Tiam lampo envenis mian kapon kaj mi ekpensis pri Esperanto kaj pri la sonĝo de universala lingvo.

*Kiam ekestis la ideo pri multlingva dvd "Doktoro Esperanto"?*

Preskaŭ tuj kiam Bruĉjo Kasini spektis la teatraĵon. Li proponis al mi la projekton kaj mi akceptis kun plezuro.

*Kiom da tempo necesis por ĝin realigi?*

Pro diversaj kialoj, realigtempoj iom kreskis, sed finfine... jen ni! Ĉefaj problemoj rilatas al dublado en pluraj lingvoj. [Nun disponeblas en la itala kaj en Esperanto. Celo estas havi ĝin en ĉiuj lingvoj de EU].

*Estontaj projektoj?*

Prezenti "Doktoro Esperanto"-n tra la mondo... Pri aliaj aferoj, ni priparolu siatempe.

*Francesco Maurelli, KN 1765*
*Intervjuo: Massimo Acciai*

## Mallonge inter ni

### Libroservo... akvo... akvo... fajro!

Jen bona humuraĵo por vi! Antaŭ du tagoj aperis mallonga artikolo en kiu vi skribis ke multaj kongresanoj ne scias kie troviĝas la libroservo. Tamen, sciante tion, vi ankoraŭ skribis nenion en tiu artikolo por klarigi kie ĝi troviĝas!!! Do, supozeble, post legado de tiu artikolo, multaj kongresanoj ankoraŭ ne scias kie troviĝas la libroservo!

*Peter Bolwell, KN 900*

### Fotu nin stelece!

Karaj geestraranoj, ni havas ideon pri la venonta Universala Kongreso. Ĉu oni povus pripensi la eblon amasigi nin en bela granda stela formo, kompreneble antaŭmarkita sur la grundo, por foti, de sur alta balkono aŭ per nelibera baloneto, belan homan espersimbolstelon en la urbo de L.L. Zamenhof? Ni kore salutas vin. Samideane,

*José Grammatico, KN 675*

### Amikaro kaj toleremo

Mi dankas la amikaron de Bruno Gröning pro la ampleksa programo dum la 94a UK. La kuraca energio estis sentebla en la manoj kaj la korpo. Dankon, ke vi disdonas tion al la tuta mondo. La estona amikaro de Bruno Gröning petas, ke la tutmonda amikaro ne elĵetu estonojn el la amikaro pro la uzo de la nacia lingvo por eniri en la energion. La malgrandaj nacioj sentas sin subpremitaj, se oni devas uzi la jam kolonialismajn lingvojn. Pli da toleremo estas utila por ni ĉiuj. Amon kaj pacon.

*Eevi Lobjakas, KN 466*

### "Simpligita sanskrito"

Se vi tamen ne profitos la okazon alproksimiĝi – pere de sanskrito – al pralingvo de la hindeŭropa lingva komunumo, vi povos vin konsoli per Bhagavadgito, spirita verko de hinduismo, aŭ per Fraŭlino Maitreyi, amrakonto el la prestiĝa Serio Oriento-Okcidento, cetere lanĉata en diversaj lingvoj. Ambaŭ troveblas en la kongresa librovendejo.

*Kristoforo Śliwiński, KN 843*

### Kion oni diras pri ni

Finfine sur la paĝoj de UEA mi trovis la kongresajn kurierojn, kvankam mi atendis, ke ili estos troveblaj ankaŭ sur la oficialaj paĝoj de UK. Mi konjektas, ke en la redaktado helpas ĉi-jare G.C. Fighiera (kiun mi salutas). Domaĝe, ke la oficialaj paĝoj de la gazetara servo estas mortaj. Mankas ekz. informoj pri tio, kion la pola kaj monda gazetaro skribas pri UK, kiel kaj kion raportas elektronikaj amaskomunikiloj. En Pollando escepte de Gazeta Wyborcza la informado estas mizera. Ankaŭ la informoj ene de la unuopaj kurieroj estas neabundaj. Feliĉe mi multon ekscias pere de la radioelsendoj de Varsovio kaj Pekino.

Lokaj gazetoj bjalistokaj sufiĉe multe informas. La centraj amaskomunikiloj (precipe la televido) nenion diras pri UK. La plej bona ĝis nun estis intervjuo kun Gabi Kosiarska en la pollingva elsendo de Pola Radio tuj post la inaŭguro de la Kongreso. Tre kompetente farita intervjuo. Mankis por la fino iu Esperanto-kanzono, ekz. el la ĵus eldonita KD-disko.

*Andrzej Pettyn - a.pettyn@wp.pl*

### Perdita dorsosako

Mi forgesis nigran dorsosakon. Se vi trovis ĝin bv. porti al la informejo. Dankon.

*Onni Kauppinen, KN 1121*

### Bondezirojn

Varmajn bondezirojn kaj gratulojn okaze de naskiĝtago al sinjorino Louise Marin, KN 128.

*rk-lodzo@poczta.wp.pl*

### Ukraina danko

Nome de ukrainaj esperantistoj mi volas kore danki al la organizantoj de UK pro bonega kongreso. En la urbo ĉiam estas informoj pri la evento, videblas flagetoj kaj skribaĵoj en Esperanto. Lokaj gazetoj kaj TV konstante rakontas pri tio.

Estas kortuŝe vidi renovigitajn Esperanto-lokojn en Bjalostoko, precipe la Esperanto-centron. Ni vidis bonegan ekspozicion en la Medicina universitato. Ĉiam kaj ĉie ni sentis animan ĉeeston de Ludoviko Zamenhof.

Estas tre riĉa kaj bone pripensita la programo. Mi aparte volas atentigi pri la bone organizita priparolo de la kongresa temo kaj tre interesaj prelegoj dum la Tago de la Lernejo. Okazis bonega Prelegaro pri Esperanto-literaturo, sukcesa renkontiĝo de bjalistokaj kaj Esperanto-verkistoj, la diskuto Esperanto-literaturo – kie? en la Podlaĥia biblioteko.

La koncertoj de Irena Urbanska, Ĵomart kaj Nataŝa, la Nacia Vespero, kiujn mi partoprenis, estis altnivelaj kaj bonemociaj. Krome eblis rigardi filmojn kaj teatraĵojn.

Ni komprenas, kiel multe laboris LKK por prepari ĉiujn programerojn en ĉiuj ejoj. Specialan dankon al Ela Karczewska kaj Nina Petuchova pro la helpo kiu ebligis al mi ĝui la kongreson.

Mi esperas, ke la sincera kaj bonkora etoso, kiu regis dum la UK, subtenos ĉiujn partoprenantojn dum la tuta jaro kaj donas novajn fortojn labori por Esperanto.

*Nina Danylyuk (Ukrainujo), KN 902*

### Informiloj porkongresaj

Sugesto por alia UK, ĉar certe tio malfruas nun. Ĉu la partoprenantoj povus ricevi malgrandajn informilojn, kiuj iom donu ideon pri Esperanto, en la lingvo de la kongresa lando? Tio por disdoni al la interesatoj, al kiuj oni ne povas paroli nacilingve pri Esperanto. Simile JEFO produktis kalendaretojn, sed tiuj ĉi en Pollando ne povas utili.

*Ginette, KN 672*



# Filmo "Sinjoro Tadeo"

Antaŭ du jaroj Roman Dobrzyński, varsovia ĵurnalisto proponis al LKK esperantigi la filmon "Sinjoro Tadeo". La aŭtorajn rajtojn posedis la firmao *VisionFilm* kaj LKK kontaktis la direktoron por proponi specialan Esperanto-eldonon por la UK. Post longa interparolado, finfine la urbestro de Bjalistoko subskribis la interkonsenton kun la firmao VisionFilm. Roman Dobrzyński senpage esperantigis ĝin kaj laboris kun la teĥnikistoj por ordigi la scenojn kaj la tekston de la granda pola epopeo "Sinjoro Tadeo". Ni havis okazon spekti la Esperantan version de la filmo en la salono Zamenhof. La spektintoj aplaŭdis Roman Dobrzyński pro lia formika laboro kaj la grandega efiko de lia kreaĵo. *eK*

# Junuloj koncertis

La universalaj kongresoj de Esperanto kutime ne famas pro la atento kaj allogo al la junularo.

Tamen, ĉi-jare, konsiderinte la sufiĉe bonan ĉeeston da junuloj, oni decidis organizi junularan vesperan programon.

Ĉiuvespere, ĉe la amasloĝejo, oni povas sperti junecan etoson kaj bonan muzikon ekde la oka vespere ĝis la noktofin'.

Mardovespere oni ĝuis la koncerton de la Repistoj Platano (el la duopo PafKlik) kaj Tone, kiuj mirigis la ĉeestantaron montrante sian kapablon improvizi laŭritmajn rimojn esperantlingve. La vespero daŭris poste per bona danc-muziko en mojosa etoso.

Ĵaŭdo, je la 8a vespere, ĉe la trinkejo Gwint (tuj apude de la libroservo), estis la vico de la brazildevena roka grupo Supernova, kiu por la unua fojo ludis en Eŭropo.

*Oliviero Bagnoli, KN 719*

94a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO - BJALISTOKO 2009



# Bonhumora Zamenhofano 8
## Kongresa Kuriero

kuriero@co.uea.org sabato, 1a de aŭgusto 2009a

# Esperanto de fako al fako...




Faka agado estas unu el la plej gravaj agadoj por antaŭenigi Esperanton. Faka laboro en la kadro de Esperantujo helpas plivastigi la fakan vortaron kaj, konsekvence, plifortigi la eblon paroli pri ĉio en Esperanto. Aliflanke, faka agado estas esenca ero por la informa laboro. Ni prefere semu inter niaj samfakuloj (ni mem estas en la celgrupo kaj konsekvence konas ĝin) ol paroli al iu grupo ĝenerala aŭ kies ideojn ni eĉ ne ŝatas.

Tiu estis la ĉefa mesaĝo kiu venis el la Faka Forumo, gvidita de la UEA-estrarano pri faka kaj scienca agado José Antonio Vergara: malfermiĝi al la ekstero. Fakaj asocioj ne nur havu sian jaran kunvenon dum UK, ne nur babilu inter si, sed kunlaboru kun fakaj ne-esperantistaj asocioj. Ili havas unikan ŝancon montri ke Esperanto funkcias por kaj per internacia kunlaborado.

Estis aparte laŭditaj la agadoj de la vegetaranoj (TEVA) kaj de la rotarianoj (RADE). TEVA ĉeestis en la monda kaj eŭropa vegetaranaj kongresoj. Ĝi havis eblon prezenti Esperanton al la kongresanoj per budo dum la tuta semajno, du prelegoj en la kadro de la oficiala programo kaj eĉ Esperanto-kurseto. Lastan majon, TEVA estis reprezentita en konferenco de la Eŭropa Vegetarana Unuiĝo (EVU) kaj ankaŭ tie okazis prezento pri Esperanto. Plie, en la jarkunveno de EVU, TEVA partoprenis kaj voĉdonis kiel membro-asocio. Dum la ĉi-jara UK, ĝi organizis seminarion pri vegetarismo kaj komunan vespermanĝon. En ambaŭ eventoj aktive partoprenis neesperantistaj poloj, kiuj havis okazon ekkoni kaj aŭskulti Esperanton por la unua fojo. Pere de sekvuma interpretado, ili povis kompreni la prelegojn en Esperanto kaj povis prezenti siajn asocion kaj agadojn al la esperantistoj. RADE estas la plej malnova faka asocio de la internacia rotaria asocio kaj tre aktiva en ĝi. RADE-membroj regule partoprenas en rotariaj kongresoj kaj ofte prelegas pri Esperanto.

Dum la kunveno okazis debato pri reta kunlaboro inter la asocioj kaj estis ĝojige konstati ke pluraj homoj en la publiko donas sian disponeblon por helpi en tiu ĉi grava agadkampo.

Du tagojn poste, la subkomitato de UEA pri scienca kaj faka agado daŭrigis la laboron de la faka forumo kaj plikonkretigis la proponojn pere de rekomendoj al la komitato. Aldone al la malfermiĝo, kiun ĉiuj taksis necesa, oni emfazis la rolon de la Esperanta Vikipedio kaj invitis homojn pli kontribui en ĝi. Laborgrupo por prepari retajn adresaron kaj datumbazon estas starigota baldaŭ. Fine, prave kvankam iom svage, oni planas kontribui per la faka agado al la strategia plano de UEA. La rekomendoj estis aprobitaj hieraŭ matene dum la Komitat-kunsido. Tio estas kompreneble gratulinda, tamen ne tiom gravas la vortoj mem, sed la agado de la unuopoj. Ni ĉiuj fak-agadu!

*Francesco Maurelli, KN 1765*

## Verdaj teleskopoj

Sekve de IKU-prelego kaj AIS-kursoj de Amri Wandel pri teleskopoj, pli ol dudek kongresanoj havis okazon spekti la ĉielon per vera lensa teleskopo (80 milimetra). Lunda observado ne okazis ĉar la teleskopo estis enŝlosita. Marde, malgraŭ iom da nuboj, eblis observi Jupiteron kaj ĝiajn kvar satelitojn, duoblajn stelojn Albireo kaj Mizar, sed ni ne sukcesis vidi la galaksion en Andromedo. Ĵaŭde, kvankam jam forvojaĝis Amri Wandel, ni trovis alian lokon for de la lumo por vidi Jupiteron, kies kvar satelitoj pli facile videblis ol marde, sed ni estis ĝenataj kaj de arboj kaj de alvenantaj nuboj: ni ne sukcesis trovi la duoblajn stelojn, kvankam teorie la teleskopo trovas mem aŭtomate la deziratajn ĉielobjektojn.

*François Lo Jacomo, KN 1628*



## Korea televido raportis trifoje pri la UK

Korea televido YTN sendis sian raportiston pri la orienta Eŭropo al la UK en Bjalistoko. Ĝi elsendis la saman raporton pri la UK trifoje (ĵaŭde dufoje kaj vendrede unufoje). La raporto atentis la memorlibron pri la pasintjare forpasinta UEA-prezidinto LEE Chong-Yeong, kiu nun aĉeteblas en la Kongresa Libroservo, kaj ĝi enhavis ankaŭ intervjuojn kun la UEA-prezidanto Probal Daŝgupta kaj kun koreaj kongresanoj. Tio ja estis bona okazo, ke milionoj da koreoj eksciis pri Esperanto, UK kaj la 150a datreveno de Zamenhof.

La raporto jam spekteblas rete ĉe *http://www.ytn.co.kr/_comm/pop_mov.php?page=1&s_mcd=0930&s_hcd=&key=200907300954043278*.

*Choe Taesok, KN-1494*

# Esperanto ĝis 2059 / 8

En tiu ĉi Kuriero de jubilea jaro pri nia Majstro ni decidis demandi al kelkaj konataj esperantistoj kiel ili vidas la evoluon de nia movado en la venonta duonjarcento. Jen la oka el tiuj.

## Intervjuo al Seán Ó Riain



***Laŭ vi kiun plej gravan sukceson Esperanto povas esperi dum la venontaj 50 jaroj?***

Kiel vi scias, mi laboras je Eŭropa nivelo, kaj laŭ mi estas pluraj aliroj al la agado de EU. Mi menciu du: la plifortigadon de plurlingveco kaj la plifortigadon de Eŭropa identeco.

***Kiuj estas do?***

Plurlingveco: ŝajnas al mi ke la projekto Springboard vere montras la vojon. Ili instruas ne la tutan lingvon Esperanto, sed lingvoorientadan kurson baze de la gramatiko de Esperanto kun la 500 plej oftaj morfemoj, kun du celoj: levi la lingvokonscion kaj prepari infanojn por la sekva lernado de aliaj lingvoj. Tiu aliro donas la sperton de sukceso en lingvolernado al infanoj, kiuj alimaniere neniam havus tian sperton.

La irlanda ekzemple estas instruata devige al ĉiuj infanoj en bazaj kaj mezaj lernejoj en Irlando ekde 1922, sed nur 30% sukcesas atingi la lernejan celon; la aliaj infanoj – fakte la granda plimulto – studas devige la irlandan lingvon dum 12 jaroj kaj spertas nur malsukceson, kio konvinkas ilin ne havi talenton por lingvoj. Indas esplori ĉu la spertoj de Springboard povus helpi en Irlando.

***Kaj pri Eŭropa identeco?***

Ŝajnas al mi ke Eŭropo multon atingis ekde la dua mondmilito. Ni spertis la plej longan periodon sen granda milito en nia historio, sed restas malforta punkto: la naciaj identecoj estas multe pli fortaj ol la tuta identeco. Mi kredas ke endas plifortigi Eŭropan identecon, kiu estos harmonia kun la naciaj-regionaj identecoj; bezonatas pli granda emocia ligo inter la civitano kaj Eŭropo, por ke la averaĝa civitano evoluigu en si mem Ni-senton kiam temas pri Eŭropo. Lingvo kiel Esperanto povas ludi rolon en tiu kampo; ĝi povas esprimi tuteŭropan identecon kaj tiel rekte helpi la politikan kaj socian integriĝon de Eŭropo.

***Kaj kiel ni esperantistoj devas labori por tio?***

Ni bezonos kaj flekseblecon, kaj realismon. Fleksebleco en la senco ke ni uzu Esperanton kiel ilo multe pli ol kiel celo; ni devas esti sentemaj al la deziroj kaj bezonoj de niaj kunparolantoj ne-esperantistoj. Realismo en la senco ke ni bone komprenu kio eblas nuntempe en EU, kaj kio "ne" eblas. Ekzemple, la Eŭropa Komisiono ne povas deklari Esperanton kiel unu el la oficialaj lingvoj de EU; tiu estas decido por la Konsilio de Ministroj, kaj fakte por unuvoĉa decido de ĉiuj registaroj de la 27 EU-landoj. Sed malpli ambiciaj celoj estas jam atingeblaj: EEU jam ricevis agnoskon kaj eĉ financan subtenon de la EU-instancoj; EEU pretas aktive partopreni la novan forumon pri plurlingveco, kiun la Komisiono intencas starigi en oktobro; pli kaj pli EEU proponas pli profunde esplori la spertojn de Springboard por plibonigi la lingvolernadon ĝenerale. Pasintdecembre EEU organizis konferencon en Bruselo pri du- kaj plurlingva edukado: konataj internaciaj fakuloj ne esperantistoj prelegis kaj kelkaj el ili esprimis miron pri la sukcesoj, kiuj jam Springboard atingis.

*Rikoltis intervjuon: Bruĉjo Kasini*

# Fakaj kunvenoj

## ISAE kaj sciencamikoj kunvenis

Prezidanto Rudigero Sachs malfermis la kunvenon de ISAE per superrigardo pri la asocio kaj invitis al kunlaboro kaj ene de la asocio kaj per artikoloj por la organo "Scienca Revuo".

Vicprezidanto d-ro Vergara proponis iometan nomŝanĝiĝon de la asocio. La propono estas traktota venonte.

Omaĝe al la 100a naskiĝdato de la germana zoologiisto Grzimek, protektanto de la afrika stepo Serengeti, prof. Sachs parolis pri sia kunlaboro kun la famulo. Vigle kaj verve li aldone prelegis pri aventuroj dum sia scienca laboro kiel veterinaro en Afriko. Lerte li enplektis memfaritajn fotojn el tiu ĉi tempo.

Post 90 interesaj minutoj en bona etoso remalpleniĝis la preskaŭ plena salono.

*KN 891*

## Eŭropo Demokratio Esperanto

Refoje la tria kunsido de EDE pli ol plenigis sian salonon. Post prezento de la germana sperto, kaj de la sukceso de la tute nova konkurenca "pirata partio", kiu sukcesis elektigi unu deputiton en Svedio, okazis debato interalie pri la graveco de la kulturo en nia programo, la elekto de niaj kandidatoj, kiel konvinki elektantojn, kiam oni eĉ ne sukcesis konvinki ĉiujn esperantistojn voĉdoni por ni... Gravas instigi pli da Eŭropaj landoj kandidatigi EDE-listojn, malgraŭ la kostoj kaj malfaciloj, kaj ne atendi por jam prepari la venontan elekton de 2014. De la 28a ĝis la 30a de aŭgusto EDE kunvenos en Grezijono por plu labori.

*François Lo Jacomo, KN 1628*

## Fervojista kunveno kaj fakekskurso

Dimanĉe, la 26an de julio, en la salono Fighiera-Sikorska okazis la tradicia fervojista kunveno kun 48 partoprenantoj el 14 landoj.

István Gulyás (KN 751) vicprezidanto de IFEF gvidis la kunvenon, kaj nomiĝis la centjaran historion de la Federacio. IFEF fondiĝis en 1909 dum la 5a UK en Barcelono. S-ino Edvige Tantin Ackermann (KN 236) raportis pri la maje okazinta jubilea IFEF-kongreso en la itala urbo Triesto. Poste sinjorino Wiesław Libner (KN 1051), prezidanto de la Pola Fervojista E-Asocio, parolis pri sialanda movado, kaj pri la trafikanta "Zamenhof trajno" inter Bjalistoko kaj Bielsko-Biała.

El la temoj de la alparoloj estis la jenaj: en la ĉeĥa urbo Svitavy oni inaŭguris E-muzeon, kie estas planata fervojista ekspozicio; kelkaj gekolegoj plendis pro la efiko de la malbona ekonomia situacio ĉe la fervojoj; oni anoncis ke la venontjara IFEF-kongreso okazos en Sofio, kaj en 2011 ĝi estos en Liberec (Ĉeĥio).

Ĵaŭde, la 30an de julio, pluraj gekolegoj vizitis la lokan ĉefstacidomon. Tie la direktorino de la stacidomo akceptis ilin. Ŝi konigis la historion de la loka fervojo, kaj parolis pri la evoluo. Fine sekvis la rigardo de la fervoja centro.

*István Gulyás, KN 751*



## www.doktoroesperanto.pl

"doktoroesperanto" estas la arta kampanjo okazanta dum la 94a Universala Kongreso de Esperanto sur la korto de la urbodomo en Bjalistoko, kiu celas konstrui idean ponton inter loĝantoj de Bjalistoko kaj Esperanto.

*Agneszka Obrackowicz*

# La sekretoj de la pola muziko

Kadre de prelegoj pri Pollando, kongresanoj povis vendrede aŭskulti precipe originalan prezentadon. Ĝi rilatis al pola muziko kaj ĝia influo sur la eŭropan muzikon, precipe germanan. Estis interese, ke pri la temo ligita kun Pollando prelegis la germana esperantisto Franz-Georg Rössler. La preleganto substrekis, ke Pollando multe kontribuis al la monda muziko. Li larĝe rakontis pri popolaj elementoj en la pola muziko, donante kiel ekzemplon mazurkojn, kies sonoj aŭdiĝas en muzikverkoj de F. Chopin kaj ankaŭ en la Pola Himno. Estis prezentataj ankaŭ aliaj polaj popoldancoj kaj majesta, ceremonia danco - polonezo. La partoprenantoj ricevis poste informojn pri historio de pola muziko de la baroka epoko ĝis nuntempeco, kies ĉefan parton plenigis mallonga biografio de la plej fama pola komponisto Fryderyk Chopin. Tamen la plej interesan informon, preskaŭ kiel deserton, la ĉeestantoj ricevis fine de tiu ĉi kongresa prezentado. S-ro Rössler parolis pri preskaŭ ne konata pola nuntempa komponisto Andrzej Koszewski, kiu komponis en la jaro 1963 tute novan melodion al la vortoj de la esperanta himno "La espero". Kvankam la komponisto mem ne estas esperantisto, lia muzikkomponaĵo estis donaco al la monda esperantistaro. Aŭskultante la fragmentojn de tiu ĉi muzikverko oni povas kompari ĝin kun la originala muziko de la esperanta himno kaj imagi kiel radikale ŝanĝiĝis dum la lastaj jardekoj la muzikstilo.

*KN 830*

## Nia nova Cicerono



Francesco Maurelli, italo (KN 1765) gajnis la 1an premion en la Oratora Konkurso dum la 94a Universala Kongreso en Bjalistoko.

## La fenomeno Bruno Groening

Mardon je la 13h15 en la prelego de Amikaro Bruno Groening oni montris kiel oni povas akcepti la spiritan sanigoforton laŭ la instruo de Bruno Groening. La kuracisto M. Brune prezentis dokumentojn faritajn de sendependa kuracisto pri saniĝo de ostoporozo kaj tiel prezentis la laboron de la Medicin-Scienca Fakgrupo de Amikaro Bruno Groening. Krome raportis saniĝintoj mem kaj estis spektebla konzicaĵo el la dokumentar-filmo 'La fenomeno Bruno Groening', kiu ĉi-jare en Gdansko, la naskiĝurbo de Bruno Groening, estis prezentita dum filmfestivalo. Ripeto de la prelego stos ĵaŭdo 14.15 en salono Sygnarski.

## Mallonge inter ni

### Koran dankon pro via subteno!

Okaze de mia unua tutsemajna UK en Bjalistoko mi devis enhospitaliĝi mardon tagmeze pro ventraj suferegoj. Mardon vespere oni operaciis min pro apendicito. Vendredon tagmeze, post kelktaga ripozo, mi ĝojis reveni en la kongreson kun la necesa mematento. Certe tiun UK mi neniam forgesos! Per ĉi tiu anonceto mi precipe volas danki la amikojn kaj nekonatojn esperantistajn, kiuj multe helpis kaj subtenis min dum tiu fiaventuro. Mi ĝojas esti esperantisto ĉirkaŭata de multaj bonvolaj kaj solidarecaj homoj, nome esperantistoj. Dankon ankaŭ al ĉiuj kongresanoj, kiuj esprimis sian simpation al mi. Vivu Esperanto kaj ĝiaj amikecaj kaj solidarecaj valoroj!

*Xavier Dewidehem, KN 1692*
*prez. de la Unuigho Franca por Esperanto*

### Gazetoteko Lanti

Kvankam mankis tempo kaj loko informi en ĉi tiun kongreson, bonvolu informiĝi ĉe www.gazetotekolanti.com aŭ www.gazetoteko.eu. Kontribuontoj bonvolu sendi la magazinojn, jpg aŭ pdf-ojn de estintaj magazinoj al esperato@gmail.

*Jesuo de las Heras, KN 735*

### Fotu nin dece!

Per letero, antaŭ ĉirkaŭ 7 monatoj, mi sendis al UEA mian ideon pri la kutima kongresa foto de la kongresanoj. Vi ne respondis al mi. Ne gravas. Sed kiam oni vidas la vendatan foton fare de vi ĉi-jare, oni povas imagi ke vi fotis brutarojn.

Mi pensis ankaŭ ke eble estas validaj la ideoj de UEA. Ĉu mi eraras? Mi ŝatus vidi mian malkontentecon en la venonta "Kongresa Kuriero".

*J. Grammatico, KN 675*

### Bicikle tra Irano

Roz kaj Cirilo salutas la kongresanojn el Irano, kie nun ili biciklas sub varma suno. Vi povos sekvi ilian vojaĝon bicikle tra la mondo per www.horizonto.free.

*KN 704*

### Sudfrancu ontjare

Dum frostas ĉe vi, venu plibonigi vian Esperanton en mirinda etoso kaj loko marborde partoprenante en "Mediteranea Esperanto Semajno AGAY 2010" de la 27a februaro ĝis la 6a marto 2010. St Raphael (suda Francujo), informoj: Monique Prezioso *prezmoni@hotmail.com* aŭ *lprez@voila.fr* aŭ *kris_grai@hotmail.fr*

*KN 704*

### Serba danko

Je la nomo de saboro de esperantistoj de serbio kaj je la mia propra nomo sincere kaj tutkore mi dankas al ĉiuj LOK-anoj kaj precipe al gesignoroj Jaroslaw Parzyszek Eksteraj Rilatoj kaj Elzbieta Karczewska vicprezidanto, rilatoj kun la urbaj instancoj, dank'al kiu mi sukcesis lasttempe ricevi la vison por kongresiĝi.

*Ĵurnalisto Joĉjo Ĝuric, Serbio.*

### Dankon!

Ĉiu kongreso havas siajn apartajn trajtojn. Sed ene de la lasta jarcentkvarono la du polaj en Varsovio 1987 kaj Bjalistoko 2008 elstaros en la memoro. La Varsovia imponis jam pro la amasa kongresanaro kaj la altkvalitaj programeroj, la Bjalistoka vekis emociojn jam pro la Zamenhofa loko kaj la abunda, varia programo. Eble la nuna kongreso estis la plej Esperanta, ĉar ankaŭ la urbo kunludis. Ankaŭ ekster la kongrestereno oni povis senti sin en Esperantujo. Dankon al la urbo, al la polaj organizintoj kaj helpantoj, al UEA. Ĝis revido en Bjalistoko!

*KN 891*

### Ekzamenoj kaj ek-Zamenhofoj

Multajn horojn en tiu ĉi kongreso oni dediĉis al la novaj ekzamenoj laŭ la Komuna Eŭropa Referenckadro, en kiuj kandidatiĝis kvindeko da homoj. Kiam mi menciis, ke mi mem estis kaj ekzamenato kaj trejniĝanto por fariĝi ekzamenanto, Probal Dasgupta diris: "Do vi estis proksima al la temo de la kongreso, ĉar vi ek-Zamen-iĝis"...

### Kongresa Limeriko

*Ni en Bjaliŝtok' jubileis,*
*kaj bunta programo cxieis;*
*sed ne mankis plendoj:*
*sur placoj, en tendoj,*
*pro kuloj ni preskaux pereis!*

*Otto Prytz, KN 1043*



## Retadresoj en Kongresa Libro

Multaj homoj miris kaj daŭre miras kial retadresoj ankoraŭ ne aperas en la kongresa libro. Poŝtaj adresoj estas tiom nepraktikaj, ke en ĉiu kunveno en kiu mi partoprenis, oni petis la kongresanojn skribi sian retadreson sur iu paperfolio. Finfine UEA komencis pritrakti serioze la aferon kaj, dum la hieraŭa komitatkunisdo, estis aprobita rekomendo pri la utileco de aperigo de retadresoj en la libro. Tamen, ne eksaltu ĝoje: oni parolis pri utileco, sed ankoraŭ ne pri decidoj!

*Francesco Maurelli, KN 1765*

## Pri junulara programo en UK

Apud la kongresejo teamo de PEJ kaj amikaro de Varsovia Vento zorgis pri amasloĝejo por gastigi pli malpli 50 junuaj geesperantistoj. En la sama loko ĉiutage je la 10a horo de la vespero okazis ion ajn... Eĉ se la unua vespero la loko estis atakita de ŝtonoj ! Iu verŝajne ne esperantisto subite lanĉis stonegojn kiu rompis fenestron kaj eĉ malgrave vundis brazilan esperantiston... (Por pli da infomoj, vidu "Libera Folio"). Ni povis organizi en amasloĝejo komuna koncerto de Tone kaj Platano (Pafklik) (hiphopo el Brazilio kaj el Francio tute en Esperanto). Okazis ankaŭ tie spontanaj festoj, danckursoj, preparado de banderolo por la koncerto de "Super Nova" kaj tiel plu... Ĝuste la plej forta agado de la junuloj okazis en drinkejo apud la libroservo koncerto de brazila rok-bando "Super Nova" en varmegegega etoso!

*Cyrille Poullet*

## Instruista trejnado

La Interlingvistikaj Studoj de la Universitato Adam Mickiewicz (Poznano, Pollando) kaj ILEI denove kune organizas unujaran instruistan trejnadon, kiu disponigas la bazajn konojn necesajn por instruado de esperanto kaj trejnos la partoprenantojn pri metodiko.

La kursaro necesigas partoprenon dufoje en la surloka intensa semajna sesio (la unua okazos 12-18.09.2009, la dua 30.01-05.02.2010) kaj intertempan hejman laboradon, retan konsultiĝon kun la kursgvidantoj kaj pretigon de laboraĵo pri metodika temo, kies prezento kun la fina ekzameno okazos en septembro 2010. Aliĝantoj ricevos ILEI-diplomon pri instruista trejnado.

Estas petataj bona lingvoscio (min. B2, atestilo pri esperanto-ekzameno estas bonvena) kaj baza kono de esperanta kulturo. Informoj kaj aliĝo: interlin@amu.edu.pl ikoutny@amu.edu.pl.

# Esperanto ĝis 2059 / 9

En tiu ĉi Kuriero de jubilea jaro pri nia Majstro ni decidis demandi al kelkaj konataj esperantistoj kiel ili vidas la evoluon de nia movado en la venonta duonjarcento. Jen la lasta el tiuj.

## Intervjuo al Reinhard Selten

**Nobelpremiito 1994 - Ekonomio**



***Laŭ vi kiun plej gravan sukceson Esperanto povas esperi dum la venontaj 50 jaroj?***

La plej grandan sukceson, kiun ni povus atingi estas la t.n. "fina venko", sed verŝajne ĝin ni ne povas atendi dum la venontraj 50 jaroj, tamen mi ne estas profeto kaj mi ne volas diskuti tion. Io kio estas pli atingebla estas ke formiĝu kontrakto inter almenaŭ tri landoj kun malsamaj lingvoj, pri enkonduko de Esperanto kiel deviga lingvo en ĉiuj lernejoj. Mi pensas ke oni povas havi tian kontrakton, ekzemple enEŭropo: tiu kontrakto havus la potencialon kreski per akcepto de novaj kontrakto-ŝtatoj, kaj per tio iom post iom Esperanto povus fariĝi tre normala komunikilo. Mi pensas, ke tio estas realigebla, ĉar kelkaj landoj jam apogas certagrade Esperanton. Tiu ideo de kontrakto ne estas mia nova, ĝi jam venis antaŭlonge, sed ni povas konstati ke en Eŭropo multaj kontraktoj kreskis el tre malgranda komenco, kaj Eŭropo nun estas reto de kontraktoj, kiel ekzemple tiun de Ŝengen pri libera persontrafiko.

***Ĉu tiu ideo, ne ofta, iel fontas ankaŭ de viaj elstaraj studoj?***

Jes, iom, kaj de tio ke mi estas ligita al la Eŭropa movado plumaniere. Pri tiu ideo mi jam parolis ankaŭ antaŭ parlamentanoj, naciaj kaj Eŭropaj.

***Kion povas fari ni esperantistoj, unuope aŭ kiel movado, por helpi ĝian realiĝon?***

Oni devas propagandi tiun ideon ankaŭ al parlamentanoj, ĉar se iu grava politikisto faras tiun ideon sian propran, ĝi havos pli da ŝancoj realiĝis.

***Ĉu vi povas prezenti aliajn proponojn al nia movado?***

Oni devas ankaŭ propagandi la ideon, ke Esperanto plifaciligas la lernadon de la aliaj lingvoj, kaj savas tempon al tiuj, kiuj volas lerni alian lingvojn. Fakte ne estas racie ne lerni Esperanton kiel unua fremda lingvo, kaj en tiu fakto kiun substrekis gravaj Esperanto-sciencistoj kiel István Szerdahelyi kaj Helmar Frank, ĉar povus fariĝi bazo por disvastigo de la internacia lingvo. Precipe al la lerneja medio oni do devas emfazi tiun ideon.

***En la lastaj Eŭropaj elektoj vi estis kandidato por EDE. Ĉu laŭ vi tio helpos al nia movado, malgraŭ la neelektiĝo?***

Ne multaj personoj voĉdonis por EDE, sed tio permesis atentigi la publikon, kaj nun ekzemple la verda partio mencias Esperanton en sia programo, dum antaŭe ili timas ke ili perdos voĉojn pro tio. Bonaj ideoj ankaŭ povas atingi pli grandan reeĥon per tiaj meĥanismoj.

*Rikoltis intervjuon: Bruĉjo Kasini*

## Kongresa Rezolucio

La 94-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninte en Bjalistoko de 25a de julio ĝis 1a de aŭgusto 2009, kun partopreno de preskaŭ 2000 homoj el ?? landoj en la jaro de la 150-a datreveno de la naskiĝo de la kreinto de Esperanto, Lazar Ludwik Zamenhof, kaj samtempe en la Internacia Jaro de Akordiĝo proklamita de Unuiĝintaj Nacioj,

diskutinte la kongresan temon "Krei pacan ponton inter la popoloj: Zamenhof hodiaŭ", kaj studinte kun aparta atento la vivon kaj verkojn de Zamenhof,

notinte la fakton, ke la urbo kaj regiono de Bjalistoko pli kaj pli rekonas la escepte gravan rolon, kiun Zamenhof ludis kaj daŭre ludas kiel monde rekonata figuro en la morala evoluo de la homaro,

konsciante, ke tiu rekono konkretiĝis interalie en la malfermo de Centro Zamenhof fare de la urbaj aŭtoritatoj de Bjalistoko, kaj en propono, ke la Bjalistoka Universitato ricevu la nomon Zamenhof;

memorigante, ke okaze de la 100-a datreveno de la naskiĝo de Lazar Ludwik Zamenhof Unesko rekonis lin kiel unu el la grandaj personecoj de la mondo, kaj ke tra la jaroj venis multaj similaj rekonoj pri la meritoj de Zamenhof kiel granda monda pensulo,

kaj gratulante Unuiĝintajn Naciojn pro ĝiaj iniciatoj rilate al la ideo de akordiĝo, tiel esenca en mondo kiun dividas malakordoj pro antaŭjuĝoj kaj manko de toleremo,

konstatas, ke

1. Per la internacia lingvo Esperanto, Zamenhof kreis unike efikan ilon de internacia komunikado sur neŭtrala bazo, sen favori unu popolon super alia, kaj sen favori unu etnan lingvon super alia, kaj ke tra pli ol 120 jaroj da uzado Esperanto pruvis sian taŭgecon kiel internacia lingvo plene adaptebla kaj adaptita al ĉiuj komunikaj bezonoj.
2. Tamen, Zamenhof samtempe komprenis, ke lingvo estas kolektiva posedaĵo, kaj konfidis la evoluon de sia lingvo al ties komunumo de uzantoj, tiel ke Esperanto kaj ĝia kulturo fariĝis esence kreaĵo kolektiva, kiu evoluis en spirito de lingva demokrateco.
3. Tion farante, Zamenhof ankaŭ rekonis, ke utiligo de neŭtrala lingvo en la internaciaj rilatoj helpus konservi lokajn kaj regionajn lingvojn kaj kulturojn kaj la identecon de ties komunumoj.
4. Zamenhof ankaŭ signife kontribuis, per siaj verkoj kaj agoj, al klopodoj forigi la malamikecon inter la anoj de la diversaj religioj, al forigo de rasaj antaŭjuĝoj, kaj al rifuzo de milito kiel akceptebla maniero solvi disputojn – valoroj same gravaj en la nuna epoko kiel en la epoko de Zamenhof.
5. Sekve, Zamenhof plene meritas pli da atento ne nur kiel kreinto de lingvo sed kiel persono, kiu strebis al aŭtenta frateco inter la homoj surbaze de plena kaj reciproka kompreniĝo.
6. Tia frateco povas veni nur kiam la homoj interkompreniĝas en recipoka respekto – procedo, en kiu Esperanto povas ludi kaj jam ludas unikan rolon.
7. Interkompreniĝo estas esenca paŝo al tiu profunda kaj daŭra akordiĝo, kiu estas la celata idealo de la Internacia Jaro de Akordiĝo.
8. Akordiĝo eblas nur en situacio, en kiu lingvaj diferencoj ne formas baron al egaleca dialogo.
9. En tiu senco Esperanto estas unike taŭga kiel bazo por daŭra akordiĝo, kaj Universala Esperanto-Asocio, per sia atento ankaŭ al moralaj valoroj kaj al respekto de homaj rajtoj, povas signife roli en plenumo de la celoj de la Internacia Jaro de Akordiĝo.

# En Havano la venonta UK



Preskaŭ tricent kongresanoj partoprenis la kunsidon Venonta UK kie kubaj reprezentantoj prezentis la 95an Universalan Kongreson okazonta en Havano venontjare. Claude Nourmont, vicprezidanto de UEA kaj Clay Magalhães, Konstanta Kongresa Sekretario prezidis la kunsidon kune kun la kubanoj. Julian Hernandez Angulo, prezidanto de la LKK, informis pri ĝeneralaj aspektoj kaj de la lando kaj de la landa sekcio. Poste oni prezentis filmon pri Kubo, ties kulturo, naturo kaj popolo. Poste la ĉeestantoj havis la ŝancon fari demandojn en rilato kun la organizado de la kongreso. La prezidanto de LKK, Alberto Fernandez-Calienes, Maritza Gutierrez kaj Ariadna Garcia respondis plej diversajn demandojn pri enirpermeso al la lando, loĝado, ekskursoj, kuba mono, transportaj eblecoj, antaŭ kaj postkongresaj programoj, ktp. Estiĝis tre bona etoso dum la kunsido kaj ĉiuj foriris kun la deziro partopreni la venontan kongreson inspiritaj kaj kuraĝigitaj de la kubanoj.

*Juliân Hernàndez Angulo, KN 1730*



## Artaj aranĝoj

### Japana pupo

Pupfestivalo (ni povas aĉeti fremdajn pupojn aŭ lui tradiciajn pupojn dummonate). Tradicie, kiam naskiĝas filino oni ornamas "japanajn pupojn" en la plej impona ĉambro de la domo, kiu popularigis pupojn en Japanio de antaŭ ĉ. 300 jaroj.

Sed nur en nia urbo centoj da domoj montras pupojn antaŭ la fenestroj, kiu tradicio naskis la pupfestivalon. Tiu okazas dum la fina semajno de februaro kaj ĉ. 60 000 japanoj vizitas nian urbon ĉiujare. Pupteatraĵo (Ĉu iujn fremdajn grupojn interesas interŝanĝi pupteatrojn?)

La Toramaru-Teatro estas la plej fama el la kelkaj teatroj troveblaj en japanaj urboj. Tra la jaro daŭras la prezentado. Nia urbo estas fama kiel "pupa urbo". Muzeo de pupteatraĵoj, Fantazia palaco, Miniatura ludejo, Aventura arbaro, Biblioteko, Sportejo, Tendumejo ktp troviĝas apud la Toramaru-Teatro.

*Etsuo Miyoshi, KN: 112*
*e.miyosni@swany.co.jp*

### La informkampanjo pri UK daŭras

Proksimiĝas al la fino unu el la plej spektaklecaj eventoj en nia komunumo: la Universala Kongreso. Mirinda Kongreso, dum kiu sur la bazo de demokrata - egala por ĉiuj lingvoinstrumento - ni ne sole debatis kaj traktis seriozajn temojn. Ni ankaŭ amuziĝis kaj distris nin per abunda kultura programo riĉa i.a. je koncertoj kaj spektakloj. Multaj el ni renkontis siajn malnovajn geamikojn, multaj ligis novajn amikecojn.

Jen taŭga okazo por rakonti en nia eksteresperantista medio pri la travivaĵoj kaj spertoj lige kun la bjalistoka Universala Kongreso, kiun ni partoprenas. Jam en la antaŭkongresa periodo en diversaj landoj aperis interesaj artikoloj dank' al la informa laboro de lokaj esperantistoj, kiuj inspiriĝis per la restarigita nunjare Gazetara Informkampanjo ĉirkaŭ Universala Kongreso de Esperanto.

Nun la ŝancon fariĝi la pluportanto de informoj al la mondo havas ĉiuj kongresanoj, kiuj volos aliĝi al tiu grava informa laboro. Reveninte hejmen telefonu al via loka ĵurnalo, radiostacio aŭ televidprogramo. Rakontu pri via sperto el reala rendevuo pruvanta la vivantecon de la interkultura dialogo pere de Esperanto. Dividu viajn impresojn pri la eksterordinara rendevuo, dum kiu kun la sento de plena, reciproka lingva komforto vi povis alparoli ĉiun el pli ol 1850 personoj el 63 landoj de la mondo. Ne forgesu montri viajn fotojn.

Ni certas, ke via rakonto vekos intereson kaj oni volonte intervjuos vin pri UK kaj pri Esperanto. Tia kontakto kun loka ĵurnalisto ankaŭ estonte povas frukti per pliaj kontaktoj, kiam via klubo, grupo aŭ rondo aranĝos interesan prelegon, ekspozicion, gastigos eksterlandan esperantistan amikon. Vizitu la ĵus menciitan paĝon kaj informu nin pri viaj kontaktoj kaj sekvintaj artikoloj, intervjuoj ks.: http://www.gazetaro.co.nr/.

***Barbara Pietrzak,*** *Ĝen. Sekretario, eŝtr. pri informado*
***Emilio Cid,*** *resp. pri la informa gazetara UK kampanjo-2009*

### Tutmonda agado por paco

Komenciĝas tutmonda agado por paco. Temas pri kolekto de subskriboj sur la Reto. La agado estas en la manoj de Asocio ALVOKO AL MONDPACO, mallongigo AMO. Tiu asocio konsistas el pacbatalantoj el Japanio kaj Svislando.

Tiu grupo decidis agi ne nur por la paco, sed ankaŭ por la klimato kaj ĝenerale por la bonfarto kaj pluvivado de nia planedo. Rete la adreso estas **www.alvoko-al-mondpaco.org**, kie vi povas klaki kelkajn aŭ ĉiujn naŭ proponitajn paŝojn. Bv konigi tiun retejon al viaj amikoj en via lando. La retejo uzas nun la francan, la germanan kaj Esperanton. Baldaŭ venos la angla, la japana kaj la ĉina.

*Mirejo Grosjean, KN 227*

## Lastaj aliĝoj

***Ni pardonpetas pro interŝanĝo de numeroj en antaŭa listo. Jen ĝia korekto:***

1820 Joan Crancau, Rumanio
1821 Herman Mayer, Germanio

***Kaj jen la plej lastaj aliĝoj:***

1859 - Betty P. Refior
1860 - Beata Machowska

## Dankon redakcian

La redakcio de la Kongresa Kuriero "Bonhumora Zamenhohano" dankas al ĉiuj ĉefaj kunlaborantoj: Oliviero Bagnoli, Giancarlo Fighiera, Joanna Filipowicz-Choroszucha, Claudio Imbrenda, Francois Lo Jacomo, Robert Moerbeek, Franz-Georg Roessler, Andrzej Sochacki, kaj al niaj afablaj legantoj.

***Stanisław Dobrowolski,***
***Bruĉjo Kasini,***
***Francesco Maurelli***